**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novaj prezoj!*

## *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | bind | broŝ. |
|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj | 1.04 | 0.24 |
| **Julio Baghy:** Hura!, tolbind. 2.40 | 2.30 | 2.— |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo | 0.72 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo | 0.70 | 0.50 |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo luksa | 1.20 | 0.84 |
| simpla | 1.— | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio II. | 2.60 | 2.30 |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, luksa | 0.84 | 0.50 |
| simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto luksa | 2.65 | |
| simpla | 2.34 | 2.— |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo | 3.— | 2.— |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | | 0.24 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | 0.80 | 0.60 |
| **Totsche:** Dekdu poetoj luksa | 1.— | 0.60 |
| simpla | 0.84 | 0.50 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Simomura:** Amo de Toojuuroo | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvič:** Cezaro | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto luksa | 1.20 | |
| simpla | 0.86 | 0.60 |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, luksa | 1.50 | |
| simpla | 1.20 | 0.92 |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | 2.12 | 1.80 |
| luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Felikso Zamenhof) | 1.60 | 1.32 |
| luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo | 0.95 | 0.72 |
| luksa | 1.30 | |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj.
Aldonu 10% de sendkostoj.

### RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA**-kotizoj por 1935 estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935 estas aperinta (proksimume en fino de decembro 1936).

**Pagojn ni akceptas**

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj, aŭ al la poŝtĉekkonto de Bleier Vilmos

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengő; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO

por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn markojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengőjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn kaj

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.** 5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn markojn; 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengőjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 4.26 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. van Ingen, Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

Ĉi tiu kaj la sekvaj numeroj estas kaj estos iom pli maldikaj, ol la aliaj antaŭaj. Tio okazas, ĉar niaj abonantoj ricevos la tiel »forŝtelitajn« paĝojn en la *Jubilea Libro* pri Baghy kaj Kalocsay, aperonta en oktobro.

# WIEN 1936

— Georgo Verda —

Estis antaŭvideble, ke la Viena kongreso altiros grandnombran anaron el ĉiuj partoj de l' mondo. Vieno havas jam de longa tempo sian fiksitan tradicion por kongresoj ĉiaspecaj, kaj antaŭ ĉio por kongresoj kun turisma karaktero, al kiuj sendube apartenas ankaŭ la niaj, la Esperantistaj. Kaj efektive al la 28-a venis pli ol 1000 Esperantistoj — nombro sufiĉe grava, se oni konsideras ne nur la ĝeneralan krizon ekonomian, kiu jam de pluraj jaroj rabas multe da brilo al la kutima pompo de niaj universalaj kongresoj, sed ĉefe la politikajn okazintaĵojn en Aŭstrio, kiuj lastatempe turnis ĉies atenton al tiu malgranda ŝtato kaj kiujn flankenŝovis iom nur la pli emocia ludo politika en Hispanujo. Kompreneble do, en tiaj kondiĉoj — oni povas diri — tion, kion la kongreso atingis, ni povas kuraĝe nomi sukceso. Eble la milo da Esperantistoj facile perdiĝis en la dumiliona Vieno, kvankam oni povis konstati, ke ĝenerale oni tra la tuta urbo sentis la kongreson. Tion ni supozeble ŝuldas al la vere ĝojiga fakto, ke preskaŭ ĉiuj kongresanoj parolis bone Esperanton, kaj tiurilate la Viena kongreso entuziasmige superis ĉiujn ĝisnunajn niajn kongresojn, por ne paroli pri la pasintjara Roma Festo, kiun vi povas nomi ĉiel, kiel vi nur mem deziras, sed ne kongreso de Esperantistoj, ĉar ĝiaj partoprenintoj grandparte havis preskaŭ nenion komunan kun Esperanto. La fakto, ke en Vieno la kongresanoj parolis — kaj kiel dirite, bone parolis — Esperanton, havas multe pli grandan signifon ol oni eble kredas. Mi devas aldoni, ke ĉi-jare ni renkontis en Vieno multajn novajn vizaĝojn kaj tio estas tiom pli ĝojiga. La nova Esperantista generacio havas laŭdindan aspiron pri kiom eble plej bona posedo de la lingvo (»jen la kvalito!«, kontente ekkrius Baghy). En Vieno la lingvokomitatanoj kaj balbutantoj definitive malaperis, kaj kiu enuis en la fakaj kunsidoj aŭ ne havis monon por partopreni la sufiĉe multekostajn ekskursojn, tiu trovis vere »kongresan« ĝuon en simpla babilado kun iu ajn, kun ĉiu ajn. En Vieno la lingvo vivis, sed ne la kongreso.

Sed ankaŭ la lingvo devas havi simplan fizikan ejon, en kiu ĝi povas manifestiĝi. La kongreso havis sian sidlokon en la fame-konata imperiestra kastelo Burg. La malferma kunsido, la balo kaj la laborkunsidoj okazis en la belegaj salonoj de l' Burg, la akceptejo troviĝis en la teretaĝa halo, kie svarmis dum tuta tago centoj da lacegaj homoj, ne havantaj lokon por sidigi siajn senfortiĝintajn korpojn, ĉar en la tuta akceptejo troviĝis ne pli ol 3 benkoj kaj nur kelkaj seĝoj. Kaj mankis babilejo! Homoj almigris el malproksimaj landoj kaj urboj por havi ne pli ol la modestan sed mirinde kortuŝan plezuron satbabili en la bela Zamenhofa lingvo — por tiu multekosta plezuro ili ŝparis dum tuta jaro, ofte panon al buŝo avaris, pri vesto rezignis — kaj surprizite ili konstatis, ke la organizintoj tute forgesis zorgi pri ilia plej elementa kaj malmultekosta bezono: pri babilejo! La eminentuloj sidantaj dum ĉiu kunveno sur la podio kaj la malmultaj flamiĝemuloj havis kompreneble plurfoje la eblecon demonstri sian oratoran talenton. Sed la popolo, la milkapa homamaso ne povis sufiĉe elliveri sian babilenergion: en la tuta Hofburg, kiom ajn granda kaj impona tiu konstruaĵo estas, mankis simple ĉambrego kiu estus povinta servi kiel loko por libera kunvenado kaj senĝena babilado. Mankis babilejo!

Do la verda popolo estis devigata ruze serĉi aliajn eblecojn kaj lokojn por babilado, kaj ĝi trovis ilin. La kongresanoj kunvenis sur la ŝtuparoj de l' kastelo, disŝutiĝis kelkope tra la placon kaj ĝardenon apud la kastelo — la bezono satbabili estis pli forta ol tiu de oportuneco — kaj jam la unuan tagon la t. n. Heldenplatz apud la Burg estis posedoprenita de la esperantistaro. Kaj fakte la kongresa vivo manifestiĝis plejparte ekster la kongresejo. Ĉar se oni konsideras, ke dum la tuta semajno okazis nur du oficialaj ne longedaŭraj laborkunsidoj kaj la tempospacon inter ili plenigis pli ol deko da plej diversaj ekskursoj, se oni, plie, pripensas, ke babilejo tute ne ekzistis, tiam oni facile konsentos, ke la popolo efektive ne sopiris multe al la kongresejo, en kiu, kiel jam dirite, ĝi ne havis eĉ la eblecon »dece« ripozi.

Vieno — simile al bela junulino — havas la mirindan kapablon delogi fremdulon, per mistera agitiĝo de l' palpebroj. La ĉarmo de tiu nekutima urbo estas tiom konata, kaj la restado en la kongresejo — tiom enuiga, ke promenado tra la ravaj stratoj de tiu grandurbo prezentis samtempe du gravajn avantaĝojn: elkondukis nin el la kongresejo, kaj donis al ni la eblecon admiri la brilon kaj pompon, arton kaj kulturon, la tradicion kaj progreson, la virinojn, vinojn kaj dancojn de Vieno, la urbo de niaj revoj!

Mi jam plurfoje faris la solenan decidon, ne partopreni la univ. kongresojn, kiuj okazas en tiaj metropoloj kiel Parizo, Vieno k. s. — Sep- aŭ oktaga restado en tia urbo dispufigas sole la apetiton vidi ĉion vizitindan kaj uzi ĉi tiun vidindaĵon. Krome ne forgesu, ke por obtuzigi la esperantistan konsciencon oni ne povas komenci la tagon sen antaŭa eĉ nur mallonga t. e. almenaŭ duhora vizito en la kongresejo. Tio kaŭzas fine teruran konfuzon en ĉiuj planoj. Kiu ne vidis la verdstelulojn freneze kurantaj tra la avenuoj de la urbego kaj avide sed rapide rigardantaj la sennombrajn konstruaĵojn, monumentojn, placojn, muzeojn, preĝejojn, galeriojn, lernejojn, parkojn, kafejojn, pontojn, turojn, palacojn, kastelojn kaj bibliotekojn, por ne paroli pri la teatroj, kinematografoj kaj grandiozaj magazenoj kaj ties vitrinoj, tiu absolute ne povas reprezenti en sia imago pli precizan bildon pri kompatindaj viktimoj de turismo. Plej ofte kun gvidlibroj en la manoj ili kuris ŝvite tra la stratoj de Vieno, kvazaŭ dopingite de la malmulta disponebla tempo kaj agitite per la amasego da vidindaĵoj. La organizontoj de la sekvaj kongresoj devas nepre pensi pri tio. Se la turismo en niaj ĉiujaraj festoj okupas tiom gravan lokon, oni almenaŭ zorgu, ke niaj senhelpaj amikoj, kiuj per sia multnombra alveno kontribuas multe al la pompa karaktero de niaj kongresoj, ĝuu pli homece la voluptojn de l' turismo. Oni almenaŭ zorgu, kiel siatempe en Danzigo, ke ili ĝuu senpagan, aŭ malmultekostan (kiel en Budapeŝto siatempe) tramveturadon dum la tuta daŭro de l' kongreso. La malriĉa verda popolo neniel povas permesi al si la lukson rondveturi per aŭtoj ĉiutage dum tuta tago tra la urbo. Ili kun envio rigardas eĉ tiujn, kiujn la fortuno pridonacis per la ebleco nur tramveturi. Tio igas nin konjekti, ke la Esperantistaro ĝenerale ne estas riĉa popolo. Ni povus eĉ, plie diri, ke meza Esperantisto estas pli ol meze malriĉa. Oni efektive devas admiri la heroecan idealismon de tiuj homoj, el kiuj multaj dum la tuta jaro ofte ne satmanĝas, sed kiam proksimiĝas Aŭgusto, la monato de l' kongreso, ia malkvieto obsedas ilin kaj agitas iliajn animojn tiel longe, ĝis dank' al iu nekutima ruzaĵo ili iamaniere akiras la necesan monsumon por iri al la kongreso. Ne gravas ĉu tiu monsumo vere sufiĉos. Plej ofte ĝi troviĝas en la ora mezo: ĝi certe ne garantias al sia verdstela posedanto la minimumon, eĉ ne la elementan minimumon de primitiva komforto en la fremda lando kaj urbo, sed aliflanke tiu monsumeto estas tiom alta, ke oni nepre ne povas morti de malsato. Oni simple devas ŝpari, multe ŝpari. Sed la ŝparado dum E-kongreso estas absolute neebla, almenaŭ en Vieno la organizintoj videble supozis, ke la Esperantistaro ĝenerale estas sufiĉe bonhava, se ili aranĝis por ĝi tiom da ekskursoj (ofte po kelkaj ĉiutage!), tiom da *multekostaj* ekskursoj,

# Cetero el Hispanio

— G. E. Maura —

Vi longe skribis al mi, amiko Waringhien,
pri via kongresado en la afabla Vien;'
mi legas viajn paĝojn sur rando de tranĉeo,
kaj via vok' el tia malproksima paseo
min tiel milde distras de l' hodiaŭ', ke jen
al mia muz' ekplaĉas vin akompani verse
tra la konfuz' de tiu komika epopeo,
kiun por mi vi penis priskribi facilŝerce: —
Vien', eksmoda urbo, bankrotita monarko,
palacoj kaj kazernoj, kaj tiu triumf-arko
aŭdace asertanta, sen timo al demento,
ke »La Justeco Estas de l' Regnoj Fundamento«;
en la Imperiestra Salon', flagita feste,
l' UEA-prezidanto degrade kondamnita
aperti la Solenan Kunsidon proletveste,
ĉar lia frako plue vojaĝis inkognita,
(tiel alloga estis la kongres-karavano!)
la baraktanta Steiner vadanta tra l' tagordo
kaj komplikanta l' kaĉon per kompetenta mano;
sed malgraŭ ĉiuj ĝenoj la gajema agordo
de samideanaro indulga al siaj majstroj:
la kongresflirtoj dece benataj de kvar pastroj,
la magra manĝ' spicita per kantoj de cigan',
la »Plena Gramatiko« levita ĝis la astroj
per furioza svingo de fluga tobogan';
la *Blanka Ĉevaleto* kaj ĝiaj sveltaj girl'oj,
kies femurojn zorge, sen help' de teleskopo,
kontemplis tiucele varbita episkopo;
l' ekskursoj multigitaj ĝis preskaŭ dudekopo;
kaj, dum ĉi distr-avidaj, frivolaj homokirloj
elverŝis sian forton en plurpartia maĉo
por lito en hotelo aŭ lok' en aŭtoĉaro,
supre, en la majesto de la Steiner-muzeo,
silenta kavernego sub gardo de gnomaĉo,
kie mucidas libroj kaj ŝpinas araneo,
la noktaj konsiliĝoj de l' UEA-estraro...

*

Sed kio ŝajnis ĉefe eksciti vian vervon,
estis tiu festeno da akvo minerala,
per kies penskleriga kaj korpsaniga ondo
la malavara ĉef' de »Literatura Mondo«
esperis revigligi — intenco tre morala —
de siaj plumosklavoj la kadukan minervon.
Ĉi sidis, vi raportas, krom *Bleier* la tablestro,
da plej talentaj bardoj impona jaz-orkestro:
*Belmont* la patriarko, tronanta je la centro,
la juda, fajrosputa profet' *Lejzerowicz*,
*Dro Kamaryt* kun sia filozofia ventro,
*Halina Weinstein*, fajna Tanagra statueto
(al ŝi mi farus lokon volonte en mia niĉ'!),
la virta *Weleminsky*, pastrin' de San Michele,
kiu, ĉe sia dika, dickensa silueto,
plej altan poezion kultadas plej fidele,
kaj tiu ronda *Helmi*, kies griza hararo
malbone kovras ardon de ĉiam juna kor',
dum la trikanta lango kaj tikla okulparo
al ĉiu bonvenigas kun petola humor'.
— Sed vi nenion diras pri fratineto *Hilda*:
ĉu vere vin timigis ŝia mien' malmilda?
Aŭ male, ĉu ŝi vekis tielan sentimenton,
ke en silent' orgojla vi kaŝus la turmenton?
Ŝance, malpli diskreta, vi pentras (tiel trafe,
ke ilin mi mem kredus ekkoni fotografe)
la mokan okulpinĉon kaj la senbruan ridon
de tiu ĉifvizaĝa, gracila, ĉarma *Totsche*,
kiu la artsekretojn aludas duonvoĉe,

---

ke granda parto de la kongresanoj, kiuj devis ŝpari, estis devigataj proprariske aranĝi tiujn ekskursojn en grupoj po 10—15 personoj, kaj — ho miraklo' — la samaj ekskursoj, organizataj de nefakuloj, kun malpli da bruo, sed ne kun malpli da zorgemo, kostis ofte nur la duonon, kaj eĉ malpli ol la duonon de la oficialaj kongresaranĝoj.

Vole-nevole, la samideanoj, kies poŝo ne permesis fari multekostajn ekskursojn aŭ trafiki tra la restoracioj kaj magazenoj preferantaj eksterlandanojn kun ŝvelaj monujoj, devis kontentiĝi per pli modesta pasigado de l' tempo. Ili iris — tute sen metaforo! — en la popolon. Ne nur por senpere kontaktiĝi kun ĝi, por propraokule vidi la historion de l' viena popolo, kiu antaŭ nelonge ankoraŭ katenis la scivolon de la tuta mondo, sed ankaŭ pro aferoj pli prozaj, ekzemple por trovi en iu duaranga bar'o malkarajn tagmanĝon kaj knabinon. La Vienaj knabinoj efektive havas ian apartan ĉarmon, sed ili ŝajnas tiom similaj unu al la alia, per siaj ĉiam kaj ĉie egalaj rideto kaj rigardo, ke oni ofte ne povis diferencigi la Mizzi de la Lizzi. Favore al tiuj Mizzi'oj ni devas ankaŭ diri, ke ili estas sufiĉe bonkoraj kaj naivaj. Tiurilate la Esperantistaj amikoj de l' viena popolo absolute ne trompiĝis. Ekzemple, unu el miaj amikoj, cetere Esperantisto tre konata en la alta medio de poetoj, ĉiutage ŝanĝis sian societon, t. e. sian vienan kunulinon sub la preteksto, ke liaj muzoj tre ŝatas variecon. Tiu ĉi preteksto, kiu en alia kazo povus servi kiel sparko de saĝo, facile pruvas la grandiozan intelekton de nia verda poeto, kiu ne kompromitiĝis nur kaj sole dank' al tio, ke la ĉarmaj vienaj knabinoj simple ne komprenis lin: la poeto malbone parolis Esperanton, mi kredas, ke li estis la sola balbutanto en la kongreso.

Cetere, la vienaj knabinoj tute ne similas al la vienaninoj el la t. n. vienaj filmoj. Neniu el la virinoj, kun kiuj mi konatiĝis en Vieno, kantis al mi iun valson de Strauss. Kaj neniu el ili enamiĝis je la unua rigardo. Ili tute ne parolis pri amo, cetere. Ilia preferata temo estis la situacio, la politika situacio, kompreneble. Ho ne! Tio ne plu estas la sama Vieno! La kruela tempo brulstampis sur ĝi sian signon. Malaperis la viena bonhumoro kaj sprito. Kaj la Danubo ne estas plu blua. Ĝi estas verda! Kaj la vienaj kotletoj ne estas plu la samaj: la vere vienan kotleton vi ricevos nur en Varsovio.

La lukso de l' paŭperizita Vieno havas jam grizan barbon kaj maljunulan ĝibon, se ĝi entute povas ankoraŭ esti nomata lukso. Ĝi estas brilo de eluzita frako kaj, plivere, vivas per la rememoroj pri la senrevena pompa pasinteco. Homoj venas al Vieno por amuziĝi. Sed eĉ en la plej belaj partoj de l' urbo malsatantaj almozuloj insiste kroĉas sin al via mantelo, petante pri monero. En la grandaj restoracioj, kies bonfamon konas la sibaritoj de l' tuta mondo, la kelneroj plendas pri la nunaj eksterlandaj gastoj, havantaj nek geston, nek guston. Vieno perdis la humoron.

Nu, sed mi ja ne venis Vienon por amuziĝi. Mi venis tien por la 28-a...

Estas tute kompreneble, ke ĝenerale la Solena Malfermo estas la signo de la komenco de l' kongreso. Sed por mi tiu signo de l' komenco estas la momento, en kiu mi ekvidas niajn amatajn verdajn maniulojn, la verdajn »ortodoksojn«, kiel mi kutimas nomi ilin. Sur la Placo de Herooj, apud la kongresejo, ili aperis jam sabate matene. Estis pluva mateno, — la ĉielo akceptis nin kun tre malserena mieno — kaj niaj ortodoksoj ne ĉiuj kuraĝis montriĝi en siaj admirindaj »esperantistaj« vestoj. Tamen pluraj donis al ni la eblecon admiri ilin; jam je la

kvazaŭ al kor' amika li flustrus amkonfidon
(sed ja por pasiiĝi li havas tro lucidon,
kaj vorte pli ol sorte kondutas li diboĉe).
Same al via sorĉa alvok' ŝajnas komplezi
*Newell*, la malfeliĉa gepatro de »aprezi«
(kiun ĉe l' mamo murdis barbara malsudano),
ĉi flegma Newell, kiu sub honora turbano
instruas la humuron al negroj de Sudano
(sed lin tropika pigro malhelpas larĝe spezi
la spriton ŝparaditan dum tiu naturbano);
kaj fine nia majstro, la bona Gargantua,
kies geni' sin fleksas al plej infana ĝojo,
frandema, voluptama, flarsperta, vinoĝua,
kranio por eterne ŝirmata de ĉizojo
sed fate konsekrita al la kronanta laŭro,
neelĉerpebla fonto de l' kanto sonorflua,
kies muzik' eĥiĝos en la senfina daŭro,
unika *Kalocsay*, ĉi *Koloman Unua!*

*

Ho, kiel mi komprenas la sens-eks-itan ravon,
kiun vi spertis en ĉi prestiĝa kompanio,
plezuron de l' spirito, kaj por l' animo savon
el la kompromiteco de l' ĉiutaga fio!
Ho, kiel devis esti liberaj la diskutoj,
serenaj konsideroj pri l' vivo kaj la arto,
dum senrimarke fluis la oro de l' minutoj!
Ho, povi nur, sen ia suspekto aŭ singardo,
konfidi sian penson al amika silento!
Vere malofta por mi jam estis tia sento,
kaj kvazaŭ partoprenas mi mem en via ekzalto...
Jes, inter tiuj homoj egalaj en bonvolo
regis tia libero de penso kaj parolo,
trablovis tia spiro de komprena fervoro,
ke ĝin sub viaj vortoj eksentas mia koro,
amare bedaŭranta pri mia malproksimo...
Meze de tiu mondo dronanta en la ŝlimo,
sub la minacaj nuboj kaj inter la ektondroj,
vi faris rifuĝejon el efemeraj frondoj,
oazon de trankvila kaj humana konkordo.
Feliĉaj homoj, kiuj kapablis eĉ forgesi!

*

Sed ĉu foreston mian bedaŭru mia kor' do?
Ĝis tie vin imiti ne povus mi sukcesi,
realon mi ne povus delasi ĉe la pordo.
Eĉ inter via rondo obsedus min la veo
de landoj destinitaj al baldaŭa pereo;
tro laŭte ekribelas la fortoj de l' infero!
Por morta verko ĉie estas forĝata fero,
kaj de ronkantaj monstroj jam vibras l' atmosfero.
Kaj jam tra mia lando, mia plagata lando,
ekfajris la ŝtiparoj por brula hom-ofero.
Mi aŭdas jam la hurlojn de turmentitaj fratoj,
la venĝan helpokrion de miaj kamaradoj
kaj ploron de l' patrino ĉe ŝies tomborando...
Kiel preteri tion, kaj kiel ne supozi,
ke tra la tuta mondo tuj devas furiozi
la sama krima ŝtormo el sango kaj el honto?
Ho vi, amikoj foraj, ĉe via pacrenkonto,
ĉu tamen vi suspektis, kiel escepta estas
tiu favoro al vi lasita de l' fatalo,
ke vere la finiĝon de unu mond' vi festas?
Ho baldaŭ batalontoj de la lasta batalo,
lasta, ĉar post ĝi certe nenio supervivos
el ĉio, kio igas al ni Eŭropon kara,
ĉar kun la libereco en la abismon drivos
humana idealo kaj civiliz' miljara —
vi tiam kune trinkis kalikon de l' adiaŭ.
Kiel la Ĝirondanoj antaŭ la ekzekuto,
hieraŭ vi festenis en amikec'; hodiaŭ
jen horo de l' disiĝa kaj ekstrema saluto!
La Di' nesatigebla de la milit' atendas;
en la kreskanta ombro via destino pendas.
Unu manprem' ankoraŭ, ankoraŭ unu kiso,
kaj nun, finite! Fratoj, jen venas via vico...

*Talavera del Tajo*, 25. 8. 36.

---

naŭa matene ĉe la ĉefpordo de l' kongresejo promenas kelkaj tipoj: sinjoro kun jako dekorita per kompleta sortimento de verdaj steloj; fraŭlino kun blanka silka bluzo stelo brodita sur ĝin kaj granda verda antaŭajo; sinjorino kun kurioza ĉapelo inkrustita per glimbrilanta grandega verda stelo kvazaŭ diademo. Jen la unuaj hirundoj de l' kongreso, mi pensas, ekvidinte tiujn ekzemplerojn, kaj frivole gaja transpaŝas la sojlon de l' kongresejo.

La halo estas tutplena de homa svarmo. Nekutima bruo kaj zumado certigas min, ke mi troviĝas en la ĝusta loko: en la kongresejo, kaj en la ĝusta tempo: antaŭ tagmezo de la unua kongrestago. La amaso ŝveliĝas, la bruo fariĝas ĉiam pli kaj pli granda. Malnovaj amikoj salutas unu la alian, premas reciproke la manojn, interkisiĝas. Rekrutoj, t. e. tiuj, kiuj unuafoje vizitas kongreson, promenas iom senhelpe tra la halo mire gapante aŭ vane serĉante ion. La simpatiaj vienaj samideaninoj oficante en la akceptejo, ankoraŭ ne eniris en la »trancon« de sia laboro. Iom konfuzitaj unuamomente ili staras senfare kaj surprizite pro tiu torentego da homoj fluantaj senĉese en la halon kaj minacantaj inundi ĝin. Sed baldaŭ la oficistinoj vekiĝas el sia miro kaj komencas fervore labori. Klarigoj, rimarkoj, informoj estas donataj en ĝentila lingvaĵo kaj flua Esperanto. Sed ne ĉiam la kongresanoj estas ĝentilaj. Iu anoncas sin ĉe la oficista tablo kaj postulas tujan prizorgon de lia afero, kvazaŭ li sola estus ĉi tie! Li eltiras sian vizitkarton kaj miras kolere, ke la dejoranta samideanino ne konas lian nomon! Li estas ja la grupestro en Stultinsk! Li verkis propagandan flugfolion en ses lingvoj — kaj la fraŭlino ne konas lin. Aroganteco!...

En angulo Joŝo rakontas al jus alvenintaj samideaninoj, kiuj ne sukcesis ankoraŭ refreŝigi sin post longa vojaĝo kaj portas ankoraŭ siajn valizojn, ke Ilo, kun kiu li havas la malfeliĉon loĝi en komuna ĉambro, senrajte okupis lian liton. Ilo siaflanke certigas, ke sur la lito estis nenia noto pri tio, kiu estas dormonta en ĝi. Hartmann, la sekretario de la venonta varsovia L. K. K. intervenas kaj faras inter ambaŭ pacon.

La alveno de prof. Bujwid el Krakovo vekas ĝeneralan atenton. Lia vizaĝo, malkaŝanta saĝon kaj senteman koron, spontanee elvokas respekton ĉe ĉiu kiu vidas tiun interesan vere eminentan homon. Karakteriza estas la granda simileco en la vizaĝtrajtoj inter li, prof. Bujwid kaj Bernard Shaw.

La »popolo« aranĝas la necesajn formalaĵojn ĉe la oficista tablo. Ĉiu ricevas grandan koverton kun la kongresdokumentoj. Tiuj ĉi »dokumentoj« konsistas el la kongresa libro, gvidlibro tra Aŭstrio kaj Wien, kaj pluraj paperaĵoj kun tre dube-valora enhavo. Oni fine evitu la nomon de »dokumentoj« pri reklamiloj kaj flugfolioj, kiuj preskaŭ neniun interesas.

Trarigardinte la kongresan libron, oni facile povis konstati, kiom malriĉa estas la programo de l' kongreso. Krom la Solena Malfermo nur du laborkunsidoj, cetere — kvar diservoj, sennombraj ekskursoj kaj... blankaj paĝoj, kiuj plej trafe respegulas la laborprogramon de l' kongreso.

Ĉirkaŭ tagmezo la kongresejo iom-post-iome senhomiĝas. Ankoraŭ tre lacaj de l' vojaĝo ĉiuj disiras en siajn

## „ĈE LA BELA BLUA DANUBO"

**— Valso de Johann Strauss —**

Blua Danub'
ĉielo sen nub',
afabla seren',
ho ĉarma Vien!
Muziko per vent'
alflugas por tent',
allogas por bal'
kie trenas la sorĉa danc-torent'.
Tie lumoj mil,
en okuloj bril',
sub la lustroj
dolĉaj flustroj.
Ĉie danc-invit',
ĉie ŝveb' kaj glit',
ĉie gaja splito
de la facileta sprit'.

Ho dolĉa amflustret'
ĉe la danco en sekret',
ho la milda, varma prem',
sufokas la voĉon la sopira ĝem':
»Sentu, ke batas en flam'
la kor' pro la ekscit'!
Donacu do jeson de am'
sen tim', sen hezit'!«
Ho dolĉa amflustret'
ĉe la danco en sekret',
ho la milda, varma prem',
sufokas la voĉon la sopira ĝem'.

Ĉe l' son' de la fluto kaj violon'
susuras jupoj tra la salon',
jen sur ĉio roza vapor',
muzikas mem la kor'.
Nin ravas en melodi'
brilo de sunradi',
trilo de birda hor',
gajo de juna kor'.
Kaj milde ĉarma dolĉ'
kaj arde varma sorĉ',
kaj arĝenta nub'
kaj zum' de la Danub'.

Magie la ritmo pulsas en ni,
portas al rav' kaj al ebri'.
Dronas la mond' en roza vual',
regas nin (Princ') Karnaval'!
Svarma rul',
varma lul',
arde brula spir':
ho dolĉa dancdelir'!
La magia sving',
sorĉa ring'
portas plu kaj plu
per povo de potenca flu'!

Tiu ĉi valso ne estas ja lud',
sed ĝi estas ensorĉo kaj trud',
en ĝi estas brul'; kaj la flam'
kuntrenas por danc' kaj am'!
Kaj se ĝi ondas ensorĉe tra l' sin',
ne rezistas junul', nek knabin',
kaj ekflugas al paradiz'
per flugiloj de l' danc' kaj kis',
per flugiloj de l' danco kaj kis'.

Plu, plu, plu,
kia dia danc', po du,
ĉe magia, pli kaj pli
dolĉa dancmelodi'!
Jam, jam, jam,
per ebria danc', la am',
kiel per la sun' la flor',
ekburĝonas kaj ŝvelas en kor'!
Tiu ĉi valso ne estas ja lud',
sed ĝi estas ensorĉo kaj trud',
en ĝi estas brul'; kaj la flam'
kuntrenas por danc' kaj am'!
Kaj se ĝi ondas ensorĉe tra l' sin',
ne rezistas junul', nek knabin',
kaj ekflugas al paradiz'
per flugiloj de l' danc' kaj kis',
per flugiloj de l' danco kaj kis'.

*K. Kalocsay*

---

resp. hotelojn por refortiĝi per ioma ripozo kaj prepari sin por la vespera festo — la solena malfermo.

Je la 20-a horo la imponega festa salono de la imperiestra kastelo (»Neue Hofburg«) estis tute plena de publiko. Je la sonoj de la Aŭstria nacia himno en la salono eniras vickanceliero Baar-Baarenfels, ministro Stockinger, prezidanto de LKK H. Steiner kaj lia »sekvantaro«. Ili ĉiuj suriras sur la podion kaj okupas siajn sidlokojn.

Tiu militistmaniera eniro de la prezida komitato, tiu marŝado de dekkelkaj eminentuloj tra la salono havis tre teatrecan aspekton, kaj certe ne donis la deziritan efekton. Tio, kio devus doni al la soleno subtilan kaj altspiritan karakteron kaj agordon, ŝanĝiĝis kontraŭvole — pro mallerta »enscenigo« en ne seriozan spektaklon.

En la nomo de la Aŭstria registaro s-o vickancel. Baar-Baarenfels diras bonvenon al la kongresanaro. Li diras, ke Aŭstrio speciale subtenas Esperanton, kiel ligilon inter landoj kaj popoloj. Tiuj ĝojigaj vortoj, eldiritaj de tiom eminenta registarano, havas vere grandan signifon. La esperantistaro devas ilin zorge *memori*. Fine la sinjoro vickanceliero per kelkaj Esperantlingvaj vortoj malfermas la kongreson.

Sekvis alparoloj de reprezentantoj de kelkaj registaroj (greka, nederlanda, bulgara, hungara, brazila kaj usona). La oratoroj parolas kore, sed koncize. Sole s-o Isbrücker, kiu havas la pasian kutimon paroli per alegorioj kaj anekdotoj, regalis la publikon per anekdoto, pri kiu neniu, bedaŭrinde, povis ridi, ĉar ĝi estas jam tro maljuna kaj pri maljunuloj ĝentilaj homoj ne ridas... Ĝi estas la anekdoto pri la gesta lingvo, trovebla en la Fundamenta Krestomatio, kaj mi ne scias, kian aplikeblecon ĝi havis en la solena malferma kunveno.

La prezidanto de l' kongreso, s-o Steiner, sentis sin tiom ekscitita, ke li multon forgesis en sia alparolo. Li menciis pri la morto de Rob. Kreuz, kies memoron la publiko honoris per ekstaro, sed li tute forgesis honori la ombron de John Merchant, la prezidinto de I. C. K. — Tio estis vere malagrabla momento kaj oni estus povinta forigi tiun malbonan impreson, se oni almenaŭ dum la unua laborkunsido estus doninta saluton al la memoro de John Merchant. Sed la kongreso havis tiom da »laboro«, ke oni entute pri tiu honora devo forgesis... Kompreneble, ne la kongresanoj forgesis, sed la prezida komitato. La kongresanoj bone memoris pri John Merchant kaj vigle komentis la neglektemon aŭ distritecon de la prezidantaro.

## L' AŬTUNA VENTO

— Lali Blond —

La lastaj sunoflamoj per ruĝo ruste ora
kisas solecajn suprojn de la arbar' angora,
sur la foli-tapiŝo mol-kora, velk-odora
vagadas mi sencele kun vango palkolora.

Kun vango palkolora, kun koroprem' aŭtuna,
sola mi vagas sur la tapiŝo flave-bruna,
en pala oro de la arbaro flavkostuma
aŭdiĝas nur murmuro de l' vento triste zuma.

Kaj dum mi vagas sola en la krepusk' flamanta,
per ŝtela ĉirkaŭbrako, per flato ruze lanta
enretas mian koron la voĉo softe kanta

de ĉi muziko plenda, plena de larm', lamento,
de malesper' senpova, de peko kaj pripento:
kiun sur koroj tristaj ludas l' aŭtuna vento...

---

Simbolan signifon havis la ceremonio en kiu Prof. Bujwid, lerneja kolego de l' majstro, kune kun la malgranda Ludoviko Zamenhof, la nepo de l' majstro, je la sonoj de nia himno alportis sur la podion la flagon de la Bulonja kongreso. La standardon portis du homoj: unu, maljuna veterano, kiu al nia afero oferis multajn jarojn da netaksebla laborado, sian multvaloran subtenon de mondkonata scienculo, kaj la dua, juna knabo, reprezentanta la generacion kiu post kelkaj jaroj transprenos en siajn manojn la gvidadon de nia movado kaj de tiu generacio definitive dependos la pli aŭ malpli proksima venko de nia afero.

La humorplenan festparoladon de Leo Belmont, kiu ĉiumomente eksplodigis ridon en la unuaj vicoj de la publiko, mi bedaŭrinde malbone aŭdis, ĉar la oratoro parolis tro mallaŭte. Lia nekontentiga sanstato ne permesis al tiu orbuŝa paroladisto montri al ni sian grandan oratoran talenton.

Mankis entute Esperantistoj el Hispanujo, Sovetio kaj Germanujo. Sed kiam la reprezentanto de la ĉehoslovakiaj germanoj energie deklaris, ke la germana popolo restas malgraŭ ĉio demokrata, kaj la germanaj Esperantistoj — fidelaj al la Zamenhofa idealismo, tiam uragano de aplaŭdoj kaj vivukrioj trakuris la salonon kaj el tiu jubilo oni facile povis konkludi, kiom neŝirebIe kunligita kun la principoj de demokratio kaj kulturo komunehoma estas esence la Esperantismo. Ĝi estis impona kaj multsignifa demonstracio kontraŭ la barbara leĝo malpermesanta en la Tria Regno la uzadon de nia lingvo kaj la organizan vivon de niaj samideanoj; niaj gvidantoj lernu fine la tute klaran moralinstruon el tiu demonstracio. Ili fine konsciu kaj komprenu, ke greftado de ultranaciistaj ideoj sur la grundon de nia movado iutage kruele venĝos sin kontraŭ ili mem, ke ruza aplikado de falsa neŭtraleco ĉie, kie oni deziras favori ekstreman naciismon kaj faŝismon, kaj maldelikata elturniĝado kiam devas esti substrekita la liberala kaj demokrata karaktero de nia movado, povas fine nur malutili nian movadon mem, ĉar malgraŭ ĉiuj atencoj de pluraj eĉ eminentaj »samideanoj« kontraŭ la esenca animo de nia afero, la Esperantismo estis kaj estas grandioza movado idea kaj socia, kun malamika sinteno al ultranaciismo kaj fondita sur la bazo de Zamenhofa idealismo. Tia almenaŭ ĝi estas tiom, kiom ĝi koncernas la t. n. neŭtralan movadon.

La solena malferma kunveno finiĝis ĉ. la 22-a horo. Ĝi postlasis nenian profundan impreson malgraŭ la tuta pompo. Mankis animo, mankis spirito, mankis entuziasmo. La amaso atendis, ke oni diros al ĝi, kio estas la Esperantismo, por kiuj celoj kaj idealoj ĝi devus batali. Ĉiam dum la solena malferma kunsido la Esperantistoj repensas al la gloraj tagoj de nia movado, en kiuj la Majstro konkretigadis ĉiufoje sian kaj nian programon, stimulante la anaron por idea batalado. Iuj povis al tiu programo ne konsenti, sed ĝi tamen estis programo. Hodiaŭ prez. Steiner parolis pri alia programo: pri la programo de l' ekskursoj, pri tiaj kaj aliaj biletoj. k. t. p. Malsolena soleno. Bedaŭrinde.

Mi ĝojis, kiam la malferma kunsido estis finita. Dum tia duhora sidado, eĉ en la senkompare, impone bela festsalonego, iu estus povinta morti de tedo. Je nia eliro el la festsalonego, en la freŝa aero, kaptis nin rava, fabela bildo: sur la nigra fono de nokta mallumo dronis la mondfama urbodomo de Vieno en feaja lumo. Tiun-ĉi sorĉan festiluminadon la Urbo aranĝis honore al la kongreso.

Kiel lasta programpunkto en la kongresa libro por sabato figuris la *surprizo:* la ĝeneraldirekcio de aŭstriaj tabakfabrikoj donacos al ĉiu kongresano skatolon kun cigaredoj. Vera surprizo estis, ke la anoncita surprizo ne estis plenumita.

La dimanĉan tagon inaŭguris kelkaj katolikaj, protestanta kaj israelida diservoj. Por ne elmeti min al la kolero de tiu aŭ alia eklezio mi decidis ĉeesti neniun el la diservoj. Sed laŭ tio, kion mi pli poste eksciis, la plej solenan karakteron havis la katolika diservo en la vidinda votivpreĝejo, celebrita de kardinalo Dro Innitzer. Pluraj fervoruloj kiuj »vivas la kongreson« precize laŭ ĉiuj detaloj de ĝia programo, ĉeestis kompreneble du, kelkaj eĉ tri diservojn. Oni, sekve, tute ne povas plendi pri malbonaj rilatoj inter la Esperantistoj kaj la ĉielo. Oni sole povus riproĉeti, ke dum la esperantistoj donas tiom multe el si al la ĉielo, la ĉielo donas tiom malmulte al la esperantistoj.

Je la 10-a matene okazis ceremonio, kiun ni vidis la unuan fojon dum univ. kongreso. Prezidanto Bastien metis florkronon sur la tombon de la nekonata soldato. Estas interese, kio inklinigis la org. komitaton al tiu aranĝo? Eble la fakto, ke prez. Bastien estas generalo? Principe, mi tute ne estas kontraŭ tiaspeca demonstrado de niaj pacifistaj aspiroj, se ĝi nur estas akompanata de trafa interpredato. Sed mi opinias, ke pacifistan demonstracion, oni devus fari en la kongreso, en la kongresaj kunsidoj mem, sed tian klaran eldiron de niaj idealoj, de nia sociala vidpunkto, niaj aŭtoritatuloj timegas kiel fajron. Oni povus ankoraŭ — gardu Dio! — aklami ilin pacifistoj, demokratoj, perfidantoj de l' patrujo, socialistoj, framasonoj, judoj!

La dimanĉa ekskurso al Schönbrunn, la vizito al la imperiestra kastelo kaj zoologia ĝardeno, havas — miaopinie — nenion komunan kun la kongreso, kiel ĉiuj ceteraj ekskursoj. Priskribon pri tiuj kaj multaj aliaj vidindaĵoj de Vieno vi trovos ja — kaj priskribon pli lertan — en iu ajn gvidlibro aŭ flugfolio. La tago estis varmega, la sunbakata verda homamaso soifis refreŝiĝon, do ĝi rifuĝis en la ĝudonan ombron de la Schönbrunna parko. La bela naturo sukcese efikis. Intermiksiĝis nacioj, gentoj kaj popoloj. Ekkveris junaj homoj en la bela nova lingvo. Ekbatis pli forte koroj de gejunuloj, kiujn dividas ŝajne malsamaj kulturoj, malsamaj tradicioj, malegalaj interesoj. La fundamento de l' mondo tremas? La popoloj freneze kaj furioze ekstaras unu kontraŭ la alia. Ho, tio estas verŝajne miskompreno, fabelo de malbonaj, malicaj homoj. Ĉi tie, en la ravaj anguloj de l' belega Schönbrunn la Esperantistaj gejunuloj ne volas scii pri similaj aferoj, ne volas kredi ilin. Ĉi tie parolas koro al koro, buŝo al buŝo. Ĉi-tie la granda mondo kuŝas antaŭ iliaj piedoj

kiel malnova ĉifita pilko. Okcidento kaj Oriento, sudo kaj nordo kunplektiĝas ĉi-tie nedisŝireble. El la plejprofundo de ilia memo, de ilia subkonscio elmergiĝas tio kio estas la esenco de ilia vivo, de ilia estado: la homeco. Ĉu estas eble, ke ilin dividas tiom multaj baroj? Ĉu estas eble, ke vi, estona knabino, staras neligeble malproksime de la serba junulo, kiu ĉi-momente sidas kun vi sur komuna benko? Ĉu estas eble, ke la ĉarma ĉinino, promenanta en la silento de l' arboj, ne komprenas sian francan akompananton? Ĉu tio estas nur pozo, ĉu ŝajno sole? Demonaj fortoj penas konfuzi la klarecon de miaj pensoj. Nigraj potencoj klopodas altenŝraŭbi la malamon kaj malamikecon inter homoj, inter popoloj kaj gentoj. La homaro ŝrumpas en konvulsiaj doloroj. Sed la resaniĝo venos, devas veni. Ne la tuta organismo de l' homaro estas gangrenunita. La nigrajn potencojn kontraŭstaras potenco de sento kaj racio. Ero de ĝia ĉeno estas la vera Esperantismo. Kaj vera Esperantisto estas vera paca batalanto.

La paca batalo inter la multaj verdaj gejunuloj en la aleoj de Schönbrunn tutcerte finiĝis sukcese.

La vespera prezentado de la »Blanka Ĉevalet« estis nediskuteble la plej grandioza pozicio de la kongreso. Abstraktante de la ĝeneralaj valoroj de tiu mondfama opereto de Benatzky (riĉeco de l' melodioj tiom popularaj kaj facile »falantaj en la orelon«, abundo de bonhumoro en la teksto, la t. n. »libreto«), mi devas kun vera ĝojo substreki la surprize bonegan prononcadon de la geaktoroj, kio kaŭzis, ke la ĉ. 1500-kapa publiko travivis unikan emociriĉan kaj ĝuplenan vesperon. La amaso jubilis, interrompante ofte la scenojn per frenezaj aplaŭdoj. La ekstazo definitive forigis la limon inter la scenejo kaj publikejo. Senlima entuziasmo kaptis kaj obsedis la amason. La teatro ŝanĝiĝis en ian nekutiman feston de la nekutima popolo: La Verda Popolo. Fine la geaktorojn mem kaptis tiu febro. Ili ne plu ludis, sed kunvivis tiun nespertitan ĝojon, tiun ekstazon. Kaj kiam post la lasta akto la uraganaj aplaŭdoj iom kvietiĝis, la herooj de l' vespero, la membroj de l' trupo solene promesis lerni Esperanton. Do elmontriĝis, ke ili ludis tiel bone, tiel senĝene, eĉ ne sciante la lingvon! Tiom pli granda sukceso. Kaj mi uzu la okazon esprimi al ili sur tiuj-ĉi paĝoj en la nomo de ĉiuj ĉeestintoj la plej koran, plej sinceran dankon. Al la aktoraro kaj reĝisoro.

Kaj al la lerta tradukinto de l' teksto, al Nikolao Hovorka, estu dirita nia amika danko.

La brila sukceso de tiu vespero en la Raimund teatro restos ĉiam en nia memoro, kiel potenca manifestiĝo de la vivanta lingvo Zamenhofa.

La lunda tago estis dediĉita — laŭ la programo — al tagmanĝo kaj ekskursoj. Tiuj kiuj partoprenis ambaŭ »kongresajn« aranĝojn, opiniis, ke la ekskursoj estis pli bonaj ol la tagmanĝo. Sed pluraj aktivaj samideanoj, kiuj ne ekskursis, preskaŭ ne havis ankaŭ tempon por tagmanĝi, ĉar ili private kunsidis por debati dum la tuta tago pri aktualaj problemoj de nia movado. Se la kongresa komitato tiom malmulte zorgis pri la kongresa laboro, ili devis mem tiun eraron korekti. Unu el tiuj kunsidoj okazis sur la kastela ŝtuparo sur la Heldenplatz. Ĉeestis ĝin dekkelkaj konataj aktivuloj kaj ilia interesa kaj varma diskutado malkaŝis, kiom granda kaj ĉiuflanka estas la opozicio kontraŭ la lastaj paŝoj de U. E. A. Oni decidis aranĝi ĝeneralan sturmatakon kontraŭ tiu malĝusta »politiko« de UEA, dum la morgaŭa unua laborkunsido. La apartaj paroladontoj ricevis la necesajn direktivojn kaj la taskon paroli precize en kadroj de sia temo.

Dume la amikojn de Lit. Mondo atingis la novaĵo, ke posttagmeze alvenas Vienon Kalocsay. Kaj laŭ speciala invito kunvenis vespere en la restoracio de Volksgarten ĉ. 30 amikoj kaj kunlaborantoj de nia gazeto por en intima rondo kaj vere kolega agordo pasigi plezurriĉajn horojn. La bona vino regalita de Bleier agordis niajn verkistojn kaj poetojn tre bonhumore. Spritaj tostoj, amika babilado alten levis la animojn kaj kreis vere liberan, senĝenan atmosferon. Similaj liberaj kunvenoj de niaj literaturistoj devas fariĝi daŭra tradicio dum la univ. kongresoj. Tio estas necesa ne nur por plifirmigi la kolegajn rilatojn kaj senton de solidareco inter niaj verkistoj, sed ankaŭ por doni al ili la realan eblecon libere priparoli la diversajn problemojn de nia literaturo, kies normala disvolviĝado estas plej fidinda pruvo pri la natura kreskado de nia afero ĝenerale.

Ne forgesu, ke finfine la Esperantismo estas esence lingva movado kaj ke la ĉefa premiso de progresado de lingva movado estas kaj devas esti la literaturo de tiu lingvo. Konstanta pliriĉiĝado de nia verkaro — kvalite kaj kvante — garantias al nia movado fortikecon kaj sekurecon.

Tial neniam tro granda estas nia aprezo al la nediskuteblaj meritoj de la eldonejo de Literatura Mondo, kiu per rimedoj vere modestaj sukcesis krei literaturan centron, blovi en ĝin vivdeziron kaj vivkapablon, zorgi pri konstanta altigado de ĝia nivelo kaj doni tiamaniere al nia movado la plej fortan kaj plej certan apogon.

Estis jam malfrue post noktomezo, kiam ni kun plej agrablaj impresoj kaj kun bonega humoro forlasis la kunvenon.

Mardo estis sendube la plej vigla kaj laborriĉa tago de l' kongreso kaj supozeble pro tio ĝi komenciĝis per diservo (en la Minoriten-preĝejo). Neesperantisto, trarigardante la kongreslibron, povus efektive supozi, ke la esperantistaro estas ia religia sekto, kies sola afero estas diservoj kaj refoje diservoj! La kongreso en Vieno enhavis nur 2 laborkunsidojn (el kiuj la dua estis nur parodio de laborkunsido), sed 5 diservojn! Por la sekvaj kongresoj mi kuraĝas proponi inversan ordon: kvin laborkunsidojn kaj nur du diservojn.

La unuan laborkunsidon, kiun precize je la 9-a matene malfermis generalo Bastien, ĉeestis ĉ. 200 personoj kiuj elmontris grandan interesiĝon pri la aferoj de nia organizo. Per konciza parolado prez. Bastien prezentis la nunan situacion de UEA kaj la necesecon — laŭ la opinio de ĝia komitato translokigi UEA al Londono, kie vivas ĝia nuna direktoro, s-ano Goldsmith. La biblioteko estas transportota al Vieno kaj kunigota kun la tiea ŝtata Intern. Esp. Muzeo. La propaganda fako troviĝos en la lertaj manoj de komitatano Malmgren en Svedlando.

La malnova UEA staris ĉe abismo. Minacis al ĝi bankroto kaj disfalo. Urĝis savo. La nuna komitato de UEA kredas alporti per siaj supre skizitaj decidoj radikalan helpon.

D-ro Medrkiewicz petas la parolon. Li rilatigas sin al la statuto de UEA kaj pruvas, ke laŭ la svisa leĝo oni ne rajtas translokigi la asocion al fremda lando. Li dubas cetere, ĉu per tio la komitato sukcesos ŝpari. Li emfazas la historian kaj tradician signifon de la ĝisnuna sidloko de UEA Genevo. D-ro Medrkiewicz prezentas rezolucion, laŭ kiu la sidejo de UEA restu en Ĝenevo.

S-ino Dresen kritikas la estraron de UEA, kiu malebligas al la relative grandnombra Esperantistaro de Estonio aparteni al UEA.

S-o Ŝapiro ne komprenas la paradoksan agon de la komitato, kiu volas transporti — eĉ kontraŭ la svisa leĝo! — la oficejon al la nova direktoro en Londono, anstataŭ — kio estus pli simpla kaj malpli kara — venigi la novan direktoron al Ĝenevo. Li substrekas la danĝeron transporti la bibliotekon de UEA en Vienon kaj kunigi ĝin tie kun la Int. Esp. Muzeo, kiu estas ŝtata institucio. La biblioteko tiamaniere fariĝus propraĵo de la Aŭstria ŝtato kaj la Esperantistaro, resp. UEA neniam plu havus rajton disponi pri ĝi, por ne paroli jam pri la principa danĝero de politika naturo, minacanta al Esp. biblioteko, kiel ekz. en Germanujo. Oni devas sobre kalkuli kun ĉia eventualaĵo.

Per akraj paroloj s-o Lejzerowicz prezentas la spiritan senfortecon de UEA, al kiu mankas la idea bazo kaj kiu pro tio perdas sian elementan ekzistorajton.

Esperanto estas granda socia movado, kies idea karaktero devas esti deklarita, sed ne filatelista butiko, kies posedanton absolute ne interesas, kiu kaj kio estas lia kliento. Li aludas al la kolonja kongreso en 1933 kaj demandas

kion niaj gvidaj instancoj atingis per koketado al la hitlera reĝimo? Ĉu tion, ke en la Tria Regno oni definitive malpermesis la disvastigadon de Esperanto kaj fermis ĉiujn E-grupojn kaj gazetojn? Li rilatigas sin al la statuto de UEA kaj postulas forigi el ĝia membraro tiujn elementojn kiuj predikas rasan kaj gentan malamon kaj daŭre provokas konfliktojn. Li alvokas la gvidantojn de UEA sekvi la vojon montritan de Zamenhof kaj prezentas rezolucion, laŭ kiu UEA reaktualigu la Bulonjan deklaracion.

Per tondraj aplaŭdoj la ĉeestantaro vigle subtenis la parolojn de Lejzerowicz, kaj denove estis pruvita la senkompromisa sinteno de la Esperantistaro kontraŭ la antikultura kaj antidemokrata agado de iuj elementoj en nia movado.

S-o Goldsmith, la nova direktoro de UEA, klarigas, ke la elspezoj de la oficejo en Londono estas malpli altaj ol en Genevo, li esperas eviti deficiton kaj eĉ akiri debetan saldon.

Parolas ankoraŭ prez. Bastien, kiu tamen nenion novan aldonas al sia malferma parolado, kaj oni decidas tiun tre viglan kaj interesan diskutadon prokrasti ĝis la sekva laborkunsido, ĝis vendredo. Ĉu la komitato esperis, ke ĝis tiam koaglos la fervoro de la oponantoj? Eble. Fakto estas, ke neniu el la kritikintoj ricevis respondon kontentigan. La komitato simple ignoris la oponintojn, distancumante ilin per kelkaj ŝablonaj vortoj kaj abrupte fermante la kunsidon. La estontaĵoj pruvos, kiu pravis.

Per tiu laborkunsido, kiu ebligis al la interesiĝantoj orientiĝi en la nuna situacio de UEA, la vera, t. e. labora parto de la kongreso estis likvidita. Tio, kio okazos de nun ĝis la fino, la fakaj kunsidoj en ĉambroj brilantaj de malpleno, la ekskursoj kaj denove ekskursoj, ne alportas honoron al la kongreso. Iafoje dum la sekvaj tagoj ekflagros ankoraŭ kongresa flameto, kiam kelkaj aktivaj gesamideanoj kunvenos en iu kafejo por pridiskuti komuninteresajn aferojn (kiel ekz. la kunveno de ĉeĥoslovakaj Esperantistoj), sed ĉiuj similaj kunvenoj estis absolute privataj aranĝoj kaj havis nenian komunan kun la kongreso. Pluraj el tiuj kunvenoj alportos sendube gravan utilon al nia movado en tiu aŭ alia loko, ĉar ĝis nun la privata iniciativo en nia movado ĉiam ankoraŭ estis pli efika ol la iniciativo de niaj ĉefaj instancoj.

Do, kiel dirite, la kongreso kiel kolektiva vivo, fakte ĉesis jam ekzisti. Eble ĝi ankoraŭ ekbrilos lastforte dum la balfesto en la festsalonegoj de Neue Burg, vendrede vespere. Ĝis tiam centoj da kongresanoj, kiuj estas nek sufiĉe monhavaj, por ĉiam ankoraŭ ekskursi, nek sufiĉe aktivaj por partopreni la menciitajn amikajn privatajn kunvenojn, migris lacaj kaj enuaj tra la strategoj de Vieno, vane perdis tempon, frapante al la pordoj de fakkunsidoj, kiuj grandparte tute ne okazis aŭ tiom tedis, ke oni nur bedaŭris sian alvenon. Kaj tamen por »finvivi« la tutan kongresan programon tiuj bedaŭrindaj kaj kompatindaj fremduloj devas pentofari en Vieno ankoraŭ 5 plenajn tagojn! Kion fari pri tiom da libera tempo? demandas min amiko, kiu konas Vienon tre bone, kaj venis tien sole por »kongresi«, por ĝui la kolektivan agadon esperantistan, laborkunsidojn, kiuj informus lin detale pri ĉio kio koncernas nian movadon kaj interesas lin. La kongresejo estas de nun jam daŭre malplena, (la kongresanoj aŭ ekskursas aŭ vagas fantome tra la urbo).

La organizontoj de la sekvaj kongresoj nepre memoru, ke la mil aŭ dumil personoj, venantaj al la kongreso, devas havi dum la tuta daŭro de la kongreso *kolektivan* okupon, kaj tiucele oni devas prepari plimulte da laborkunsidoj, kiuj vekos ĉe ili interesiĝon kaj plantos en ili fervoron por plua agado. Aliflanke, la kongreso devas uzi la okazon kaj organizi grandskalajn kolektivajn demonstraciojn, kiujn amaso ĉiam volonte partoprenas. Per nuraj ekskursoj (la ĵaŭda tago estis *tutplene* destinita por ekskursoj »aparte pagotaj«!) diseriĝas sole la energio de tiu amaso, kiu volas havi almenaŭ la iluzion, ke ĝi kongresis. Ĝi estas ironio, se ne moko, kiam oni venigas el preskaŭ 30 landoj pli ol mil homojn, el kiuj almenaŭ 500 estas aktivuloj, por ĉiutage kaj foje eĉ dum la tuta tago lasi ilin admiri la certe belegajn ĉirkaŭaĵojn, kaj ilian »kongresavidon« likvidi per unu duhora laborkunsido (mi ripetas: la dua laborkunsido tute ne estis grava. Kun la revojaĝbiletoj en la poŝo ĉiu sole atendis la momenton, kiam la prezidanto fermos la kongreson). Per tio mi ne volas riproĉi la organizan komitaton. Ho ne, tute ne! Kontraŭe. La organiza komitato plene meritis nian dankon, nian plej koran kaj varman dankon pro la vere lerta kaj bonega organizo. De teknika vidpunkto ĉio marŝis precizege kiel horloĝo (kiel bona horloĝo, kompreneble). Kaj ne estas la kulpo de la Loka Komitato, kiu devis per ekskursoj, diservoj kaj iluziaj fakkunsidoj fliki la programon de la kongreso. Pri la banaleco kaj malriĉeco de la kongreso absolute respondecas la komitato de UEA, kiu ja fiksas la kongresan programon.

Post mia reveno el Vieno, mi legis en gazeto de mia urbo artikolon de neesperantista jurnalisto, kiu observis la kongreson kaj sincere konfesis, ke ĝi tute ne havis programon! Se tia estis la impreso de homo, kiu staris flanke de l' kongreso kaj kies opinio supre menciita certe ne faras bonan reklamon por nia afero, kion tiukaze diru tiuj centoj da homoj, kiuj fervorplene elspezis multe da mono esperante travivi veran Esp.-semajnon kaj kiuj fine maldolĉe seniluziiĝis!

Sabate matene en la dua laborkunsido kelkaj fervoruloj klopodis ankoraŭ daŭrigi la diskutadon abrupte interrompitan en la marda kunsido, sed sensukcese. La kongreso estis jam agonianta. Nervoze kaj senpacience oni likvidis la malmultajn punktojn de l' tagordo. Malmgren faris paroladon pri propagando, sed estis videble, ke neniu atentas ĝin. La publiko rapidis. Varsoviaj Esperantistoj faras la invitparolon por la venontjara jubilea kongreso. El privataj interparoloj ni ekscias, ke ĝi promesas esti vere jubilea festo, tamen ne sen laborriĉa programo. Hartmann, la sekretario de la LKK, promesas 5 laborkunsidojn!



**Desegnaĵo de neinstruita kamparana artisto: István Buti**

Sekvas dankoj, laŭdoj, deziroj kaj gratuloj. Kaj s-o Isbrücker ne povas ne rakonti ian anekdoton pri hundoj, pri kiuj la kongresanoj, malfeliĉe, ne scias, ĉu ridi, ĉar oni ne scias, kiun la hundoj reprezentas. Sed ankaŭ tiu malagrablaĵo pasas. S-o Petit, la galanta franco, dankas al la LKK, al s-o Steiner kaj liaj filoj, al s-o Frey, al ĉiuj, ĉiuj, ĉiuj. Kaj al la ĉarmaj kunlaborintinoj li enmanigas florojn kaj surbuŝigas kisojn.

Lastminute ni ekscias, ke nia prezidanto, gen. Bastien la antaŭan tagon fariĝis avo (cetere jam la kvinan fojon), kaj ke varsovia samideanino fianĉiniĝis al ĉeĥa esperantisto en Praha. La anaro ekkantas la himnon, la prezidanto fermas la kongreson. Adiaŭdiroj rapidaj, amikaj manpremoj, kelkaj abruptaj vivukrioj — kaj post duonhoro la kongresejo estas malplena.

La kongreso mortis. Vivu la kongreso Varsovia!

# Pasis la kongreso . . .

— Helmi Dresen —

Pasis la kongreso. La kongresanoj ree estas hejme kaj devas rakonti kaj raporti pri la kongresimpresoj. Do oni raportas: t. n. solena malfermo en imperiestra festsalonego; opereto »Blanka Ĉevaleto«, t. n. Somera Universitato; ekskursoj en la ĉirkaŭaĵon de Vieno; kongresa balo; du trihoraj laborkunvenoj — ĉio same kiel ĉiujare. Tamen, laŭ la opinio de multaj, la malfermo estus impresinta pli solene, se dum ĝi oni ne estus leginta al ni programpartojn el la kongreslibro; la opereto estus pli sukcesa se la vere bonan prezentadon de la profesiaj aktoroj akompanus bona orkestro; la Somera Universitato estus pli konsiderinda, se per siaj plejparte kvaronhoraj »prelegoj« ĝi ne similus pli Vivan Gazeton ol Universitaton; la turismaj aranĝoj pli logus, se ili ne estus tiom multekostaj; la kongresbalo nur gajnus, se la elekto de bel-reĝino aŭ tute ne okazus aŭ estus aranĝita en pli atentiga kaj malpli konfuza maniero; estus pli bone por nia movado, se la laborkunvenoj okupus en la programo de la kongreso tiom da loko, kiom ili fakte meritas. Tute ne estas facile raporti tiamaniere: unuflanke konscii, kompreni, kun kiaj fortostreĉoj, esperoj kaj amo por la afero la LKK klopodis doni al la aliĝintoj ĉion, kio ŝajnis al ĝi plej bona kaj prezentinda, kaj aliflanke konstati, ke ne tio estis donita kion unuavice oni volus ricevi, ke ree okazis ne kongreso, sed nur agrabla, plezura Esperantosemajno . . .

Se dum la unua laborkunveno de la U. K. en Vieno al la estraro de UEA kelkaj samideanoj ne estus prezentintaj demandojn pri la problemoj de UEA, devigante per tio ĝian estraron doni kelkajn anemiajn klarigojn, ne sufiĉantajn por doni al la kongresanoj klaran kaj veran bildon pri tio, kio okazas en kaj ĉirkaŭ UEA, per kio do oni estus pleniginta la senprograman laborkunvenon? Verŝajne ĝeneralvorta enkonduka parolado de la prezidanto de UEA, iaj senenhavaj salutparoloj, propaganda parolado de reprezentanto de ia banurbo — jen ĉio! Dio mia! Kion do pensas la gvidantoj de nia movado, kuraĝante inviti nin al tia »laboro«!? Ĉu ne estas malpropagando por Esperanto, ke neesperantista korespondanto de granda ruslingva gazeto »Segodnja« en Riga, kiu ĉeestis la kongreson, en sia ampleksa felietono »Esperantio« ironie notas: »Kaj programo? Ĝi preskaŭ ne ekzistas. Kongreso sen programo!« kaj »Jes, programo ne ekzistas. En la t. n. programo tamen abundas ĉiaj ekskursoj, akceptoj, amuzoj, prezentaĵoj«.

Al la novaj esperantistoj ni multe rakontas dum kaj post la kurso pri niaj Universalaj Kongresoj, tiel ke ili eksopiras viziti ilin. Kelkajn el ili — ĉu feliĉo? — fortimigas la alta kongreskotizo, aliaj aliĝas kaj vojaĝas al Esperantujo. Kompreneble, multaj el tiaj novuloj ne estas ankoraŭ veraj adeptoj de la Esperanto-ideo, ankoraŭ ili staras nefirme en la Esperanto-grundo, do estus tasko de la kongreso, de ĝiaj laborkunvenoj kun iliaj bonpripense preparitaj programoj, traktantaj la ĉiam aktualajn problemojn de nia movado en tiu ĉi medio de spirita internacieco, eduki ilin, ekbruligi en ili la helan flamon de la entuziasmo, por ke ili forlasu la kongreson kiel konvinkitaj esperantistoj, pretaj samkiel la meritplenaj pioniroj oferi sian energion por nia granda idea movado. Sed, bedaŭrinde, okazas male. La nemultaj laborkunvenoj dronas, apenaŭ rimarkate, en la amuzomaro; en plej bona okazo la novulo povas konvinkiĝi, ke li povas paroli kun la anoj de plej diversaj nacioj, sed nun, kiam oni propagandas la aranĝadon de neesperantistaj turismaj karavanoj al la kongresoj, povas ankaŭ facile okazi, ke anstataŭ Esperanto li aŭdos lingvojn naciajn, tiom pli, ke ankaŭ la samlandaj esperantistoj kutimas paroli inter si preskaŭ ĉiam nacilingve. Do se tia novulo-esperantisto rehejmiĝas de la kongreso, li aŭ konservas la intereson nur por la facila, amuza lingvo Esperanto aŭ — se li estas serioza homo — forlasas la movadon, seniluziiĝinte pri ĝia seriozeco.

Kaj la malnovaj esperantistoj, kial ili vizitadas la kongresojn? Ĉu por aŭdi la ĉiam ripetiĝantajn salutparoladojn, por danci Esperante aŭ ofte por rigardi prezentaĵojn, nacilingve neniam rigardotajn en la hejmlando? Ne, ŝajne tio okazas laŭ ia kutimiĝo, parte ankaŭ por renkonti malnovajn amikojn, alie malfacile renkonteblajn. Mi persone restis »kontenta« pri la »kongreso« ĉefe dank' al la eblo renkonti la kunlaborantojn de »Literatura Mondo«. Entute meritas nian dankon s-o Bleier, kiu aranĝis kunestadon de kunlaborantoj de L. M. Kolektiĝis pli ol dudeko — Kalocsay, Waringhien, Totsche, Newell, Lejzerowicz, Leo Belmont k. a., el kiuj multaj renkontis unu la alian unuafoje persone. En ŝerca maniero s-o B. prezentis la kunvenintojn, notante ĉe tio ankaŭ la pseŭdonimojn, uzatajn de la koncerna verkisto, ekz. »konas bone Lali Blond«, »intima amiko de Alex Kay«, ktp. Kiom da surprizoj!

Sed ni ne deflankiĝu, ni ree parolu pri la Universalaj Kongresoj de Esperanto.

Estas klare, ke tiel ne estas eble daŭrigi.

Nun ni staras sur la sojlo de la kvindekjaro de Esperanto — kiel ni inde festu ĝin en Varsovio? Vane la gvidantoj de nia movado taksas tre malalte la Esperantopopolon: ne nur la komitato de UEA devas labori, labori deziras ankaŭ la ceteraj esperantistoj, kiuj tiel multnombre ĉeestis la laborkunvenojn kaj el kiuj multaj ne havis la eblon eldiri siajn eble tre interesajn opiniojn pro tio, ke la kunventempo estis limigita, ĉar atendis tagmanĝo kaj turismaj aranĝoj!

Al mi ŝajnas, ke bone ni povus en niaj laborkunvenoj paroli kaj diskuti pri la organizo de nia movado, pri la metodoj kaj ebloj de propagando, pri la evoluo de la lingvo Esperanto kaj pri ĝia literaturo traduka kaj originala, pri nia gazetaro nacia kaj internacia, pri la fakaj organizaĵoj, pri AELA, pri la instruado de Esperanto kaj ĉiuj aliaj problemoj, senĉese okupantaj la pensojn de ĉiu vera adepto de Esperanto. Bonaj referantoj prezentu ideojn por posta diskutado, povanta doni utilajn

indikojn al la agantoj. Ne sufiĉas ĉi-rilataj artikoloj en la Esperanto-gazetoj — unufoje jare ni povas paroli pri niaj »doloraj demandoj«, kial do — ĉu senpripense, ĉu intence — oni senigas nin je tiu ĉi eblo?

La programo de la Universalaj Kongresoj devas esti ŝanĝota. Ĉiutage — escepte la ekskursan tagon — okazu laborkunvenoj kun programo, fiksota jam antaŭ la fino de la jaro, la Somera Universitato okupu sin per popularsciencaj temoj ekz. en du posttagmezoj, dimanĉon ni dediĉu al la ekkono de la kongresurbo, unu posttagmezon okazu fakaj kunvenoj, prefere ne multnombraj, sed nepre serioze antaŭpreparitaj, vespere teatro, koncerto, literatura vespero, balo k. a.

Ni provu foje tiel, la rezulto certe estos bona. Almenaŭ ni sukcesos atentigi la gazetaron pri Esperanto kiel kulturmovado, kio ne estas ebla en la nunaj cirkonstancoj. Jam tro longe ni klopodis impresi la ĝeneralan publikon, la oficialulojn, per la ekstera pompo de niaj ĉiujaraj Esperantaj demonstracioj, ni forlasu ĉi tiun vojon kaj sekvu la ekzemplon de la aliaj seriozaj internaciaj kongresoj, kiuj estas taksataj laŭ la farata laboro kaj ne laŭ ekstera brilo efemera.

# PAROLADO

## ĉe la malferma kunsido de la Viena Kongreso

**— Leo Belmont —**

Mi supozas, ke mi alvenis la Kongreson por saluti vin varme en la nomo de l' Varsovia LKK, invitantan vin kore, ĉeesti en la sekvanta jubilea Kongreso, en Varsovio.

Mi *supozas*, ke mi alvenis, ĉar en nia tro saĝa epoko de l' teorio de relativeco Einsteina oni devas paroli singarde; estas eble, ke mi restis en Varsovio kaj la tuta Kongreso Universala alvenis al mi. Pro tiu ĉi granda honoro kaj pro viaj klopodoj mi dankas humile.

Ĉu tiel ĉu alie — ni estas en la tre ĉarma ĉefurbo Vieno, kaj niaj poŝoj, dank' al la afabla Kongres-Komitato, estas jam ĝisfunde ŝtopitaj per elegante eldonitaj kaj tre interesaj broŝuroj pri la mirindaĵoj de l' Vieno kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj; tial permesu, ke mi, en la nomo de ĉiuj gastoj, metu liberan proponon: por ĝui inteligente, komprenante la ĉarmojn de Aŭstrio ni bezonas multon da tempo; do bonvolu *prokrasti la Kongreson* per duono da jaro kaj loki nin en sanatorio, en Burgo nova aŭ malnova — senpage kaj lukse, por ke ni oportune trastudu antaŭ la Kongreso la tutan literaturon porkongresan.

Permesu ankaŭ, al skeptikulo sepdekjara, rimarki en parentezo, ke veturi al kongresoj Esperantaj estas iom sensence. Ĉar eblaj estas nur *tri okazoj:*

Aŭ la kongreso estas efektive tia, kia mi ĝin imagis en fantazio; tiam mi ne bezonas vidi tion, kion mi antaŭvidis per la okuloj de l' imagado — ĝi estus nur ripeto. Aŭ la kongreso realiĝas iom pli malalte ol ni imagis — ne estas do bele ĉeesti en tiu kongreso, por ke ni poste disvastigu hejme malicajn ĉikanojn. Aŭ fine — la kongreso estas pli fortuna kaj pli belega ol ni imagis — (certe tia estos, kiel mi jam antaŭsentas, via Kongreso) — kaj ni ruĝiĝos de honto, ke nia fantazio estas tiel senpova kaj mizera kontraŭ la realo.

Tamen, mi mem devis aperi en la kongreso — ĉar delegis min la oferema Varsovia LKK; ĉar ankaŭ vi afable invitis min, por ke mi faru festan paroladon ĉe la *interkonatiĝa vespero*. Jes! vi trovis min por tio predestinita, kiel Veteranon, Oratoron kaj amikon de l' Majstro.

Nu! *veterano* mi estas — ĉar mi disŝutiĝas kaj polviĝas; aŭ eble mi ne estas veterano, ĉar mi tute ne estas ano de *ĉia* vetero, sed nur *bon*veter-ano!

Se via Komitato nomas min *oratoro*, mi estas tre dankema, ĉar per tio mi rajtas paroli enue kaj sensence; vi tamen estos devigataj raviĝi kaj aplaŭdi pro afableco al la elekto de via Kongresa Komitato.

Sed pli serioza kaŭzo estas, ke mi vere estis *amiko* de nia genia Majstro, Ludoviko Zamenhof... Kaj mi alvenas la nunan kongreson por malkovri al vi lian plej profundan penson, lian misteron, lian teruran sekreton, internegan ideon de Esperanto, ĉar Li petis min, ke mi ĝin malkovru nur en la lasta jaro antaŭ la jubileo kvindekjara.

Do aŭdu! — kvankam ĝi sonos funebre kaj maldolĉe...

Jes! Zamenhof kredis je sia kreajo — li sciis, ke lia lingvo estas *malfacila;* tio signifas, ke tiuj, kiuj ne povas ellerni aliajn lingvojn, ne ellernos bone ankaŭ Esperanton.

Li sciis, ke lia lingvo estas *belsona;* pro tio ankaŭ mi, maljuna avaĉo kun raŭka voĉo, ŝajnos al vi melodia parolulo en Esperanto. Li sciis, ke lia lingvo estas tre *klara;* ĉar kiam oni parolas pri kaprica fraŭlineto, aŭ pri okkapa, t. e. *kap-riĉa* hidro — ekzistas inter ili subtila diferenco: en sonoj *c* kaj *ĉ*.

Zamenhof sciis tre bone, ke lia lingvo estas riĉa; ĉar, kiel Akademiano kaj membro de la Lingva Komitato, mi trovis kelkajn nebezonajn sinonimojn... ekzemple: se ni havas la vorton *pantoflo*, pro kio ankoraŭ la vorto *edzo!*

Tamen, la Majstro estis ne nur genia kreinto de l' Lingvo Internacia, ne nur aŭtoro de l' Himno pri »*Nova Sento*«, aŭ preĝo al »*Dio Nekonata*«, ne nur poeto sidanta sur ore-ruĝaj nuboj, — sed estis li ankaŭ homo sobra kaj psikologo.

Kiel *psikologo*, li bonege sciis, ke vera amo, vera amikeco, vera kompreniĝo de animoj — plej elokvente esprimas sin per la gesto de trankvila dorloto, per la silento de buŝoj sin reciproke kisantaj, per forta manpremo, per divenado de pensoj sen ia ajn vorto. Certe *Eros* laboras sen vortaro — per sagoj. Se junulo daŭre demandas, ĉu li povas kisi junulinon, junulino respondas kolere: *ne* — kaj foriras kaj kisas alian senvorte. La frazo: »mi volus vin kisi« estas sensenca. Sen risko oni ricevos nenion, eĉ ne bonan vangofrapon. Kaj, se li kisis, ĉu ŝi devas demandi: »ĉu ankaŭ mi povas vin kisi?« — ne serĉu en plena akademia vortaro, sed kisu tuj... sen vortaj preparoj!

La membroj de *familio*, se ili estas amikemaj inter si, estas kontentaj sidante kune sen paroloj. La homoj ne amikemaj aŭ reciproke indiferentaj, devas senĉese babili, por ke ili kaŝu sian malvarmon aŭ siajn sentojn malamikajn.

Simile, se *diplomatoj* komencas interparoli kaj interkompreniĝi per lingvo komune diplomata (supozu: franca) — sendube okazos milito. Se la popoloj iam interkompreniĝos — kapitalistoj ĉesos dormi.

Nia majstro tion bone komprenis kaj dum sia tuta vivo li sonĝis — nature en prozo — pri milito de ĉiuj *pacaj batalantoj*. Ankaŭ en versoj, en siaj sonĝoj pri fratiĝo, li montris sian malproksiman celon, dirinte: »*frat' fraton atakas ŝakale*«. Tiuj liaj idealoj efektiviĝis dum la milito tutmonda, en hejmaj militoj inter klasoj, parolantaj per unu lingvo — efektiviĝas nune, efektiviĝos poste.

Nur kiam la esperantistoj kaj la esperantistemuloj ĉesos paroli per lingvo komuna, sed kisos sin kaj ĉirkaŭprenos — la militoj malaperos kaj la popoloj ricevos bonan kaj dolĉan modelon de vera kunfratiĝo per saĝaj gutoj — ne per la vanaj vortoj eĉ de nia ŝatata kaj amata lingvo Esperanto! Tiun modelon enkorpigu tuj dum la interkonatiĝa vespero.

# Vid-al-vide

*- Miĥály Földi* -

Post la meso patro Alberto forlasis la preĝejon, pli ol unu horon promenis en la malpli homplenaj flankstratoj kaj sur la marbordo; poste, plifortiĝante pri sia decido, li ekiris al la palaco de Lihtenfeld. Li anoncigis sin al Muravjev.

Kiam la lakeo malfermis la pordon antaŭ patro Alberto, Muravjev staris antaŭ la lito kaj ĝemetante streĉadis siajn membrojn. Ŝajne la vizito vekis lin el sonĝo. Lia vizaĝo estis malgrasa kaj flave verda, la okuloj inflame sangaj.

— Bonan tagon, patro Alberto — li salutis lace kaj malbonhumore la gaston kaj frosteme kuntiris la matenjakon ĉirkaŭ sia tendena kolo.

La monaĥo apenaŭ povis veni al li en la senorda ĉambro. Libroj, gazetoj, vestaĵoj, skatoloj de cigaredo kaj cigaro, boteloj por brando kaj vino, unuopaj kaj en pli-malpli grandaj amasoj, baris la vojon, kaj lian nazon kaj gorĝon skrape atakis la acideta aero, tanita en tabakfumo.

— Pardonu, ke mi ĝenas vin, mi ne sciis, ke tiatempe vi ankoraŭ kutimas dormi.

— *Mi* petas pardonon pro la malordo. Se mi estus sciinta, ke mi havos la honoron, mi zorgus akcepti vin en ĉambro konvena al via ordemo kaj pureco. Mi petas, prenu seĝon kaj ekfumu. Cigaron, aŭ cigaredon?

— Dankon, mi ne fumas.

— Iom da brando? Mi ankoraŭ havas originalan *kontuŝovska*-n.

— Dankon, mi ne kutimas.

— Mi vere bedaŭras, sed ankaŭ envias vin.

— Min? Kial?

— Kial ne envii? Homo, kiu scias kontentigi ĉiun sian senson per la animo. Tio estas granda afero, sinjoro. Ekzemple, mi havas multe da implikaĵoj kaj malagrablaĵoj pro miaj sensoj.

Tiu ĉi sincera komunikemo agrable surprizis patron Alberto. Li pensis, ke li devos lukti kontraŭ rezervema kaj kruele vortavara estaĵo kiu eble ŝajnigos, ke li eĉ ne komprenas la demandojn kaj skrupulojn.

— Pro viaj sensoj? — li demandis malaprobe sed bonvole.

— Ho jes, sinjoro. Estas terure multe da malagrablaĵoj pri tiuj ĉi malicaj sensetoj. Ili estas konstante maltrankvilaj kaj deziras amuzon. La okuloj deziras vidi, la oreloj aŭdi, la haŭto palpi, la palato pisti delikataĵn kaj kuriozaĵn gustojn, la cerbo konstante pensi, la korpo volas volupti. Terure!... Sed sidiĝu, mi petas, se vi jam estis tiel afabla kaj lacigis vin por min viziti.

Li premis la manon de patro Alberto kaj inter du libro- kaj gazet-montoj kondukis lin al granda violkolora fotelo.

— Ĉu ankaŭ vi opinias tion terura? — demandis mire la monaĥo, kiu sentis en si la disiĝon de tiu malamika sento, kun kiu li venis ĉi tien.

— Ho, terura! La plej granda bato, per kiu oni punis min, estis tiu ĉi homa korpo. Ĝi estas pli malbona ol la infero. La infero havas siajn leĝojn, laŭ kiuj oni povas sin direkti. Tiu ĉi terura kaj ridinda homa korpo havas nek regulon, nek leĝon, nek esencon, nek destinon, se ne nur tion, ke ĝi naskiĝas kaj pereas kaj dume prizorgas, ke la malbeno de la ridindeco konserviĝu kaj daŭru. Estas terure, sinjoro. Min morte tedas tiuj multe da malperfektaj pensoj, kiujn scias krei la homa cerbo. Kaj imagu, mi devas sciiĝi pri ĉiuj ĉi pensoj. Mi morte malamas ĉiun plezuron, kiun povas senti la homa korpo. Kaj tiujn plezurojn mi devas trasuferi. Eble plej agrablaj estas la ĉagrenoj kaj doloroj, ĉar pri ili mi povas almenaŭ rideti kaj ridi. Sed tiu ĉi tiranado de la sensoj... tiu ĉi soifo kaj malkontento... tiu ĉi paŝado samloke... tiu ĉi... tiu ĉi... ĉiam serĉi novon en la malnova kaj neŝanĝita... la nervoj!... la plezuroj kaj volupto... estas nekredeble ĉagrene kaj humilige kaj mi vere miras, ke relative tiom malmulte da homoj freneziĝas kaj tiel malmulte da homoj murdas, ankaŭ inter ili ja troviĝas tiaj, kiuj almenaŭ konjektas la veran sencon.

Patro Alberto atentis kun eksterordinara intereso tiun ĉi simpatian plendon: klariĝis ja, ke la opinio de la timinda fremdulo pri la homa korpo tute konformas al la lia. Li rigardis, rigardis la malgrasan, preskaŭ maldikan kaj nun ĉagrene nervan estaĵon, kiun — li jam ne scias kiel, kial — li imagis multe pli forta, potenca ankaŭ en sia korpa apero. Li regajnis sian trankvilon kaj superecon, ĉar li sentis denove avantaĝon posedante muskolojn, malmolajn ostojn kaj, ĉefe, animan trankvilon.

— Sed, sinjoro — li diris kun milda rideto — vi forgesas, ke la homo havas ankaŭ animon.

— Animon? — demandis Muravjev kaj malestime rigardis al la monaĥo.

— Animon, per kiu li regas sin kaj kreas harmonion inter si kaj Dio.

— La homo ne havas animon — respondis kolerete Muravjev.

La monaĥo leviĝis. — Sed sinjoro — li kriis indigne — tio ja estas blasfemo kontraŭ Dio.

— Eh, ni ne ŝercu, ni estas inter ni! Dio kaj ankaŭ vi bone scias, ke la homo estas senanima bruto.

— Bruto?

— Jes, ja! Troviĝas inter ili kelkaj ĉarmaj, karaj, feliĉaj aŭ malfeliĉaj figuroj, kiuj en tiu ĉi fabrika produktado sukcesis tro bone kaj en kiuj nebulas palaj konjektoj pri tio, ke ekzistas pli altranga ekzisto ol ilia, ke ekzistas spirito, kies unu kaj unu radio kelkfoje falas al ili, kaj kiuj rekonas, ke ekzistas multo trans ilia ostokapo, tiel ekzemple spirito kaj Dio. Estas kelkaj homoj, kiuj konjektas tion, sed ne atingas ja pli ol la malperfektan konjekton kaj ankaŭ la vivo de tiuj kelkaj homoj dronas en la senfunda koto de la brutaro. Ĉar ĝi estas brutaro, kara Alberto, la plej aĉa brutaro!

La monaĥo malgaje balancis la kapon kaj subite li ne povis respondi.

— Pli malhonoran bandon, pli teruran societon, ol tiu ĉi homaro, oni povas trovi nenie. Dolore, mi havas la taskon viziti de tempo al tempo la regnon de la estaĵoj sur la loĝloko nomita Tero. Nu, ekzistas ĉiaspecaj. Troviĝas ratoj, paseroj, agloj kaj vermoj, leonoj kaj ŝafoj, fiŝoj kaj kapreoloj, floroj, arboj, vespertoj, sed ili ĉiuj estas anĝele bonaj kaj simplaj, kompare al la monstro nomata homo. Per kiaj terurajoj ŝtelas la tempon tiu ĉi brutaro jam de miljaroj. Tio estas abomena. Hodiaŭ ĝi

*) Mihály Földi (nask. 1894) estas unu el la plej originalaj talentoj de la hungara literaturo. El lia granda romano — *Al la lando de Dio* — ni aperigas unu tre karakterizan ĉapitron, en kiu la Diablo — prezentita kun eksterordinara aperiga realismo — kaj la Dia reprezentanto duelas por i. a. unu senkulpa homo. La kunplektiĝon de la realo kaj mistikismo tre klare montras la supra ĉapitro. Kiel la leganto jam komence konstatos, Muravjev estas la Diablo en homa figuro.

## Aŭskultado

— Lali Blond —

En Eŭropo, dum aŭtuna
vespero en la milnaŭcenttri-
dekses-a jaro de l' Savinto.

Mallumo. Nur la lampo de l' radio
ardetas kiel fajra punkt'. Sidante
sur seĝ' komforta mi aŭskultas voĉ..n
de l' muzikanta kesto, dum la ĉambro
plena de libroj — de ĉi amikaro
fidela — ĉirkaŭbrakas min per sia
ŝirmanta fermitec' kaj saĝa solo.
Post taglabor' elĉerpa, tede stulta,
ofte tiel kutimas mi pasigi
vesperajn horojn; ve, malĝojoriĉajn,
ek ke mi restis sola sur la tero.

Alterne pelas sin la melodioj,
ĉar se eksilentas ie la muziko,
mi serĉas tuj alian avidmane.
Muzikon, nur muzikon, eĉ ne kanton,
nur harmonion puran, tute puran
de ĉio homa. Mi elfermi volas
la fatajn vortojn de l' ekstera mondo:
droni mi volas en sonoro-ondoj
kaj forgesiĝi pri la raŭkaj krioj
de l' gazetar' bulvarda, kiu ĝue
voluptas pri l' sufera homa karno.
Sed jen dum la serĉad' eksonas firma
virvoĉo kaj informas pri la taga
novaj'. Kiel se iun sorĉ-katenas
rigard' serpenta, kaj sen pov', rigide
atendas li la glitan mort-portanton,
tia torpor' inerta min malhelpas
forturni la serĉilon kaj aŭskultas
gis fino la raporton sang-haladzan.

Post la mutiĝ' de l' aparat' mi iras
al la fenestro. Lante falas pluvo,
sub ĝia peze fala plumbvualo
apenaŭ spiras kelkaj teraj lumoj.
Mi gapas alekstere. Ĉi aŭtuno
kruela, sangavida sufokante
premas la gorĝon. Sed ankoraŭ fruas
via triumfo, ho fruktomurdanta
flortreta aŭtuno! Ja ne ĉiun fajron
kapablas vi estingi, multaj viroj
ribel-rigardas al vi en l' okulojn:
jen en rigard' ilia: fajr' de spito,
en kor' ilia: suno de printempo,
kaj varmo en la konstruanta pugno!

## Vespera sonorilo

— Lali Blond —

Mi kuŝas ĉe l' fenestro jus antaŭ sunsubiro.
En laca pigro palas la firmamenta fono;
kruela varm' julia kun sufokanta spiro
eksidis senindulge sur domo, ajo, homo.

Jam ŝtele ekkrepuskas, fluid-arĝenta brilo
borderas orfan nubon ŝvebantan kiel balono;
de l' fora, fier-svelta, blankvesta kampanilo
mortante al mi ondas la metal-langa sono.

Somera sonorilo! Kia dolor' senvorta
vekiĝas en l' animo je l' lante lula ritmo!
En koro vakse mola la kanto trist-akorda

reŝiras vundon, kiu postsangas kiel stigno:
meze de la somero kun sort-anonca ĝemo
la vibre vaga voĉo parolas pri l' pasemo...

---

estas tia, kia ĝi estis antaŭ du milionoj da jaroj kaj post jarmiliono ĝi estos tute la sama, kiel hodiaŭ. Ĝi estas maltrankvila, nesatigebla, senhonora kaj sentaŭga. Ĝi havus sufiĉe por manĝi, sed zorgas ĉiam pri tio, ke ĝi malsatu. Ĝi havus sufiĉe por ĝoji, sed ĉiam ĝi turnas tiel la okazojn, ke ĝi suferu. Ĝi havus sufiĉe da kaŭzoj por vivi en paco, sed ĉiam ĝi kreas situaciojn por mortigi kaj pereigi. Ĝi havus la eblon ami sin kaj sian genton, sed ĉiam ĝi elce-bumas ion por malami. Ĝi ricevis de Dio etan fajreron el la ĉiela brilo, havas eton da menso, sed ĝi ne uzas tion por ĉirkaŭrigardi en la mondo kaj suprenrigardi al la eterneco, intelekti sian sorton, destinon, lokon en la universo; ho ne! Li uzas tion por rabo, murdo, envio, vanto, malico kaj maksimume ankaŭ por tio, ke pligrandiĝu ĝiaj kapabloj por pereigo kaj por la fabrikado de rimedoj, per kiuj la faro de malhonestajoj estas pli sukcesa. Imagu, kion atingus tiuj bestoj, se ili — de kiam ili sentaŭgas ĉi tie — okupiĝus pri la esenco, kion ili povus fari, ili ja povus vivi senzorge... se ili havus zorgon pri ni...

— Pri ni? — montris lin patro Alberto.

— Pri ni, jes, pri ni.

La monaho paŝis al li.

— Sed kiu vi estas?

Muravjev rigardis furioze en liajn okulojn.

— Mi bone scias, kiu vi estas kaj...

— Mi estas simpla dominika monaho, humila servisto de Dio!

Muravjev gestis neglekte. — Ne gravas, kio estas via nomo kaj kian veston vi portas. Vi apartenas al tiuj malmultaj, kiuj havos animon kaj en kiu la animo eĉ anonciĝas. Tia fenomeno estas sufiĉe malofta ĉi tie, inter la homoj, sed eĉ se ĝi troviĝas malofte, ĝia graveco ne estas tro granda, ĉar ĝia efiko radias al ne vasta cirklo. Tion scias ankaŭ vi. Kaj ankaŭ tion vi scias, ke ankaŭ mi scias tion. Ankaŭ tion vi scias do, kiu mi estas. Blanka estas unu, nigra la alia. Kaj ili unuiĝas en la senkolora.

Lia malgrasa korpo nun etendiĝis, lia vizaĝo leviĝis al tiu de la monaho.

— Ĉu vi scias, aŭ ne — li kriis.

Patro Alberto malgaje fermis la okulojn. Liaj ŝultroj malleviĝis, lia tuta korpo kvazaŭ ŝrumpis. Li reprofundiĝis en la violkolora fotelo, ĝemis kaj kovris la vizaĝon.

— Kaj se vi scias — diris Muravjev — trankviliĝu do pri tio. Tio estas via destino.

La monaho lace malfermis la okulojn.

— Kial vi venis ĉi tien?

— Kial mi venis? — li ripetis la demandon kaj furioze ridis. — Kion vi opinias? Eble mi volas min distri kaj tiom mi idiotiĝis, ke mi ne povus eltrovi distron pli belan, pli saĝan, al mi pli indan? Estas vere ĉagrene, ke eĉ tiel rara, entuziasma homo, tia sanktulo, kiel vi, konstante cirkulas, esploras ĉirkaŭ mi kaj serĉe gapas, eĉ eble volas min forpeli de mia loko. Vi sciis jam en la unua minuto, kiu mi estas kaj de semajnoj mi jam atendas vian viziton. Kial vi maltrankvilas? Kial vi malgajas? Kial vi desegnas ĉirkaŭ mi superfluajn cirklojn? Oni devas trankviliĝi pri tio. Via destino estas kredi, preĝi kaj lumi. Mia: embarasi, pereigi, puni.

# SUB MELODIOJ

— *Karl Vanselow* —

LA MANKO

*(Germana popol-melodio: Busserl is a schnuckrig Ding)*

Ĉu estas io stranga pli
Ol kiso? Certe ne!
Nek trink', nek manĝo, tamen ĝi
Al ni bongustas tre.

Por kio la skribista plum'
Bezonos horojn cent,
Ĝin diras unu kiso dum
La daŭro de moment'.

Kaj kvankam ludas la afer'
De buŝo nur al buŝ',
Penetras tra la kor-kamer'
La tiklo de la tuŝ'.

Nur unu mankon trovas mi
En ĝia franda ĝu':
Ke eĉ post mil kisegoj ni
Malsataj restas plu.

VAGI, HO VAGI

*(Melodio de A. Neŭendorff: »Wandern, ach wandern«)*

Esti vaganto
dum tuta la jar'
Kun ludo kaj kanto —
jen mia far'!
Tenante nenie,
laŭ plaĉo kaj ĝu'
De tie al tie
migradas mi plu.
Neniu min konas,
sed kie de mi
La ludo eksonas
kun kantmelodi',
Amikoj ne mankas
kaj ĝojo sen ĉes'.
Per kisoj min dankas
knabina kares'.
Buŝetoj anĝelaj,
ĉu scias vi pri
Okupoj pli belaj
ol tiu ĉi?
Kaj kiam iros
ĉielen mi for,
Al Petro mi diros
kun rida kor':
»Mi estis vaganto
de jaro al jar'.
Nur ludo kaj kanto —
jen mia far'!«
Anĝeloj ridetos
kaj Petro ĉe l' pord'
Enveni min petos:
»Ĉio en ord'!
Transpaŝu la ŝtupon
tra porda la tru'
Kaj vian okupon
daŭrigu plu.
Ĉar eĉ ni ĉielaj
ne scias pri
Okupoj pli belaj
ol tiu ĉi!«

NINA

*(Itala kanto, melodio de G. B. Pergolesi)*

Tri tagojn mia Nina
El dormo senfina
La dolĉ-okulojn du
Jam ne malfermis plu.

Tri tagojn mian plendon
Kaj ploran atendon
Ŝi en ĉi tiu mond'
Jam lasas sen respond'.

Najbaroj, helpu kaj venu vi,
Venu al ŝi kun fluto
Kaj harpo kaj liuto
Kaj kanta melodi',
Por ke vekiĝu ŝi.

ELKORA DIRO

*(Laŭ Heinrich Heine, melodio de Felix Mendelssohn-Bartholdy)*

Mi volus, ke tuta la forto
De l' amo el mia kor!
Kuniĝu en unu vorto.
La vento ĝin portu for.

Al vi kun flustra kareso
Ĝin portu la venta spir',
Por ke vi memoru sen ĉeso
La ardon de mia sopir'.

Kaj kiam vi kuŝos en dormo,
Ĝi sonu kun mara bru',
Ĝi sonu kun forto de ŝtormo
Tra viaj songoj plu.

LA FIERO

*(Melodio de S. Scholtz: Hoho, du stolzes Mädel)*

»Ĉar vi min malatentas,
Ĉu vi, fierulin',
Imagas, ke mi sentas
Afero grava ĝin?

Ĉu eble vi ne vidas
Kaj aŭdas? En malkaŝ'!
Mi kantas kaj mi ridas
Dum via preterpaŝ'!« . . .

. . . Nur poste ĝema-spire
Mi staras en angul'!
Kaj viŝas korsopire
La larmojn de l' okul'.

RENKONTO

*(Laŭ melodio de Eŭgen d' Albert: La knabino kaj la papilio)*

En la arbaro iris
Knabino kaj dum ŝi
De branĉo florojn ŝiris, —
Sen, ke ĝi peton diris, —
Sur ŝian ruĝan buŝon
Sin kisis papili'!

En ĉarman la orelon
»Pardonu« flustris ĝi,
»Mi havis nur la celon,
Sorbeti flor-mielon,
Kaj pensis, estas rozo
Buŝeto tiu ĉi.«

»Nu do — pardonon prenu
Ci-foje« ridis ŝi —
»Sed aŭdu, ne revenu
Kaj en memoro tenu:
Ne floras ĉiu rozo
Por ĉiu papili'!«

---

— Ĉu vi venis por puni?

La mieno de Muravjev malmole streĉiĝis, liaj dentoj grincis.

— Mi tiel ekvipos tiun ĉi friponan brutaron, ke la tuta Tero ektremos! Se ili streĉiĝadas el sia haŭto, mi do eltiros ilin el ĝi. Se ili ne scias vivi en paco, mi preparos por ili militon. Se ili ne povas interkonsenti, mi gvidos do iliajn pritraktojn kaj mi instruos ilin kiel kompreni unu la alian sen sono, vorto kaj gesto, ĉar po-milione mi deŝiros ilian kapon de la kolo kaj ĵetos en fosajon, por ke en la morto fine ili interkompreniĝu.

— Terure! . . . ĝemis patro Alberto.

— Ĉu vi opinias tion terura, kara Alberto? Tio estas tre malforta esprimo pri tio, kio nun prepariĝas. Ĉar estas pli ol terura, kio jam estas ĉi tie. Disparcelas la filoj tiun ĉi etan loĝlokon, kie ili regas kun senlime malica tiraneco kaj tromemfida fieraĉo, post kiam ili forrabis ĝin de la aliaj estaĵoj, kiujn ili ŝrumpigis kaj kripligis je floroj, plantoj, bestoj. Ili disparcelas, ili faras limojn, elmetas flagojn; nu, bone: ili vivu en tiu ĉi stulto, se tio al ili plaĉas, sed ili restu en siaj stultaj kaĝoj. Tamen, ne! ili ne restas en paco. Montras moke unu al la alia sian komikan langon, boras tunelon por eksplodigi la aliajn, unu volas superi la alian, donas unu al la

alia ĉiaspecan sensencan kaj senenhavan nomon kaj ili estas fieraj pri tiuj nomoj, unu diras: mi estas franco!... la alia frapas sian bruston: li estas germano; la tria estas anglo, la kvara ruso, la blankulo estas fiera, ĉar li estas blanka, la eŭropano, ke li ne estas amerikano... kaj por ĉiu el ili Macedonio estas tro malvasta. La franco devas rericevi ankoraŭ iom da tero, la anglo sentas sufiĉan trankvilon, la germano sufiĉan potencon... mi do zumos al ili kanteton por tiu procesio, sed pro tiu kanto ili surdiĝos kaj lernos, ke ne nur sur la tero oni povas vastiĝi per troavida uzuro kaj malhonesta nesatigeblo, sed estas abunda loko por ili ankaŭ sub la tero.

Li moke klinis sin super la monaho:

— Ĉu vi estas kontenta pri mia tasko?

— Tamen... murmuris malespere patro Alberto — terure, terure!

Poste, kun iom da espera rideto, la jena demando rompis lian malgajon:

— Sed kion kulpos mia kompatinda adepto, kion vi volas de ŝi?

— La eta Klotilda? — ridis Muravjev?

La monaĥo saltleviĝis kaj ekprenis la manon de Muravjev.

— Simpla, senkulpa infano ŝi estas. Ververe, mi edukis ŝin. Ŝi povus esti bona homo, plezuro por Dio kaj ĉiuj sanktuloj. Kial oni devas ŝin malvirtigi?

Patro Alberto sentis kun teruro la ekflamon de fajro sur la mano de Muravjev.

— Tio estas detaldemando.

— Sed parolu pri ĝi.

— Vere ne indas.

— Min tio ja eksterordinare maltrankviligas.

— Sed vi ja tion ne povas kompreni.

— Mi petegas... indulgu ŝin!

Muravjev subite fortiris sian manon.

— Ŝi erarvojis al mia direkto kaj, mi petas pardonon, ankaŭ mi devas amuzi min per io.

— Kiel vi opinias tion?

— Ankoraŭ mi mem ne scias... sed kredu, en ŝi estas io, kio vekas eĉ la intereson de l' Diablo, precipe, se li devas marŝaĉi ĉi tie en homhaŭto...

Patro Alberto eklevis sian kapon kaj rektiĝis, kvazaŭ li predikus de predikejo.

— Kiu ajn vi estas — kaj etendante la brakon li montris al li — tio ne povas esti via tasko.

— Mi diris, ke mia amuzo...

— Sed tio estas kulpo!

Muravjev eklevis sian ŝultron.

— Vi konfesis, ke ekzistas homoj, en kiuj vivas animo.

— Sed tiuj neniam estas inoj. En virino neniam estas animo; aŭ, se jes, ŝi ne povas plenumi sian virinan taskon.

La monaĥo petege kunfingris la manojn.

— Tiu ĉi knabino estas mem la virga puro. Senkulpa kaj kredanta animo. Unu el la plej belaj kaj plej karaj floroj de Dio. Mi konas ŝin. Ne tentu ŝin, ne proksimiĝu al ŝi kun via terura spirito, ne malvirtigu ŝin per via terura veneno.

— Mi havas tute alian opinion pri la eta Klotilda — subridis Muravjev. — Ĉiaspeca veneno abunde odoras ankaŭ en ŝi. Povas esti, ke ŝi povus iĝi senkulpa kaj sankta, sed ĝermas en ŝi ankaŭ tre bela sovaĝbesto.

— Viaj okuloj estas teruraj!

— Ĉiel ŝi estas taŭga por amuzi min, eĉ... tiuj venenoj, kiuj ŝutiĝas el ŝi kun ne kredeble dolĉa parfumo, ne estas tiom senkulpaj. Sed, sinjoro, certe vi ne postulas, ke mi ĉiam enuu.

# Best-afero

*Pri cikonioj.* Jam antaŭ jardekoj la kontraŭstaro de la cikonioj estis iom suspektinda. Tiuj antaŭe tiel diligentaj birdoj komencis neglekti sian taskon kaj la iam prospera entrepreno de la infantransporto, laŭ la aserto de grandbarbaj, maljunaj statistikistoj, kiuj tute ne povas helpi pri tio, katastrofe falas. Oni provas motivi tiun nekompreneblan ŝanĝon per la filozofemo de la cikonioj: Kial oni alportu infanojn, se oni baldaŭ repuŝos ilin en la faŭkon de la plej kruela besto, la Milito; sed tia argumentado estas tute malforta; la tasko estas tasko kaj ni absolute atendas la pliboniĝon de la cikonia moralo.

Kvankam ankaŭ ĉi-somere mi ricevis maltrankviligan informon pri la juna generacio de la cikonioj. Ili tuttsimple ne obeas, eĉ kontraŭstaras. La afero okazis tiel, ke la ornitologoj deziris solvi — helpe de la longkruraj, longbekaj kunlaborantoj — unu el la plej belaj kaj mirindaj sekretoj de la tera vivo, ili volis solvi la leĝon de la birdo-migrado. Dek naŭ junajn cikoniojn frusomere oni transportis per komfortaj aeroplanoj el Germanujo al Anglujo. En Kent kaj Skotlando malavaraj, amikaj manoj pretigis al ili ondliniajn nestojn, ankaŭ la somero abunde prizorgis ilian stomakon kaj kiam meze de aŭgusto la 19 cikonioj ekflugis al Afriko, la ornitologoj, kvazaŭ laŭ komando, malfermis siajn notlibrojn kaj kun ekscitiĝo atendis la novaĵojn.

Dum unu semajno venis nenia sciigo. La sciencistoj elkalkulis, ke la cikonioj flugas minimume jam super la militflama Hispanujo, kiam subite kolerŝprucaj telegramoj ekzigzagis, laŭ kiuj la 19 cikonioj ekstrikis, ili somerumas en la bordregiono de Suda Anglujo kaj sin banadas. Ĝis nia gazetfermo ni ne ricevis sciigon pri ilia formoviĝo. Ne utilas pelado, bruo, krio, ĝeno, la cikonioj ne volas ekflugi en la direkto de Afriko. Ĉu eble denove la sama teorio? Ĉu ilin tedas la sangverŝo? Eh! Oni ne povas esti sentimentala, eĉ se oni estas cikonio. Bonvolu pripensi gesinjoroj Cikoniu, ke temas pri la sankta scivolo de la scienco, pri la Scienco, kiu havas potencajn armilojn, pensu nur pri la kemio, kies gasrimedoj nepre igos vin forflugi, al la plej nigra Afriko, se vi longe daŭrigos vian pasivan ribelon. Pripensu!

*Fersil*

---

— Homon mi volas savi, junan, senkulpan...

Muravjev tedite turnis sin for de patro Alberto kaj prenis el granda skatolo dikan, orringan cigaredon. Li ekfumis kaj, kvazaŭ laca de la parolado, duonfermante siajn okulojn, avide kaj profundspire sorbis la fumon.

— Homon oni ne povas savi, malgraŭ ĉio, ĉar ne eble.

La manoj de patro Alberto pugniĝis. Li minacis.

— Sed mi preĝos kaj petegos por ŝia savo. Kaj se mi ne estas malinda por preĝo kaj favoro de la Disinjoro, mia peto estos plenumita kaj vi vane frapados la sanktan pordon de pura animo.

Muravjev prenis de la planko grandan anglan gazeton, eksidis en la violkolora fotelo, komencis legi kaj dume per sia brulanta cigaredo bruligis fumantajn truojn en la paperon.

— Malbenita estu la intenco — kriis patro Alberto — kun kiu vi proksimiĝas al ŝi. Malbenon, malbenon....

Muravjev flegme lin alrigardis.

— Malbenita. Vere tiel. Tion eĉ ni ambaŭ ne kapablas ŝanĝi.

— Estu malbenita! — ripetis patro Alberto.

Muravjev kapjesis kaj kaŝis sin en la gazeto. La monaĥo ankoraŭ unufoje alrigardis lin, kaj vidante, ke ĉia parolo estas nun vana, kun ekscito li rapidis reen al sia ĉelo.

El la hungara: *F. Szilágyi.*

# Ne tiel freneza

– Roy J. Schreiber –

Fajfante gajan arion, Hektoro malplenigis siajn tirkestojn zorge sur la plankon. Fininte tion, li komencis paki la enhavon orde en kofron. Li estis forlasonta sian hejmurbon, Waukesha, Wisconsin.

Tra la malfermita fenestro de la ĉambro de Hektoro venis la gaja ario de rubekolo. Super la pinto de la ulmarbo en kiu sidis la malgranda kantisteto, kelkaj lanugaj nuboj estis videblaj, ŝvebantaj preskaŭ senmove en la belega somera ĉielo. La tero estis banata de sunbrilo. Ĉie, kie oni rigardis, oni povis vidi belajn roskisitajn florojn en belformaj bedoj, malfermantajn la okulojn por saluti la sunon.

Hektoro estis perfekte komparebla kun la ĉirkaŭaĵo, ĉar ankaŭ li estis en ĝoja ekstazo. Ne nur pro la ĉarma naturo de la tago; pli ol tio. Li staris antaŭ la spegulo, tenante sian diplomon en la mano; unue li admiris sin en la spegulo, kaj poste li turnis sian atenton al la diplomo. Tiu ĉi diplomo, kiun li ricevis la antaŭan vesperon ĉe la kolegio, rememorigis lin pri la lastaj kvar jaroj de sia vivo. Kaj li parolis laŭte, kiel ĉiam, kiam li estis sola:

»Ha! Kvar longajn jarojn mi pasigis manĝante de la arbo de erudicio, kaj nun mi estas elektebla por instrui gramatikon kaj sciencon en iu gimnazio de la ŝtato. Nu, mi sukcesis, kaj mi gajnis ĉiajn honorojn. Nun, tiel baldaŭ kiel mi povos trovi agrablan lokon por loĝi, mi komencos verki novelon. Se mi sukcesos, mi estiĝos aŭtoro. Tiam mi ne devos instrui. Mi ja neniam volis esti instruisto; mi ĉiam volis esti verkisto. Mi scias, ke mi estos sukcesa; cetere, mi povos pasigi iom da tempo tiel; mi havas ja kvarcent dolarojn, kiujn mia onklo Hugo testamentis al mi.

»Kara maljuna Onklo Hugo, se li povus esti tie ĉi nun. Mi scias, kion li dirus: Mia knabo, mi estas fiera ke vi faris tiel bone, sed mi estos duoble tiel fiera, se vi pruvos, ke vi scias kiel uzi vian edukitecon.

»Jes, tio estas ĝuste, kion li dirus. Nu, nun mi devas forvojaĝi. Mi ne plu volas loĝi tie ĉi; mi volas aventuron. Mi loĝis en tiu ĉi urbo mian tutan vivon; tio sufiĉas. Ho! — ha! ha! ha! Jen, mi jam enpakis kaj mi ne scias ankoraŭ, kien mi iru. Ha! ha! mi scias, kion mi faros; mi blinde elektos urbon sur la mapo, kaj kie ajn ĝi estos, mi iros.«

Serĉante mapon, Hektoro malordigis la tutan enhavon de sia kofro, kiun li estis aranĝinta tiel orde. Fine li trovis la mapon kaj malfaldis ĝin sur la plankon kaj surgenuiĝis antaŭ ĝi. Tiam li prenis krajonon el sia veŝtopoŝo kaj fermante la okulojn, li blinde mallevis la pinton de la krajono sur la mapon. Kiam li remalfermis la okulojn, li vidis ke la difinita loko estis Morta Valo, California.

»Ho!« li ekkriis, »La diablo volas havi min pli ol mi pensis; tio estas malbona. Mi provos denove.«

Kaj denove li provis tiun ĉi metadon por trovi novan hejmon. Sed je tiu ĉi fojo li mallevis la krajonpinton sur la Atlantan Oceanon. Vidinte la rezulton de sia dua klopodo, li ekkriis:

»Ho ve! Unue li volis bruligi min, kaj nun li volas dronigi min. Nu, mi provos ankoraŭ unufoje, sed se mi ne havos pli bonan ŝancon, mi restos tie ĉi.«

Feliĉe li havis pli bonan ŝancon; Detroit Lakes, Minnesota estis la elektita urbo. Vidante tion, Hektoro saltetis ĉirkaŭ la ĉambro kiel knabeto kaj kriegis:

»Hura! hura! Taŭga loko fine.«

Se kaŝaŭskultanto estus spioninta Hektoron, la honoritan gradulon de Karolo-Kolegio, li certe estus kredinta lin iomete freneza.

Nun la granda demando, »Kien?« estis respondita. Post duono da horo, Hektoro estis repakinta sian kofron; kaj post tri horoj li jam diris »Ĝis revido« al ĉiuj siaj amikoj, ankaŭ al la instruistoj kaj la dekano ĉe la kolegio. Poste li iris al la fervoja stacio kaj baldaŭ veturis sur la vagonaro en la direkto al Detroit Lakes, kun sia kofro en la pakajara vagono.

Frue en la sekvanta mateno Hektoro estis vekita de negra portisto kaj estis informita, ke li baldaŭ alvenos en Detroit Lakes. Alveninte tien unu horon poste, li iris al la plej bona hotelo, kaj luis ĉambron.

Aranĝinte tie siajn apartenaĵojn li matenmanĝis en la hotela restoracio, kaj poste li promenis ĉirkaŭe en la urbo. Li baldaŭ konstatis, ke la urbo, al kiu la fatalo sendis lin, estas tre agrabla urbo: nek tro granda nek tro malgranda, kun proksimume kvar aŭ kvin mil loĝantoj. Krom tio, grandioza lago, nomata Detroit Lake, borderas gian sudan flankon. Laŭ la lagbordoj Hektoro marŝis hazarde ĝis tagmezo, kiam li malsatiĝis, kaj revenis al la hotelo por ĉefmanĝi.

Ĉefmanĝinte, Hektoro iris al sia ĉambro kaj komencis skribi per sia skribmaŝino la verkon, kiu, li pensis, famigos lin. La tutan posttagmezon li laboris kiel kastoro. Je la kvina li rigardis sian brakhorloĝon kaj diris:

»Ho ve, jam la kvina, mi devas ĉesi kaj kontroli, kion mi skribis.«

Pasiginte duonon da horo per tio li estis iomete laca kaj malsata, li demetis siajn okulvitrojn kaj iris al la restoracio. Fininte grandan vespermanĝon, li iris ekstere sur la straton kaj denove promenis suden al la lago.

Ĉe la lago, tiu ĉi aspiranta verkisto sidiĝis sur benko sub granda arbo, iomete malproksime de grupo sin bananta en la kvieta akvo. Tie li sidis longe, observante la subirantan sunon kaj aŭskultante la kriojn de kelkaj gabinoloj en la malproksimo. La rebrilo de la arĝenta luno sur la glata akvo, kaj la silueto de la kontraŭa arboplena bordo sur la suda ĉielo emociis lin. Li decidiĝis veni tien ĉiumatene por bani sin solece kaj krei apetiton. Sed kiam li trovis, ke la moskitoj enamiĝis al li, li rapidis hejmen.

Dum la tri sekvantaj semajnoj, lia ĉiutaga vivo estis la sama kiel tio, kio estis jus priskribita. Laborinte tri tutajn semajnojn, li finis sian romanon, al kiu li donis la titolon. »La Benita Pekulo«. Korektinte ĉiun eraron, kiun li povis trovi, li dungis stenografistinon skribi du aliajn ekzemplerojn. Tiujn ĉi ekzemplerojn li enpoŝtigis al du diversaj eldonejoj; la trian li retenis. Kompreneble, li supozis, ke el la aĉetontoj proponos unu pli multe ol la alia, kiel sinjorinoj vidantaj senutilan komercajon ĉe aŭkcio.

Kvankam Hektoro estis kolegia diplomito, li ankoraŭ devis lerni multon.

En la lasta semajno en Junio Hektoro faris nenion, escepte ke li legis, naĝis kaj mallaboris, kaj iris ofte al poŝtejo, esperante ricevi de la eldonistoj riĉan poŝton. Estis en unu el tiuj ĉi tagoj, ke li restis maldorma ĝis malfrue nokte, legante libron kaj forgesinte meti siajn okulvitrojn. La rezulto estis, ke la sekvantan tagon matene li havis severan kapdoloron. Tio lin timigis, tial li demandis la hotelan komizon pri la valoroj de la kuracistoj en la urbo. Tiamaniere okazis, ke li estis sciigita iri al D-ro Karlo Jordano.

»D-ro Karlo Jordano?« Hektoro demandis sin, »Saj-

nas al mi, ke mi aŭdis tiun nomon antaŭe, sed kun la kapdoloro mi ne povas pensi kie.«

Marŝante laŭlonge la straton en la direkto al la oficejo de la kuracisto, Hektoro memoris, ke kiam li estis knabeto, D-ro Jordano loĝis en lia proksimo en Waukesha Wisconsin. Li memoris ankaŭ, ke tiu kuracisto havis filon, kiu havis kelkajn jarojn pli ol li, kaj ankaŭ filinon, kiu havis preskaŭ la saman aĝon kiel li. Ili estis liaj kunludantoj. Iliaj nomoj estis Karlo kaj Perla. Tiam li memoris, ke la doktoro kun la familio estis transloĝiĝinta al Minnesota, sed li ne sciis, al kiu urbo.

Suprenirante la ŝtuparon al D-ro Jordano, Hektoro atendis esti salutota de respektinda maljuna kuracisto kun blankaj haroj, lipharoj kaj mentonharoj. Anstataŭe, li estis surprizita, kiam lin salutis malalta, dika, belaspekta kaj amikema juna kuracisto kun malluma vizaĝkoloro. Tuj Hektoro rekonis lin; li estis la sama persono, kiu estis lia kunludanto antaŭ proksimume dek du jaroj.

»Bonan tagon Karlo,« li ekkriis, etendante la manon al la doktoro, »Ĉu vi ne rekonas min?«

Manpremante kun Hektoro, la kuracisto rigardadis al nia freneza heroo kaj diris:

»Mi vidis vin antaŭe, sed mi ne povas vin rekoni«.

Tiam Hektoro lin demandis: »Ĉu vi ne memoras knabeton kun ruĝa hararo en Waukesha, kiun vi nomis Heĉjo?«

»Jen!« ekparolis la doktoro, »kiel mi vivas kaj spiras, estas vi, Heĉjo Loreko. Kiamaniere vi venis tien ĉi?«

»Nu, ĝustadire, ĝuste antaŭ unu monato mi diplomiĝis en la Karolo-Kolegio. Mi ne havas hejmon, ĉiuj miaj parencoj estas mortintaj, tial mi decidis ĉirkaŭvagi, ĝis mi trovos agrablan lokon, kaj tie ĉi mi estas.«

(La leganto rimarkos, ke Hektoro ne rakontis al la kuracisto la metodon, per kiu li elektis Detroit Lakes por hejmo.)

»Kian profesion vi havas?« demandis la doktoro.

»Ho, mi estas aŭtoro,« estis la fiera respondo.

»Ĉu vere, ĉu vi jam vendis iun el viaj verkoj?«

»Ne«, respondis Hektoro, »sed nur unu semajno jam pasis de la tempo, kiam mi sendis la unuan pecon al eldonisto«.

»Ho, mi komprenas«, rimarkis Karlo, »nu, mi esperas, ke vi estos feliĉa.«

»Multan dankon, Karlo. Nun diru, kiel fartas viaj gepatroj kaj Perla, via fratino?«

»Nur Perla kaj mi estas ankoraŭ vivantaj«.

»Mi bedaŭras aŭdi tion, estas domaĝe. Ĉu vi jam edziĝis, Karlo?«

»Ne Heĉjo, ankaŭ Perla estas ankoraŭ fraŭlino. Ni ambaŭ loĝas kune en la sama dometo. Ĉu vi memoras Perlan?«

»Certe mi memoras tiun knabineton kun la ruĝaj vangoj kaj la plektitaj haroj. Mi ĉiam portis ŝiajn lernolibrojn al la lernejo por ŝi.

La interparolo daŭris du horojn inter tiuj ĉi du reunuiĝintaj amikoj. Dumtempe, Hektoro forgesis ke li iam havis kapdoloron. Li ricevis inviton veni al la dometo de la kuracisto vespere kaj manĝi vespermanĝon kune kun la doktoro kaj Perla. Tion li volonte akceptis.

En lia hotelo la komizo donis al li du leterojn. Ili estis de la eldonejoj.

Unu el la eldonistoj skribis, ke li ne volas la romanon ĉar rakontoj teologiaj ne estas vendeblaj en tiu ĉi moderna epoko. Li konfesas, ke la novelo estas bonega, sed nuntempe legantoj ne plu estimas la arton; ili volas legi pri mistero kaj aventuro.

La alia, kiu verŝajne ne havis multan sagacon, proponis al Hektoro cent dolarojn kaj tre malgrandan tantiemon. Estante tre senkuraĝigita de la preskaŭ senfrukta novajo, Hektoro akceptis la proponon de la dua eldonisto.

Vespere Hektoro iris al la hejmo de D-ro Jordano. Tie li estis enkondukita en la komfortan malgrandan hejmon. Tiam Karlo, la juna doktoro, vokis sian fratinon Perla.

Enirinte la ĉambron, ŝi tuj rekonis lin.

»Nu, nu, nu, Hektoro Loreko, kiel vi fartas?« estis ŝiaj unuaj vortoj.

Post multa interparolo, la tri junaj personoj sidiĝis ĉirkaŭ la tablo kaj manĝis la bonegan vespermanĝon kiun Perla preparis. Dum ili manĝis, ili diskutis kaj interŝanĝis multajn travivajojn. Hektoro diris, ke li vendis sian romanon, sed li ne ricevis tiel multon kiel li esperis.

Antaŭ ol ili finis la manĝon, Hektoro konstatis, ke li estas enamiĝinta al Perla. Tio estis evidenta, li ruĝiĝis kiam ajn Perla parolis al li.

Estis facile por iu enamiĝi al Perla. Ŝi estis juna, mezalta, kaj tre bela; ŝi havis ruĝbrunan hararon, delikatan molan haŭton, brilajn avelkolorajn okulojn, kaj dentojn kiuj konvenis perfekte al ŝia nomo. Plue, tiuj ĉi dentoj estis videblaj inter du naturaj ĉerizruĝaj lipoj. Ŝia korpo, kiu estis kaŝita de deca vesto, estis ĝuste tiel bela kiel ŝia vizaĝo. Ŝajnis ankaŭ, ke ŝi admiras Hektoron multe, kvankam li estis ne tre belaspekta. Eble, ĉar li estis tre interesa kaj ĝentila.

Fininte sian manĝon, la kuracisto estis vokita per telefono en la kamparon, por personigi la cikonion.

Kiam la doktoro foriris, Hektoro pensis, ke ne estus dece resti solece kun Perla en ŝia hejmo, tial li diris, ke ili promenu kune al la lago. Perla volonte akceptis sed antaŭe ŝi lavis la pladojn. Hektoro helpis ŝin, li viŝis la pladojn por ŝi.

Alveninte apud la lagon, Hektoro kaj Perla sidiĝis sur benko. Hektoro rakontis al ŝi pri La Benita Pekulo, de la komenco ĝis la fino. Perlo estis tre interesata de literaturo, do ne mankis al ili temo pri kiu paroli.

Kelkfoje la parolado de Hektoro estis tre fanfarona. Li tro ofte menciis la famon kaj la riĉajon, kiujn li stre-



La Pasteur-masko de Paul Muni

bas. Ŝajnis, ke tio tedas Perlan, sed ŝi diris nenion pri tio. Ŝi estis tro ĝentila por lin insulti.

Poste Hektoro komencis entuziasmi pri la beleco de la ĉirkaŭajo. Estis la unua fojo, ke Perla sentis sin vere ravita de la beleco, kiu ŝin ĉirkaŭis. Jam ofte ŝi sidis tie ĉi vespere, sed nun ŝajnis malsame; kial, ŝi ne sciis. Ŝi ne rimarkis ke Hektoro teksas teksajon de amo por ŝin kapti kaj ke ĉio aperis pli bela tra la silkaj vortoj de la teksajo.

La luno estis jam delonge leviĝinta, kiam Hektoro, la enamiĝinta junulo eskortis Perlan hejmen. Brako ĉe brako ili promenis al la pordo de ŝia hejmo. Antaŭ ol li foriris li diris al ŝi, ke li treege ĝuis la vesperon, kaj demandis, ĉu ŝi akompanus lin al la lago pli ofte. La respondo estis: »Jes.« Kiam ili diris »Bonan nokton«, Hektoro estis tentata ĉirkaŭpreni kaj kisi ŝin, sed li sin regis kaj iris al la hotelo por kuŝiĝi kun brulanta koro kaj amsoifo.

La tuta nokto preterpasis kaj Hektoro ne dormis. Li komprenis nun, kio estis enamiĝi. Ĉu ŝi amas lin sufiĉe por edziniĝi? Kaj se ŝi estos lia edzino, ĉu li povos zorgi pri ŝi tiel bone, kiel al ŝi konvenas? Inter tiaj pensoj li pasigis la tutan nokton.

Matene tuj kiam lumiĝis, Hektoro ellitiĝis, vestis sin, razis sin, kaj iris al la akceptejo de Karlo por demandi lin, ĉu li permesas al li edzinigi Perlan. Kiam li alvenis, estis nur la sepa; la kuracisto neniam venis antaŭ la oka. Sed la atendejo neniam estis ŝlosita, tial Hektoro eniris kaj atendis, ne sidante sed marŝante tien kaj reen nervmalforte. Sur tablo en la atendejo kuŝis pakajo da cigaredoj de Karlo. Kvankam Hektoro malofte fumis, tiumatene, antaŭ ol Karlo alvenis, li fumis preskaŭ la duonon de la cigaredoj, kiuj kuŝis sur la tablo.

Kiam D-ro Jordano eniris la oficejon, li estis surprizita trovi Hektoron tie tiel frue.

»Bonan matenon Heĉjo,« li diris, »Nu, vi estas mia unua paciento hodiaŭ. Kio estas al vi? Ĉu vi estas malsana? Ha! ha!«

Hektoro nur respondis: »Jes Karlo, mi estas malsana, tre malsana«, tiam li ruĝiĝis kaj lia vizaĝo fariĝis ornamita de malsana rideto.

»Ĉu vere?« demandis Karlo, »Ĉu vi havas dolorojn?«

»Ne Karlo, estas mia koro.«

»Kion vi diris, Heĉjo, via koro? Ha fripono, vi trompas.«

»Ne Karlo, vere mi ne trompas, estas mia koro. Mi, mi... mi enamiĝis al Perla.« Preskaŭ sufokiĝante, dum li parolis la lastan frazon, Hektoro nun klinis sian kapon; li hontis.

Momenton, Karlo ŝajnis stultigita, kaj poste ekridegis. Reatinginte sian trankvilecon, li diris: »Mi sciis, ke tio okazos, mi rigardis vin iomete la pasintan vesperon ĉe la vespermanĝo.

»Tiam mi havos permeson?« demandis Hektoro, denove kuraĝa.

»Certe,« respondis Karlo, »Se Perla diros »Jes«, mi estos kontenta. Sed via rapida laboro amuzas min.«

»Multan dankon, Karlo,« dirinte tion, li ĝoje forkuris el la oficejo pensante: Ŝi ne povos diri »Jes« unu momenton tro baldaŭ.

D-ro Jordano staris apud la fenestro, ridante kore, dum li rigardis Hektoron rapidantan al la hejmo de Perla.

Preskaŭ kurante, Hektoro iris al la pordo de la dometo kaj sonorigis la pordsonorilon. Perla tuj venis al la pordo kaj vidante, kiu la frua vizitanto estas, ŝi ekparolis:

»Ho, estas vi, Hektoro, bonan matenon. Kial vi venas tiel frue hodiaŭ matene? Kio okazis? Vi ŝajnas ekscitita.«

Hektoro ne malŝparis tempon por diri »bonan matenon«, sed ekkriis: »Perla, estas io, kion mi devas diri al vi tuj.«

»Ĉu vi ne volas eniri?« demandis Perla.

Hektoro esperis aŭdi tiujn lastajn vortojn, kaj nun, aŭdinte ilin, li ne malŝparis momenton, sed eniris en la dometon. Enirinte, li staris antaŭ Perla kaj diris: »Mi ne povis dormi pasintan nokton.«

»Vi ne povis dormi, kial?«

Antaŭ ol Perla povis eldiri unu vorton plu, ŝi trovis sin en la brakoj de Hektoro, estante energie ĉirkaŭpremita kaj kisata. Inter la ŝmacoj Hektoro kriis en ŝiajn orelojn:

»Ĉar mi amas vin, ĉar mi adoras vin. Mi volas, ke ni geedziĝu.«

Kvankam Perla ne rezistis lin (eble ŝi ne povis), Hektoro subite opiniis, ke li estis iomete neĝentila, tial li liberigis ŝin kaj rapide petis:

»Bonvolu pardoni min, mi ne volis esti tiel malĝentila, mi bedaŭras tion.«

Retirinte sin kelkajn paŝojn de tie kie Hektoro staris petanta, kaj post kelkaj longaj spiroj. Perla ridetis kaj diris:

»Ne ĉagreniĝu, mi pardonas vin, sed, ho ve, vi amindumas rapide. Nu, Hektoro, mi ne scias, ĉu mi amas vin sufiĉe por edziniĝi aŭ ne. Mi ŝatas vin multe, sed mi timas, ke se mi estus via edzino, mi ne estus feliĉa, ĉar vi donus vian tutan atenton al via kariero. Pro tio mi ne kulpigus vin, ĉar vi volas gajni famon. Ne, Hektoro, mi ne opinias, ke estus bone, se vi kaj mi geedziĝus.«

»Ho Perla, mi petas,« ploris Hektoro.

»Ne, Hektoro, ne, ne, ne, multfoje ne. Mi konfesas, ke mi ŝatas vin treege kiel amikon, sed estus pli bone, se vi zorgus pri via kariero; kaj eble, se vi sukcesos, mi amos vin. Ĝis tiam, ni restu geamikoj.«

Kun malgranda rideto sur siaj lipoj, Hektoro iomete sarkasme diris:

»Do mi ne petas plu, sed nur atendu, mi atingos ambaŭ: la famon kaj vin. Mi estis tro rapida.«

Tiam tre ĝentile li diris »adiaŭ« al Perla kaj reiris al la oficejo de Karlo. Kiam li reiris en la oficejon tuj li estis demandita de Karlo:

»Jen, jam ree? Ĉu mi povas vin gratuli?«

»Ne,« respondis Hektoro malgaje.

»Ĉu ŝi rifuzis vin.«

»Jes, Karlo, ŝi diris, ke mi donus pli da atento al mia kariero ol mi donus al ŝi. Sed ŝi ne diris, ke ŝi neniam estiĝos mia edzino. Ŝi diris, ke eble, se mi atingos famon, ŝi sentos malsame rilate al mi. Mi ne kulpigas ŝin, mi estis multe tro rapida, mi scias tion... mi estis malsaĝulo.«

»Jes, Heĉjo, mi scias, kiel vi sentas, sed per eraroj oni lernas. Ne ĉesu esperi, eble ŝi ŝanĝos ŝian opinion poste,« diris Karlo.

»Jen, Karlo, mi ne hontas diri, ke mi amegas Perlan, sed, ho, unue mi devos gajni famon, se nur mi scius kiel... Jen...«

»Nu, diru plu.«

»Atendu momenton, Karlo, mi pensadas.«

»Pri kio?«

»Jen, Karlo, mi havas ideon, kiu helpos min. Ĉu vi jam aŭdis, ke multaj verkistoj, aktoroj, muzikistoj kaj tiel plu famiĝis nur post kiam ili faris ion eksterordinaran?«

»Jes,« respondis Karlo.

»Ĉu oni povas lui ĉevalojn en tiu ĉi urbo?«

»Jes, sed kial vi volas la ĉevalojn?« demandis la kuracisto.

»Atendu momenton, ĉu vi kaj Perla scias rajdi ĉevalon?«

## Messiah

— Händel —

Mi scias, ke l' Savinto vivas
kaj ke tronos li ĉe la Lasta Juĝ'
super la ter'.
Mi scias, ke l' Savinto vivas
kaj ke tronos li ĉe la Lasta Juĝ'
super la ter', super la ter'.
Ja ĉi korpon manĝos vermoj,
sed Dion karne vidos mi,
Mi scias, ke l' Savinto vivas,
ke ĉi korpon manĝos vermoj,
sed Dion karne vidos mi,
ja vidos mi.
Mi scias, ke l' Savinto vivas.
Ĉar Krist' nun leviĝis el la mort':
unua frukt' de l' dormantar',
de l' dormantar',
unua frukt' de l' dormantar'.
Ĉar Krist' nun leviĝis,
ĉar Krist' nun leviĝis
el la mort':
unua frukt' de l' dormantar'.

*K. Kalocsay.*

## Al la vespera stelo

— Wagner —

Sur teron morne la krepusko falas,
La valon ĝi per nigra tol' vualas.
Sopirus ja l' anim' je alta flug':
Ĝin nokt-teruroj premas kvazaŭ jug'.
Ekbrilas jen vi, ho plej ĉarma stelo,
El malproksim' kun via milda helo.
Forpelas ombrojn via kara lum',
Afable montras la vojon ĝi nun.

Ho kara stelo de vesper',
Mi vin salutas kun esper',
Heroldu al ŝi via flam'
Pri mia ĉiam fidela am',
Kiam ŝi ŝvebos for de l' tero
Esti anĝel' de l' sankta sfero.

*K. Kalocsay.*

## Mam'zell Nitouche

— N. Hervé —

Nokte venis el festeno
Ŝi, Babe' kaj li', Kade'.
»Kristo! kia nokto-pleno!
Ni rapidu do,. Babe'!«
»Vi ne uzas ĝin, azeno!«
Farilon, farila, farileno!
»Timas mi! — tiel Kade'.
»Ja ne mi!« — tiel Babe'.

Ili kvazaŭ blinde iris,
Urĝis treme ŝin Kade'.
Jen, l' aeron krio ŝiris:
»Via mon' aŭ viv'! « Ho ve,
Du rabistoj tion diris.
Farilon, farila, fariliris.
Unu saltis al Kade'
Kaj la dua al Babe'.

Unu, kiel la omleton,
Kirlis korpon de Kade',
Dua montris grandan preton
Okupiĝi pri Babe',
Ĉifis ŝian kolumeton.
Farilon, farila, farileton.
»Mortas mi!« — tiel Kade'.
»Mortas mi!« — tiel Babe'.

Okulvibre, terurite
Hejmenvenis nun Kade',
Kaj silente kaj medite
Akompanis lin Babe'.
Eksuspiris ŝi invite.
Farilon, farila, farilite.
»Mi ne iros plu, Babe'!«
»Ja reiros mi, Kade'!«

*K. Kalocsay.*

---

»Jes, Heĉjo, ni ambaŭ rajdas ofte.«

»Bonege, nun mi havas mian planon, sed nenion diru al Perla pri tio...

Vespere en tiu sama tago, se oni estus promeninta laŭlonge de la vojo, kiu borderas la nordflankon de Detroit-lago, oni estus vidinta tri personojn galopantajn sur ĉevalo. Du el ili estus D-ro Jordano kaj lia fratino, Perla. La tria persono estis Hektoro.

Kiam ili alvenis al la sudflanko de la urbo, ĝuste apud la lago, Hektoro galopis antaŭen. Subite, lia ĉevalo ekstaris kaj Hektoro estis jetita al la tero kaj tie li kuŝis senmove.

Perla kaj Karlo rapide elseliĝis kaj kuris al sia amiko. Ili trovis lin senkonscia. D-ro Jordano levis lian korpon kaj portis ĝin sur proksiman herbejon. Perla genuiĝis apud li plorante kaj petante:

»Hektoro, Hektoro! Parolu al mi. Hektoro, karulo. Ho Karlo! ĉu li estas mortinta?«

La kuracisto, kiu estis faranta ĉion, kion li povis, diris al Perla:

»Ne Perla, li ankoraŭ vivas.«

Subite Hektoro malfermis siajn okulojn kaj murmuris:

»Ho! mia kapo, ho! mia kapo.«

Vidinte, ke Hektoro denove estas konscia, Perla ekkriis:

»Dank' al Dio, li ankoraŭ vivas.«

»Vi ne estas vundita, Heĉjo, ne turmentu vin. Klopodu stari,« instigis la kuracisto.

Tiam Hektoro malfermis la okulojn tiel larĝe, ke ŝajnis kvazaŭ liaj okuloj estus falintaj el siaj ingoj, kaj demandis:

»Kie mi estas? Kio okazis? Kiu alportis min tien ĉi? Kiu vi estas? Kiu estas tiu fraŭlino? Kiu mi estas? kaj denove li ekkriis: Ho! mia kapo.«

Dum Hektoro babilis tiel malsaĝe, Karlo turnis sin al sia fratino kaj diris: »Mi timas, ke li perdis sian cerbosanecon.«

»Ho! Kion ni faros?« demandis Perla aŭdinte tiun ĉi teruran novajon.

»Unue, konduku tiujn ĉevalojn ree al la ĉevalejo, dumtempe mi kondukos Hektoron al nia hejmo. Mi estas

# Verkoj kaj verkistoj

## La vivo de Dostojevskij

La vojo al Dostojevskij ne estas facila, sed ĝi meritas la penon, eĉ la turmentan, ĉar per tiu turmento la animo puriĝas, malpeziĝas. »Li vagadas en dezertaj regionoj — diras iu kritikisto — sed lia sorĉa vergo ĉiam sentas en la profundo la varman fonton de la bono.« La plej morna verkisto li estas; doloro tordas nian koron, tiom humiligitaj, tiom malgajigitaj estas liaj figuroj. Sed al tiu malgaja mondo radias varmo de ie, de interne: la varmo de la kompato kaj homamo. Simbolismo, fantastiko kaj naturalismo plektiĝas en tiuj verkoj, sed la efekto estas plena realismo eĉ tiam, kiam la rakonto atingas la plej altajn pintojn de la mistikismo.

Kelkfoje — li skribis en letero — kiel seka herbo pluvon, oni soifas la kredon, ĉar en la malfeliĉo oni pli klare vidas la veron. Mi estas infano de mia epoko, filo de la nekredemo kaj dubo, kaj verŝajne mi restos tia ĝis la estingiĝo de mia vivo. Kiom min turmentis (kaj eĉ nun turmentas) la sopiro al la kredo, kiu des pli fortas, ju pli multaj argumentoj estas kontraŭ ĝi.«

Ne, tiu animo ne estis simpla, sed la sugestian forton de lia stranga talento indikas kaj motivas lia vivo kaj la evoluo de lia animo. Ankaŭ tio ne estis ĉiutaga.

Urbinfano li estis kaj jam la cirkonstancoj de lia naskiĝo simbolis kaj eble determinis lian vivovojon. Li naskiĝas en malsanulejo por malriĉuloj, kie lia patro estas kuracisto. La ĝemoj kaj suferoj de mizeruloj ŝvebas ĉirkaŭ la lulilo de la estonta poeto, kiun neniu superos pri la kunsento al la mizeruloj kaj malriĉuloj. Kiel studento li vivas en la plej granda mizero, sed la mondo de la libroj lin plene kontentigas. Eble plej forte influas lin la fantoma fantazio de A. T. Hoffmann. Dudek kvar jarojn li havas, kiam li forlasas la inĝenieran profesion kaj dediĉas sin al la unua romano. *La malriĉuloj*, rakonto pri senplenuma amo de grizulo, rikoltas eksterordinaran sukceson kaj — mallaŭdojn, sed ĉiuokaze sensacion. Tamen Dostojevskij ne riĉiĝas, eĉ restas longtempe bohemo, kaj, laŭ tiu modelo, mizerulo. En 1848. li multe okupiĝas kaj diskutas pri la socialismo, al kiu li pretendas por Ruslando specialan sencon, devenintan el la tieaj tradicioj. — Strange! — ĉu ne tiu ĉi principo komencas pli kaj pli graviĝi en la vivo de tiu moderna Ruslando, kie Dostojevskij ne apartenas al la tro dorlotitaj nomoj. Tiu ĉi interesiĝo pri socialismo preskaŭ estis pripagita per lia vivo. Li kaj la aliaj »konspirantoj« estis kondamnitaj je morto. Oni gvidis ilin al la ekzekutejo, donis al ili la krucifikson kisi, surmetis al ili la mortveston kaj — en la lasta minuto alvenis la amnestio de la caro, t. e. okjara punlaboro en Siberio. La konsekvencojn de tiuj minutoj la tuta posta vivo de Dostojevskij ne povis forviŝi. Sekvas epilepsiaj atakoj kaj skua transformiĝo de la

---

certa, ke li estos pli sana matene.«

»Mi esperas tion, »ploris Perla, prenante la kondukilojn de la ĉevaloj.

Tiam la kuracisto helpis Hektoron restariĝi kaj kondukis lin hejmen. Feliĉe, Hektoro iris sen kontraŭstaro. Kiam ili alvenis hejmen, la doktoro ordonis al sia fratino prepari liton por li.

Enfaldinte Hektoron en la liton preskaŭ kiel patrino enlitigas infanon, Karlo donis al li morfinpilolon kaj sidiĝis apud la lito. Baldaŭ Hektoro estis ronkanta kiel brua segilo.

La sekvantan tagon matene, kiam la kuracisto vekiĝis, Hektoro ankoraŭ dormis. Kviete Karlo ellitiĝis kaj vestis sin, sed dume ankaŭ Hektoro vekiĝis, ellitiĝis rapide kaj komencis furiozi.

»Tondro kaj Fulmo!« li kriegis »Kie mi estas? Mi devas iri al mia studejo tuj por kompletigi tiun teatrajon.«

En tiu momento Perla eniris en la ĉambron kaj vidante Hektoron deliri, ŝi kriegis:

»Hektoro! pri kio vi parolas?«

»Hektoro, Hektoro!« li rediris kolere, »Fraŭlino, ne nomu min Hektoro, mi volas, ke vi komprenu, ke mi estas Sinjoro William Shakespeare.«

La juna doktoro rapidis apud sian fratinon kaj flustris al ŝi:

»Telefonu al D-ro Ferbarbo tuj, kaj ordonu lin veni tien ĉi tuj, diru al li ke estas urĝe.«

Post kvin aŭ dek minutoj D-ro Ferbaro, maljuna cerbospecialisto, eniris en la ĉambron, en kiu Karlo gardis la frenezulon. Post duono da horo, ekzameninte Hektoron zorge, la amika kuracisto kun la griza hararo asertis, ke Hektoro estas tre cerbomalsana. Tial li konsilis, ke estus pli bone por Hektoro, se li estus fermita en la provincan frenezulejon nuntempe.

Tiu aserto ŝokis Perlan treege, sed spite tion Hektoro estis transmovita al komforta malgranda karcero en la frenezulejo. Li batalis kiel bovo, kiam li alvenis tien; li ne volis resti tie, sed post kiam Karlo kredigis al li, ke tio estas lia nova studejo, li ŝajnis kontenta. Li diris, ke li deziras sian skribmaŝinon.

Pro tio, D-ro Jordano demandis la gardiston ĉu estus permeseble alporti skribmaŝinon al la karcero. Feliĉe por Shakespeare, la gardisto donis permeson, kaj post unu horo la kuracisto realvenis kun la skribmaŝino de Shakespeare kaj abunda papero. Tio plaĉis al Shakespeare, tuj li komencis marteli la klavojn kiel knabeto, kiu ne povas skribi aŭ legi. Tiamaniere la aliaj lin forlasis.

Je la dua mateno, kiam Hektoro estis en la frenezulejo, D-ro Ferbarbo, la oficiala kuracisto de la hospitalo, denove vizitis Hektoron.

»Bonan matenon, Sinjoro Shakespeare. Kiel vi fartas hodiaŭ?«

»Shakespeare? — Shakespeare? Aŭskultu, maljuna buteo, mi ne estas Shakespeare, mi estas Edgar Allan Poe,« li grumblis al la kuracisto turnante sian atenton de la skribmaŝino, sur kiu li estis brue frapetanta.

»Bonvolu senkulpigi min, Sinjoro Poe,« petis D-ro Ferbarbo.

»Certe, certe mia amiko,« respondis Poe per tre milda tono.

»Ĉu vi estas okupata, Sinjoro Poe?«

»Ho, ne tre,« respondis Poe, »eble vi memoras, ke proksimume antaŭ cent jaroj mi verkis poemon, kiun mi nomis La Korvo.«

»Jes, jes.«

»Jen mia kara amiko, nun mi skribas poemon kiun mi nomos, La Frugilego.«

D-ro Ferbarbo rigardadis al la papero sur la skribmaŝino trans la ŝultro de Poe kaj vidis, ke tio estis vere, kion la frenezulo faris. Sed malfeliĉe »La Frugilego« estas tro malpura por esti presita tie ĉi.

La tagon post tiu, kiam la kuracisto lin vizitis, Hektoro kredis sin mem esti Victor Hugo; je aliaj tempoj li estis iu alia, kaj tiamaniere li pensis, ke li estas alia ĉiudu-

facilanima junulo: humiliĝo kaj larma kunsento. Glitveturiloj portas ilin al Siberio. Kvardek-grada malvarmo. »... Ni haltis ĉe la limo de Eŭropo kaj Azio, antaŭ ni Siberio kaj la mistera estonto, malantaŭ ni nia tuta pasinto; estis ege malgaje; mi eklarmis.« Nun: sesjara sufero en malpuro, inter ne-homaj cirkonstancoj, kiun mildigas nur la denerviĝo antaŭ la epilepsiaj atakoj, kaj la hospitalaj tagoj, — kaj la minado en la profundo de la mizeraj animoj. »Eĉ inter la murdintoj mi trovis homojn« — li skribas. »Mian tempon mi ne pasigis vane.« Nun ankoraŭ du pli liberaj jaroj en Siberio, en duonprimitiva urbo, kie lin konkeras amo kaj feliĉa amika rilato kaj la reviviĝo de la eblo legi, legi, rekompletigi sian kulturon, kio ne estis farebla en la kruela vivo de la punbarako. Kaj li eklaboras: lia plej grava verko el tiu periodo estas la »*Notoj el la domo de mortintoj*«, (memoroj el la pundomo), sankta verko pri la homaj suferoj, mizero, nigraj bildoj sur griza fono kun la varieco de l' Infero, kien kortuŝe verŝiĝas foje-foje maldika radio de la dia sunlumo. Fine en 1857 li edziĝas al la jam delonge amata virino, en 1859 li povas reveni al Petersburgo. Lia edzino mortas, li havas, pro familiaj kaŭzoj ŝuldojn, kiuj lin sufokadas.

Liaj nervoj ruiniĝas. Nun sekvas elprovo de ruletŝancoj; la sekvo, kompreneble, estas financa bankroto, sed literatura gajno: la »*taglibro de ludisto.*« Sed ĉio ĉi ĝis nun estas nenio: nun naskiĝas ideo pri giganta verko, pri la plej konsterna analiza romano: »*Kulpo kaj puno*«. Ne eble skribi nur kelkajn vortojn pri tiu ĉi libro, same kiel ne pri la aliaj grandaj verkoj, kies ĉiu meritas kaj ricevis apartajn studojn; fakte, se ni nun volas daŭrigi la biografion de Dostojevskij, ni devas konstati, ke la vivrakonto fluas nun en grandiozajn verkojn, — pensu nur pri la »*Idioto, Fratoj Karamazoff*« ktp., ĝis la morto en 1881. forpuŝas el lia mano la plumon, en tuberkulozo mortas la plej konscienca, demone inspirita verkisto de la malfeliĉuloj, kiuj feliĉiĝos. Kredis tion, kun profunda kredo, la sankta poeto de la homa animo: Teodoro Mihajloviĉ Dostojevskij.

»Se mi iam estis feliĉa, mi estis tia ne en la ebriigaj minutoj de mia unua sukceso, sed kiam ankoraŭ al neniu mi montris mian manuskripton... tiam mi ankoraŭ vivis kune kun miaj figuroj, kiujn mi mem kreis... mi amis ilin, kun ili ĝojis, malgajis, eĉ kelkfoje mi ploris kun ili en sincera doloro.«

Kaj la plej granda mistero de la Dostojevskija arto, estas, ke la tutan turmentan plezuron de la kreo oni travivas dum la legado de tiuj neforgeseblaj romanoj.

*F. Sz.*

---

tage. Sed ĉiam, kiam li ŝanĝis sian nomon, li adoptis la nomon de famkonata aŭtoro aŭ poeto.

D-ro Jordano vizitis Hektoron ĉiutage, Perla neniam venis al la frenezulejo. Ŝi diris al sia frato, ke ŝi volas memori Hektoron tia, kia li estis antaŭ ol li cerbomalsaniĝis.

Iun posttagmezon, post kiam Hektoro pasigis ses semajnojn en la frenezulejo, li donis al Karlo du manuskriptojn, unu estis nomita, »Sub la Fina Maro,« kaj la alia, »La Kruco sur la Plafono.«

»Jen mia amiko, tie ĉi estas du kompletaj romanoj, ekspedigu ilin tuj al la eldonejo, »li diris triumfe.

»La deziro de via moŝto estas tiel bone kiel plenumita, mia mastro,« la juna kuracisto certigis lin, klinante sin humile antaŭ la verkisto, kaj foriris antaŭ ol iu persono vidis lin.

Lia moŝto, la idioto ŝajnis tre plaĉita de tiu ĉi komplezeco.

Post du semajnoj la sekvanta artikolo aperis en preskaŭ ĉiuj el la dimanĉaj gazetoj en la lando.

FRENEZULO KIU VERKAS KIEL MAJSTRO

Hektoro Loreko, dudek-kvarjara, paciento de la hospitalo por cerbomalsanuloj en Detroit Lakes, Minnesota jus kompletigis du misterajn romanojn; unu estas titolita »Sub la Fina Maro« kaj alia, »La Kruco sur la Plafono.«

Tiuj ĉi rakontoj estis juĝitaj de kelkaj el la plej bonaj recenzistoj en Usono, kaj ĉiu aklamis ilin mirindaj. La zorganto de tiu ĉi paciento vendis la du verkojn al eldonisto; ili estos aĉeteblaj en la merkato post proksimume du semajnoj. Se la leganto estas interesata de vere bona mistero, li aŭ ŝi ne devus ellasi tiujn ĉi du romanojn, ili estas ekscitoplenaj ĉiupaĝe.

Loreko, la freneza aŭtoro, imagas sin iu alia ĉiudutage: Shakespeare, Poe, Hugo, Cervantes, Dumas ktp. Li estas freneza nur de la 1-a de Julio, kiam li falis de ĉevalo kaj vundis sian kapon; de tiu tempo lia ĉefa okupo estas skribado. Li estas diplomito de la Karolo-Kolegio en Waukesha, Wisconsin.

Kuracistoj opinias, ke la cerbomalsaneco de la junulo estas nur pasema.

Nenio bezonas esti dirita pri tio, kiel avide la homoj aĉetis la librojn; la eldonejo apenaŭ povis plenumi la mendojn sufiĉe rapide. Multaj grandaj poŝtmandatoj alvenis en la poŝtejo por Hektoro; ilin D-ro Jordano deponis en la bankon en la nomo de Hektoro. Fine Hektoro famiĝis kaj riĉiĝis; estis domaĝe, ke li estis freneza.

Iun tagon, baldaŭ post kiam la noveloj aperis en la merkato, la gardisto de la frenezulejo marŝis en la ĝardeno de la hospitalo. Subite li vidis grupon da pacientoj, kiuj estis starantaj ĉirkaŭ kaŝtanarbo: ili rigardis ion sur la arbo. Iomete alarmita, la gardisto rapidis apud la grupon por vidi, kio la interesajo estas. Kiam li alvenis, li vidis, ke tie sidas Hektoro sur malalta branĉo, suĉante sian dikfingron kaj zumante la arion de »La Maljuna Malglata Kruco«.

»He, Shakespeare!« kriis la gardisto, »malsupreniru, antaŭ ol vi falos kaj vin vundos.«

»Aŭskultu, filo de kurbkrura kamelo,« rediris Hektoro kolere, »mi ne estas Shakespeare, mi estas Tarzan kaj mi estas ironta al Opar.«

»Kiu ajn vi estas, mi diras denove, malsupreniru,« ordonis la gardisto severe.

»Ho! ne ĉagreniĝu pri mi, mi estis nutrita de simiino sur arbo. Rigardu.«

Parolinte la lastan vorton, Hektoro klopodis salti al branĉo de proksima arbo, sed maltrafis kaj falis al la tero kun la kapo antaŭen.

»Idioto, mi sciis, ke tio okazos; se via kolo estas rompita, mi ricevos mallaŭdon.«

Sed tuj Hektoro stariĝis, frotis sian kapon energie per la mano, kaj diris:

»Ho ve! tio ja estis severa frapo,« tiam li rigardis la ĉirkaŭajon kaj verŝajne tre surprizita, li demandis: »Nu, kie estas Karlo, mi volas diri D-ro Jordano kaj Perla Jordano? Kie mi estas?«

Tiel konfuzita estis la gardisto, ke li ne povis respondi Hektoron.

# EKZILITO

— L. N. Newell —

La vagonaro al Medina el-Sughajarah senfine ruliĝadis tra la varmego. Ĝi estis trapasanta dezerton, ĉar Medina el-Sughajarah kuŝas for de la Nila valo, en la nordorienta angulo de Egiptujo; tamen, tiu dezerto ne estis la dunhava, ora dezerto de la romantikaj verkistoj, kiun oni malofte renkontas; sed roka, kruela, grize mortega infero, kiu rebatas la lumon kaj varmon al la okuloj, kaj sendas nubojn el polvo tra la fenestroj de la vagono.

Mi forjetis tedite la *Bourse Egyptine* kaj la *Egyptian Gazette*, kiujn mi estis aĉetinta en Kairo, kaj rigardis enue miajn malpurajn manojn kaj vestojn: sur ĉio polvo karba kaj polvo dezerta; eĉ inter la dentoj grincis gruzeretoj. Mi malespere ŝvitadis, kaj deziregis, ke mi ne estu promesinta viziti la esperantistojn en Medina el-Sughajarah. Kelkfoje oni ja tro oferas por la movado. Pli utile sidi hejme kaj verki entuziasmigajn artikolojn, ol fari entuziasmigajn paroladojn en apenaŭ konataj urbetoj. Mi antaŭsuferis de la nervostreĉo kaj laceco, terure oftaj en Egiptujo, kiujn kaŭzas konversado en lingvo, kiun la kunparolanto nur duone komprenas.

La dua horo, la tria; kaj mi soifegas, sed ne kuraĝas mendi la dolĉegan gasakvon, kiun oni ĉie vendas en Egiptujo. La kvara, kaj ankoraŭ ni ruladas, senfine, seninterrompe, tra tiu griza forno. Je la kvina, subite, ni ekvidas grizan urbon, super kies tegmentoj kelkaj palmoj senespere sin klinas. Polvoza urbeto, kun domoj duetaĝaj el grizaj kotbrikoj, kun stratoj mallarĝaj kaj, unuavide, senbutikaj. La urbeto aspektas nefinita: ofte la dua etaĝo de la domo estas nekompleta, ĉar eluziĝis la mono antaŭ kompletiĝo, kaj ankaŭ la traboj elstarantaj el la plataj tegmentoj kaj muroj ŝajnigas domojn ankoraŭ konstruatajn.

Sur la perono, kie fine haltis la vagonaro, troviĝis nur du homoj portantaj eŭropajn vestojn kun fezo; mi prave supozis, ke ili estas miaj samideanoj. Unu estis granda viro, iom dika ĉe l' talio, kun ridetanta vizaĝo, grizaj haroj, kaj malgrandaj, melankoliaj okuloj. La alia estis malgranda, kun hakila vizaĝo, blinda en unu okulo pro oftalmio, kiel teruraj miloj da egiptoj.

La grandulo sin prezentis: Ghobrial Nesim, prezidanto de la grupo. »Ni havas granda honoro de vin akcepti en nia urbo, sinjoro. Vi estas tre ĝentila.« La dua salutis min arablingve, kaj mi respondis per la konvencia »*Sajdah! Ezajak?... El-Hamdulillah!* Saluton! Kiel vi?... Dank' al Dio!«

Laŭ la kutimo de tiaj okazoj, mi tramarŝis la stratojn kun ili, provante samtempe aŭskulti ilin, konvene respondi, diveni laŭ kiu vojo ni devas nin turni, kaj eviti la kamelojn kaj azenojn senĝene paŝantajn meze de l' hommamaso. La stratoj estas senpavimaj, faritaj el polvo kaj sablo, kaj ĉiu domano kutimas jeti siajn rubaĵojn kaj malpurajn akvojn sur la vojon. Plej bone estas marŝi meze de l' vojo, ĉar tie estas malpli da koto, kaj oni malpli riskas ricevi likvaĵon sur la kapon.

Fine ni atingis la domon de s-ro Ghobrial; granda domo, luksa laŭ egipta gusto, kun muroj blue kaj rozkolore farbitaj. Interne estis malvarmete, kaj kun longa suspiro, ĝentile kaŝita, mi eksidis sur blanka kanapo.

Nun mi ekvidis denove, kaj kiel ĉiam, ĝuis la egiptan gastamon. Vokinte servistojn, mia gastiganto insistis mem doni al mi kafon, limonadon, kukojn kaj biskvitojn. Li ripetis plurfoje la ĝentilajn salutojn, sen kiuj neniu — eĉ ne plej intimaj amikoj — renkontiĝas en Egiptujo: Kiel vi? Dank' al Dio! Vi honoras nin. Estu bonvena! Ĉu vi sanas? Ĉi tiu estas ĝojega tago por mi. Dank' al Dio!

Li parolis en ne tre korekta, sed flua Esperanto; kio mirigis min, ĉar Esperanto estas lingvo tre fremda por la arablingvanoj, kaj Ghobrial ne tre bone komprenis la anglan kaj francan lingvojn. Mi eksciis poste, ke nur lia emocia alkroĉiĝo al Esperanto ebligis tiun fluecon.

Dum ni surface paroladis, mi povis lin pli bone

---

»Respondu miajn demandojn,« ordonis Hektoro, »Kie estas mia ĉevalo? Kiel okazis, ke jam lumiĝis? Estis jus vespero.«

Guste tiam D-ro Jordano alvenis en sia aŭtomobilo. Li baldaŭ ektrovis, ke lia amiko denove cerbosaniĝis kaj ĝojis treege pro tio, eĉ se li devis respondi multajn demandojn por klarigi al Hektoro, kie li estis dum la lastaj du monatoj kaj kial.

Ĉar la gardisto ne havis permeson liberigi pacienton, D-ro Ferbarbo estis alvokita. Post unu horo Hektoro Loreko, kun sia skribmaŝino en la mano, eniris en la aŭtomobilon de D-ro Jordano kun la juna kuracisto, por reveturi al la urbo. Li estis liberigita de D-ro Ferbarbo, kiu asertis, ke li denove estas tute cerbosana.

Veturante laŭlonge la vojon kun Karlo, Hektoro demandis: »Kion diras Perla, kiam vi parolas pri mi?«

»Nur malmulton, ŝi ŝajnas tre malgaja pro vi. Mi pensas, ke ŝi amas vin; ŝi certe estos feliĉa, ke vi denove cerbosaniĝis, ha, ha!«

Hektoro nur ridetis.

Alveninte antaŭ la dometon de Karlo kaj Perla, Hektoro diris: »Eniru unue kaj rakontu al Perla la novaĵon, mi eniros poste.«

La kuracisto obeis, ne demandinte kial; li eniris en la dometon kaj trovis sian fratinon en la kuirejo.

»Nu, Perla,« li diris, »mi havas bonan novaĵon por vi. Hektoro denove cerbosaniĝis.«

»Bone, bone!« ekkriis Perla, »Kie li estas?«

Guste en tiu momento, la plej terurega rido, kiun homa gorĝo iam povis elfluigi, estis aŭdata. La sono venis de la saloneto, en kiun Hektoro kaŝe eniris piedpinte.

»Karlo!« kriis Perla time.

»Ne timu, mi ne estas danĝera,« ekparolis Hektoro promenante en la kuirejon, »mi nur tiel multe alkutimiĝis al la freneza agado, ke nun mi pensas, ke tio estas ŝercaĵo.«

»Kion vi volas diri? Freneza agado?« demandis Perla.

»Ha! ha! Tio estis nur lertaĵo por atingi publikecon. Mi diris al vi, ke mi famiĝos, kaj mi faris, sed nur frenezulo povas fari tion.«

»Kanajlo, kion pensos la homoj, se ili aŭdos tion?« demandis Perla ridetante.

»Lasu ilin pensi, kion ajn ili volos, mi havas, kion mi volis...«

Elirante el la ĉambro, Karlo diris:

»Li ne estas tiel freneza.«

Solece en la ĉambro kun Perla, Hektoro ĉirkaŭpremis ŝin kaj demandis:

»Nu Perla, ĉu vi ŝanĝis vian opinion pri mi?«

»Jes — Shakespeare,« diris Perla ruĝiĝante iomete.

»Mark Twain, mia karulino, Mark Twain.«

Kaj tiam li sigelis ŝian promeson per kiso.

ekkoni. Li havis proksimume kvindek jarojn, sed estis energia kaj juneca. De liaj trajtoj radiis bonhumoro, digno, bonvolo al la homoj; li parolis kun la kvieta sagaco de tiu, kiu vidis malmulton, sed sian malmulton vidis klare. Mi sentis min komforta kun li, senembarasa; nure, de tempo al tempo, min maltrankviligis ia distreco, ia malgaja ombro, kiu forviŝis la rideton de lia vizaĝo.

Mi sciis per lia nomo, ke li estas kopto — unu el tiuj kristanoj flosantaj sur maro mahometana. Krome, oni diris al mi en Kairo, ke antaŭ kelkaj jaroj li estis riĉulo, kiu subite malriĉiĝis pro la senvaloriĝo de kotono. Ĉion li perdis, kampojn, kotonon, domon; lian domon, en kiu ni sidis, aĉetis lia frato, kaj permesis al li ankoraŭ okupi ĝin. Li laboris en publik-serva kompanio por salajro negranda. Da tiaj historioj oni aŭdas milojn en Egiptujo post la komenco de la krizo.

Li parolis al mi kun granda respekto, kvazaŭ al superulo. Kiam mi unue rilatis kun egiptoj, kiu respekto ŝokis min, kaj mi volis ĝin eviti. Ĝi ĉiam metis baron inter mi kaj ili. Ĝin forigi estis tamen neeble, kaj al ĝi mi alkutimiĝis, kiel al neevitebla ĝenajo. Ĝin montras la egiptoj al ĉiuj eŭropanoj, kaj speciale al instruistoj, kia mi, ĉar ĉie en la oriento la klereco estas tre honorata. Tiun emon plifortigis ĉi-okaze la faktoj, ke mi estas konata esperantisto, kaj ke Ghobrial estas kopto, kies esperoj dependas parte de la angloj en Egiptujo.

Tiu sinteno de la egiptoj ĉiam ŝajnis al mi iom patosa; necesa flatado de malfortuloj al venkita raso. Ĉe Ghobrial, tiu granda, digna, simpla homo, ĝi ŝajnis al mi pli ol ordinare — kion mi diru? »Kompatiga« estas insulta vorto. Ĉu »malfieriga«?

Baldaŭ li prezentis min al sia familio: edzino ankoraŭ bela, kiu parolis la francan lingvon flue, kiel ĉiuj egiptinoj de bona familio; filino dudekjara, forta, bela kaj ridema; kaj dekkvinjara filo, tro grasa sed inteligenta lernejano. Ghobrial havis ankoraŭ du filojn, unu en Londono, kiu studas la medicinon, kaj unu en Kairo, kiu studas la juron.

La du virinoj estis interesaj; en malgranda urbo, perdita meze de la polvaj kampoj kaj la dezerto, ili parolis gracie la francan lingvon, interesiĝis pri la franca literaturo, eŭropa muziko, poezio; ili neniam havis okazon priparoli sian intereson kun aliaj, sed tamen ili tenis viva tion, kion ili lernis, patrino kaj filino, en la jezuita lernejo de Aleksandrio. Tiaj virinoj troviĝas ankaŭ en mahometanaj hejmoj, sed la fremdulo neniam povas ilin alparoli; nur la koptaj virinoj renkontas aliajn virojn ol la edzo, fratoj, patro.

Baldaŭ estis tempo iri al la grupo, por renkonti la esperantistojn. Kolektiĝis, en tute senornama ĉambro, proksimume deko da viroj (tiajn aferojn neniam partoprenas la virinoj), inter kiuj oni prezentis al mi la redaktoron de la loka jurnalo. Mi tuj sentis, ke mi pli utile parolus en la angla lingvo, ĉar ili ĉiuj murmure respondis al mia Esperanta saluto, aŭ diris ion rekte en la araba lingvo. Preskaŭ ĉiu edukita egipto pli-malpli komprenas la anglan lingvon, kvankam malmultaj kapablas flue paroli. Tamen, konata esperantisto estas ja konata esperantisto, kaj li devas pruvi, ke la lingvo estas parolebla. Mi sekrete dankis al la Cseh-kursoj, ke ili instruis al mi paroli malrapide kaj simplege.

Per la ruzoj, kiujn scias ĉiu propagandisto, mi sukcesis fari paroladon, kiun ĉiu komprenis — eĉ la neesperantistoj; mi manpremis ĉiujn, rezistis per la helpo de Ghobrial ĉiun inviton al la hejmo de la ĉeestintoj, kaj reiris kun li al lia hejmo, kie nin atendis la vespermanĝo.

Ha, tiuj egiptaj manĝoj, sub kiuj la tablo preskaŭ krevas! Mi estis nenion manĝinta jam de la mateno, kaj mi ne malhonoris min eĉ antaŭ la bankedo, kiun s-ino Nesim preparis por mi; ĉiam escepte de moloheja, glutena supajo el speco de alteo (mi kredas), kiun eĉ pro ĝentileco mi ne povis manĝi. Ghobrial, kiel familipatro kaj gastiganto, elektis la plej bonajn pecojn de ĉio por ilin meti sur mian teleron; kaj se hazarde li trovis bonan viandopecon sur sia propra telero, li tuj ĝin forkis kaj donis sur mian.

Post la manĝo, ni iris sur la tegmenton, por ĝui la freŝan venteton, kiu nepre beligas la egiptan nokton kaj por babili komforte. Tie ĉi, per trankvila voĉo, kun manoj falditaj sur la ventro, li komencis paroli pri egipta politiko, transiris al la sorto de la koptoj sub mahometana registaro, de tio ĉi al la araba literaturo, kaj al Esperanto. Dum li parolis, mi komencis kompreni la kaŭzon de tiuj ombroj, kiujn pli frue mi rimarkis sur lia vizaĝo.

»Aŭskultu, kara sinjoro Mansell, ni havas kaj ĉiam havos mahometan registaron. Ili neniam amis nin. En la komenco ili promesis respekti nian religion, sed samtempe punfrapis ĉiun, kiu ne ŝanĝis sian religion. Tiam ili kutimis havi plurajn edzinojn, ni — nur unu; kaj nun estas dekkvin mahometanoj por ĉiu kopto. Nun estas pli bone; antaŭ la leĝo ni estas egalaj; sed ĉu iam kopto atingas la plej altajn oficojn?«

»Nu, vere; sed tio ŝanĝiĝos, kiam la Nacia Partio formos la registaron; finfine, ĝi bezonas la apogon de la kristanoj, kaj la vic-ĉefo de la Partio ja estas kopto, ĉu ne?«

»Sinjoro Mansell, mi marŝas ĉiutage sur la strato, kaj ĉiu salutas min ĝentile, ĉar ĉiu min konas en tiu ĉi urbo. Salutas ĝentile ankaŭ la mahometanoj. Sed en siaj koroj ili pensas, »*El-kelb el-nasrani!* Kristana hundo!« Eble, ili respektos nin estonte, sed ĉu mi povos forgesi, ke ili forprenis nian landon? Ni, la koptoj, estas la filoj de la antikvaj egiptoj, kaj ni estas ekzilitoj en nia propra patrujo.«

Mi rimarkis, ke li parolas kun ia subpremita amareco, sen ekscito, pri temo longe primeditita. Kvazaŭ li serĉis longe iun, neŭtralulon, al kiu li povos rakonti la suferon de sia popolo. Devige la koptoj estas suspektemaj homoj, kiuj malofte kuraĝas paroli malkaŝe.

»Sinjoro,« li daŭrigis, »ĉu vi komprenas, ke mi eĉ ne havas lingvon? Ili devigis nin paroli ilian lingvon, kaj ni forgesis la koptan lingvon. Ĉu mi estas arabo? Kial mi parolu fremdan lingvon altruditan? Ĉu vi komprenas, ke mi ne volas paroli la lingvon de niaj subpremantoj? Sed kian alian lingvon mi havas? Iam mi pensis lerni la koptan lingvon, sed al kiu mi povus paroli? Eĉ multaj el niaj pastroj komprenas ĝin nur sufiĉe por legi la Biblion.«

Li silentis momente, sidante en la mallumo senmove. Super ni brilis la sennombraj steloj de egipta nokto; de apuda strato aŭdiĝis el kafeja radioaparato araba muziko, en gamoj, al kiuj mia eŭropa orelo ankoraŭ ne tute alkutimiĝis... Mi ekkomprenis la konvertiĝon de Ghobrial al Esperanto, kaj denove miris pli la diverso de la kialoj, kiuj varbas al ni adeptojn.

»Vi estas la unua alilanda esperantisto, al kiu mi iam parolis. Vi donis al mi tre grandan ĝojon, ĉar mi vidas, ke la esperantistoj ne estas samaj, kiel la aliaj. Vi ne malestimas nin. Vi aŭskultas min; vi komprenas miajn ĝenojn. Vi ne estas fiera. Vi komprenos, kiom kore kaj profunde mi dankis al mia Dio, ke li kondukis min al Esperanto. Sinjoro, Esperanto estas la lingvo de ĉiuj homoj, ĝi ne estas la lingvo de subpremantoj. Sinjoro Mansell, mi volas paroli ĉiam nur Esperanton, mi volas forgesi ĉiujn aliajn lingvojn. Mi havas korespondantojn en multaj landoj, ili skribas al mi regule, kaj mi kon-

servis ĉiujn iliajn respondojn. Ili estas miaj fratoj, pli ol miaj samlandanoj.«

Kion mi povus respondi? Kiel anglo, kiel esperantisto, mi ne volis aprobi plendojn kontraŭ la registaro; mia rolo devis resti severe neŭtrala. Aliflanke, ĉu mi povus piedpremi liajn karajn iluziojn? Egipto ne povas koncepti la ŝtormojn facile vekitajn de patriotismo, de ekonomia konkurenco, de nacia honoro, de blinda rasa fiereco, ŝtormojn, kiuj povas detrui la pacan laboron de la esperantistoj en unu sola nokto.

Nu, mi gurdis la kutimajn banalaĵojn de propagandistoj pri progreso, internacia amikeco, registara subteno, universalaj kongresoj. Ŝajne li estis kontenta; eble io en mia voĉo sciigis al li, ke mi trovas lin simpatia, ke mi kunsentas kun li.

Kaj efektive mi kunsentis kun li, spite mian scion, ke li troigas, ke lerni Esperanton por ne paroli sian gepatran lingvon (la araba lingvo estas jam vere la gepatra lingvo de ĉiu kopto), tio estas fantaziaĵo, kiĥota absurdaĵo. Vere, ke en Egiptujo ankoraŭ estas restaĵoj de religia fanatikeco, ke la mahometanoj ankoraŭ malestimas la koptojn kaj malofte difinas al ili bonajn postenojn en oficejoj, ministerioj, laborejoj. Tamen, sub la konstanta premo de okcidentaj kulturo, inventaĵoj, scienco, la fanatikuloj perdas grade sian influon; kaj mi sciis, ke miaj mahometanaj amikoj estas tiom pacamaj kaj bonvolaj, kiom la koptaj.

Sed mi sciis ankaŭ, ke estus neeble komprenigi al Ghobrial la absurdecon de lia deziro; ke se mi rezonadus kun li, provus pliraciigi lian vidpunkton, mi nur vundus lin profunde — kaj senutile; kaj eble perdus ŝatatan amikon.

Anstataŭe, mi diris, ke per Esperanto mi trovis miajn plej bonajn amikojn en fremdaj landoj; ke mi estas feliĉa, parolante nian lingvon, ĉar mi sentas min egala kun ĉiu homo; ke Esperanto instruas respekti egale la homojn de ĉiu raso kaj ĉiu religio; ke esperantistoj estas ĉie fratoj. Banalaĵoj nur parte veraj; sed kion alian mi povus diri?

Li dankis min, kvazaŭ mi estus montrinta al li grandan favoron; kaj ni iris al niaj litoj, ĉar li disponigis al mi la liton de la filo, kiu studis en Kairo.

La proksiman matenon li promenigis min »por saluti kelkajn amikojn, kaj por viziti la redaktejon de la loka gazeto«. Marŝante laŭ la strato, li ĉiumomente svingis la manon al la fezo, kun basvoĉa »*Saidah!*« aŭ »*Salam' alejkum!*«, kaj mi konstatis, ke malgraŭ sia malriĉiĝo, li ankoraŭ estas unu el la plej konataj enloĝantoj de la urbeto, kaj respektata. Tamen, ni devis viziti strange grandan nombron da oficejoj, butiketoj, domoj, sen tre klara celo. Mi baldaŭ komprenis la kialon. Ghobrial sentis la bezonon, pruvi al si kaj al la mondo, ke spite sian ruiniĝon, spite sian rason aŭ religion, li ankoraŭ estas influhava, grava. Nu, angla instruisto, kiu multe vojaĝis, kiu faras publikajn paroladojn kaj eĉ publikigas artikolojn en gazetoj, estas grava persono en tia vilaĝeca urbeto, kaj liaj amikoj partoprenas lian gravecon. Mi do faris mian eblon por aspekti grava, dignoplena eminentulo, por komplezi al Ghobrial. Sed mi ĝojis, ke ne ĉeestas alia anglo por priridi min.

Tiun posttagmezon mi foriris al Kairo. Ghobrial kaj lia filino akompanis min al la stacidomo, kaj en la lasta momento lia servisto alkuris kun korbo plena je figoj kaj mangoj, »ĉar la fruktoj en Kairo ne egalas la fruktojn en Medina el-Sughajarah, kaj estas terure multkostaj, kaj se vi prenas ĉi tiujn, vi ne bezonos aĉeti dum kelkaj tagoj.«

De tiam mi regule vidis Ghobrial du-trifoje en ĉiu jaro, kiam la aferoj de lia kompanio venigis lin al Kairo. Ĉiam ĝentila, ĉiam fiera pri siaj korespondantoj, ĉiam plorige dankema, ĉar mi traktis lin, kiel unu eminentulo traktas alian. Li priparolis kun mi la aferojn de sia grupo, demandis konsilojn pri legaĵoj, priparolis politikajn aferojn; mi rimarkis, ke lia Esperanta parolado pliboniĝas.

Mi do estis tre interesita, kiam li anoncis, ke li aniĝis al la universala kongreso. Ĝi okazis tiun jaron en unu el la nordaj ĉefurboj; Stokholmo probable. Mi gratulis lin pri lia longa vojaĝo, la unua ekster la limoj de Egiptujo, kaj diris, ke de nun li estos eĉ pli granda vojaĝanto, ol lia filo, kiu studas en Londono. Mi ĝojis, ke li iros al kongreso; finfine, mi pensis, li estos en senrasa mondo, kie ĉiuj homoj ŝajnos egalaj; ĝi estos la plej mirinda, feliĉa sperto de lia vivo. Tamen, mi konstatis en mi ian dubon: Ghobrial estas tiom sensperta, senprotekta, fidema; malsimila al niaj gajaj, senzorgaj junuloj, aferemaj laborantoj, aŭ durkonkaj vegetaranoj, kontraŭtabakuloj, poŝtmarkemuloj. Mi neklare timis pro li kontuzojn.

El la Kongreso li sendis al mi salutan poŝtkarton, entuziasman, sed sen detaloj. Sekve, mi ĝojis, kiam poŝtkarto el Medina el-Sughajarah anoncis, pli frue ol mi estis supozinta, ke li vizitos min post du-tri tagoj por priparoli la Kongreson.

Certe, kiam li alvenis, li estis plena je entuziasmo; tamen, mi kredis rimarki denove tiun melankolion en liaj okuloj. Sed pri tio li nenion konfesis.

»Sinjoro, mi dankas Dion pro mia sukcesa vojaĝo. kaj mi tre bedaŭras, ke vi ne povis min akompani. Mi parolis kun personoj el multaj landoj, kaj ili ĉiuj estis tre ĝentilaj. Mi havas dek novajn korespondantojn, el sep landoj. Unufoje, mi eĉ parolis kelkajn vortojn en publika kunveno, kaj ĉiuj aŭskultis min tre atente. La esperantistoj estas tre ĝentilaj homoj. Jes, nun mi revenis hejmen, kaj mi estas tre kontenta.«

»Sed kial vi revenis hejmen tiel frue? Mi pensis, ke vi intencas viziti Germanujon kaj Francujon dum unu-du semajnoj, antaŭ ol ekvojaĝi al Egiptujo?«

»Nu, jes, tion mi intencis, sed kion fari? Post la Kongreso mi vagadis sola kelkajn tagojn, sed baldaŭ mi ne plu povis elporti la solecon, mi terure soifis al mia hejmo, do mi revenis tuj.«

»Mi bedaŭras. Tamen, vi faris belan vojaĝon, kaj ekkonis multajn homojn, kaj vi kontaktis kun multaj nacioj. Ĉu vi bone komprenis ilin? Ĉu vi havas multajn novajn amikojn?«

»Jes, multajn,« li respondis, sed kun ia necerteco en sia voĉo. »Hungaroj, svedoj, francoj, germanoj, multaj. Nure, la angloj ne havis tempon por paroli, mi ne povis amikiĝi kun ili.«

Mi aŭdis senkuraĝan tonon en lia voĉo; evidente lin trafis ia seniluziiĝo. Ĉu li malbonŝance provis paroli al iuj gejunuloj rapidantaj al kabaredo aŭ dancejo? Ĉu li malprudente haltigis iun komitatanon aŭ oficiston, kiu tute ne havis tempon por amuza babilado? Mi ne sciis, kaj ne utilis demandi: pro nenio ajn li volus konfesi al mi malĝentilaĵon, aŭ realan aŭ imagitan, flanke de anglo; li timus min insulti. Li kutimis en Egiptujo suprenrigardi al la angloj (miaj samnacianoj estas postulemaj pri tio), kun la rezulto, ke Ghobrial pli alte taksis la amikecon de angloj, ol tiun de ĉiu alia nacio.

Mi ankoraŭ renkontas lin ofte; li ĉiam laboras pri sia grupo, korespondas kun alilandanoj, esperas iri al alia kongreso; sed mi scias, ke li devas dolore blindigi sin pri la fakto, ke eĉ en la Esperantismo estas mankoj, ke eĉ la »kara lingvo« ne ĉiam, ne tute, fratigas la homojn.



# OBSERVO

## ĈE JOLÁN FÖLDES

Meze de oktobro, nova sensacio frapis la leganton en ĉiu hungara gazeto. La romankonkurson aranĝatan la unuan fojon de la agentejo Pinker en London kun partopreno de 14 grandaj libroeldonejoj en same tiom da ŝtatoj, kaj premiatan per 4000 funtoj sterlingaj, gajnis hungara verkisto. La sensacion ankoraŭ pliigis, ke ĉiokaze virinon distingis la juĝantaro. Ankoraŭ vive mi memoras pri la romano de Ferenc Körmendi, la gajninto de la angla romankonkurso antaŭ kelkaj jaroj, kaj ankaŭ pri tiu vigla interesiĝo, kiun tiu romano vekis ĉe la legantoj de »Literatura Mondo«. Mi ekscivolis do en mia propra persono kaj en la nomo de L. M. pri la gajnintino Jolán Földes, verkintino de la »Strato de la fiŝkaptanta kato«. Mi alvokis ŝin per telefono. Agrabla virina voĉo akceptis mian interesiĝon kaj en senpera tono donis eblon por intervjuo.

Jolán Földes loĝas sur flanko de monteto, en strato pitoreska kaj iom malzorgita. El ĉi tiu loko ŝi havas belegan panoramon sur la urbon kaj la urban vivon. Ĉu ŝi elektis la loĝejon ĉi tie, ĉar ŝi volas vidi la vivon de la urbo, aŭ ŝi vidas tiun vivon tiom akre, ĉar ŝi loĝas ĉi tie, mi ne scias, sed la romantika simpleco de ĉi tiu loko estas tre konforma al la figuro, loĝejo, meblaro kaj vortoj de la verkistino. En ŝia loĝejo mi ne vidis ankoraŭ la efikon de tiuj preskaŭ centmil dolaroj de ŝiaj atendeblaj honorarioj. Simpla, malplena antaŭĉambro, iom kalva granda ĉambro, kvarmetra libroŝranko kaj granda kuŝejo, kompletigitaj per kelkaj seĝoj kaj tablo — jen la tuta establo. Ĉe la eniro, la unua impreso estas, ke la loĝejo eestas iom malafabla. La tuta establo karakterizas malriĉan, iom malordeman, tamen belaman loĝanton. Mi vidas malaltan, iom hirtharan virinon, unuavide kun tute modesta aspekto. Sed kiam ŝi ekparolas, ŝiaj okuloj ekvivas kaj strange altira inteligenteco radias el ili. La senpera voĉo, la delikataj gestoj atestas pri bone ekvilibrita homa vivo.

Kaj kiam mi sidas vid-al-vide kun Jolán Földes, la propagandisto vekiĝas en mi. Mia unua demando do estas:

— Kion vi scias pri Esperanto?

— Se diri la veron, mi preskaŭ estas Esperantisto — diras la verkistino. — Nome, kiam mi estis universitatanino (mankas al mi nur doktoriĝo ne farita pro edziniĝo: mi studis filologion kaj hodiaŭ mi flue parolas preskaŭ dekon da lingvoj), mia samklasanino estis knabino nomata Balkányi, kiu estis fervorega esperantistino kaj instigis ankaŭ min al la lernado (jen do, mi pensis, tiu sorĉisto Balkányi eĉ ĉi tie antaŭis min!) kaj pro ŝia instigado mi fakte tralegis lernolibron de Esperanto antaŭ dek jaroj. De tiam mi komprenas ĉiun Esperantan tekston. Foje Karinthy donis al mi tradukitan novelon, dirante ke mi certe ne komprenos. Kaj pro veto mi tradukis sen vortaro al li la tutan novelon. Ankaŭ nun mi kuraĝus veti, ke post diligenta studado de du semajnoj mi kapablus paroli tute flue kaj bone Esperanton.

(Nu, bone por mi — mi pensis. — Mia intenco de konverto trovis jam konvertitan animon. Ĉu veti aŭ ne veti? — tiel staras nun la demando. Sed mi vidas el ŝia certa memfido, ke en tia veto la perdinto estus nur mi. Prefere mi rezignas!)

— Ne, ne, — mi diras — prefere mi kredas vin. Ja ankaŭ Tolstoj diris proksimume la samon post studo dum du horoj. Sed kio estas via opinio pri Esperanto el filologia vidpunkto?

— Al mi ne plaĉas nur tio, ke en Esperanto mankas la diversaj genroj kaj ke ĉiu substantivo finiĝas per -o, ĉiu adjektivo per -a. Sed cetere la konstruon de la lingvo mi opinias tre sprita.

— Sed ĉu vi scias, sinjorino, ke unu el la multaj celoj de nia lingvo estas: doni al la unulingvuloj proksimigantan helplingvon?

— Jes, certe. En mia nun premiita romano la ĉefrolantoj ja estas tiaj »ekonomiaj emigrantoj«, por kiuj Esperanto estis siatempe savo en Parizo. Tiuj homoj tre multe suferis en la fremda medio kaj nur tiuj kapablis iel enhejmiĝi tie, kiuj sciis Esperanton. Eble interesas vin, ke iam en Parizo mi farigis kelkajn vestajojn per hungara knabino perdinta unu kruron. En ŝia kripleco, la sola konsolo estis la societo de esperantistoj. Ŝi donacis al tiu societo sian superfluan energion, ĉiun eblan monŝparon, de ĝi ŝi ricevis la minimume necesan vivĝojon, tiujn plezurojn, kiujn aliaj belaj kaj sanaj knabinoj ricevis de siaj amatoj. Sen tio eble eĉ vivi ŝi ne estus povinta en la fremda medio. Cetere mi ne scias multe pri Esperanto, mi ne interesiĝis tre funde pri la movado, kvankam kiel verkisto mi ofte aŭdis pri ĝi.

Vere konsternaj estis por mi ĉi tiuj vortoj. Mi memoris pri la nova originala romano de Emba, en kiu la ĉefrolon havas ĝuste knabino de la supra tipo. Tiu ĉi virino ekvidas per unu ekrigardo, kion ofte ankaŭ ni, movadanoj, ne vidas tiom klare. Kaj nun mi jam estis absolute certa pri tio, ke la grandan premion ricevis verko ne senmerita.

— Kaj kion vi scias pri nia literaturo? Ĉu vi opinias ĝin vivkapabla?

— Se mi konas ion el la lingvo, tio estas ĝuste ĝia literaturo, fragmentoj el ĝi. Krom la fratino de Balkányi estis ĝuste verkistoj, kiuj parolis al mi pri Esperanto. Mi pensas, pli multe mi ne devas diri al vi.

— Kion vi dirus pri la Esperanta eldono de via romano?

— Mi tre ĝojus pri ĝi, ĉar ja per Esperanto miaj vortoj venus ankaŭ en lokojn, kien per aliaj lingvoj ili ne povus iri, aŭ almenaŭ tre malfacile.*

Kaj ni parolis plu. El la kvaronhora intervjuo fariĝis trikvaronhora; mi sciiĝis, ke Jolán Földes unue verkis sociologiajn studojn, kritikojn, ŝi kunlaboris kvin jarojn en diversaj sociologiaj revuoj, ĝis fine, en sia dudekkvara jaro, surprize eĉ al ŝi mem, ŝi verkis dum duona jaro la unuan romanon. Tiu romano gajnis la unuan premion de iu el la plej eminentaj hungaraj romankonkursoj. De tiam ŝi verkas ankaŭ beletristike. La konkursoj literaturaj de tiam estas ŝia »superstiĉo«. En siaj romanoj ŝi pentras ĉefe la mizerajn, senhelpajn homojn, pri kiuj neniu zorgas, kies vivo pasus senvoĉe inter la milionoj da aliaj homaj vivoj. En ŝia stilo ŝin kondukas nur unusola konsidero: simpleco kun modereco. Ŝi tre amas vojaĝi kaj se ŝi havos multe da mono, ŝi travagos la tutan mondon. Ŝi havas mirindan memorkapablon. Miajn Esperantajn vortojn ŝi tuj tradukis, sed eble plej agrable estis por mi, en la fino de la konversacio, ŝia atentigo. Mi promesis al ŝi antaŭe alsendon de Esperanto-vortaro. Ŝi atentigis, ke ŝi tre dezirus ĝin ricevi por povi legi baldaŭ la ekzempleron de »Hungara Antologio«, lasita ĉe ŝi.

Mi ne kredas, ke Jolán Földes fariĝos iam ajn

*) Ŝian, nun jam mondfaman romanon verŝajne eldonos L. M. samtempe kun la alilingvaj eldonoj, en februaro 1937.

»obsedita« esperantisto. Sed mi scias, ke ŝi estas infektita per la »verdaj baciloj«, ke ŝi estos ĉiam defendanto de la valoro de nia lingvo, kaj ke la adiaŭe dirita »ĝis revido« apartenas ne al mi persone, sed al tiu lingvo, kiu redonis la feliĉon al multaj senhelpaj animoj.

*V. Bleier*

## LITERATURO KIEL NEGOCO.

En Parizaj literaturaj gazetoj aperas foje-foje anonco alloga, kies titolo estas »Devenez écrivain«.

Fariĝu verkisto!

Temas pri tio, ke lerta franco organizis »lernejon por verkistoj«: efektivan kurson, kie dum kelkaj semajnoj ĉiu ajn (?!) fariĝos verkisto. Ke nenia miskompreno estu pri la noblaj celadoj de tiu lernejo, jen laŭvorte la alloga anonco:

»*Fariĝu verkisto!*«

»Vi havas ideojn, kiujn vi ne povas esprimi. La temo estas en vi jam maturiĝinta kaj pripensita el ĉiu vidpunkto. Vi prenas la plumon... kaj antaŭ la blanka papero vin kaptas miksa sento de premiĝo kaj vertigo. Vi sentas, ke via cerbo kaj la papero estas egale malplenaj. Ĉio, kion vi kredis ordigita en via kapo, dancas kiel ciklono ĉirkaŭ vi. Pri kio vi pensis, ke ĝi estas kaptita, tio glitas por ĉiam el la manoj.«

»Ha, kion mi faru, — vi demandas, — por prezenti, kio en mi estas? Kiel mi komencu? Kiel mi finu?«

»Kiajn turmentojn devas senti junulo saĝa kaj decidiĝinta, se li sentas sin kvazaŭ vive enmasonita? Pezega ŝarĝo tio ja estas en vivkonkuro.«

»La lernejo ABC — titolo vere trafa — liberigas vin el la spirita karcero; prezentas en plena valoro la naturajn ecojn kaj la akiritan kapablon. Unuvorte, ĝi ĉerpas la maksimumon de via individuo. Per la helpo de unika kaj plej moderna metodo, eĉ jam post kelkaj semajnoj vi spertos, kiom al vi estos facila, kio estis ĝis nun neebla. La elekto de vortoj por la esprimo de viaj pensoj, ties ordigo kaj kunligo fariĝos ludo por vi. Ludo, kiu estas ne nur agrabla, sed ankaŭ profitdona, ĉar ĝi plibonigas vian situacion materialan kaj altniveligas vian respekton verkistan«.

»Skribu do tuj kaj ni sendos al vi nian detalan prospekton, kiu enhavas la necesajn informojn.«

Estas *plej ĉarme* en tiu stranga anonco, ke ĝi donas kompletan liston kun la nomoj de la adeptoj, kiujn tiu ĉi lernejo edukis *tiom efike*, ke ili atingis verkistajn sukcesojn. Estas bedaŭrinde, ke la valoro de la tie cititaj libroj estas tute ne kontrolebla, ĉar same kiel la titolojn de la verkoj, ankaŭ la nomojn de l' verkistoj kovras tre profunda mallumo; kaj la saman sorton havas la cititaj ĵurnaloj, en kiuj la koncernaj versoj kaj noveloj aperis. Ni rimarku, ke la aŭtoroj estas senescepte fraŭlinoj, kio — mi petas pardonon — ege suspektigas la rezulton de la *lernejo*.

*

Povas esti, ke tiu franca lernejo por verkistoj encerbigas al la lernantoj iom da kono kaj per tio la destinito povas ekiri sian verkistan karieron, kiel la konata lernanto de danclernejo, kiu ja povis danci, sed nur se li (aŭ ŝi) komencis de la forno. Sed la verkista kurso en Los Angeles nepre meritas eĉ inter la amerikaj stultajoj la unuan lokon. Estus ja tute ne mirinde, se la leganto ne kredus, ke io tia estas ebla, kaj li nomus simpla blufo kaj fantaziaĵo la ekziston de tiaj kursoj. Por refuti tiun supozon kaj suspekton de la legantoj, estas nepre necese la prezento de kelkaj dokumentoj, kiuj montras la literaturan nivelon de mezinteligenta amerikano.

Ĉiun honoron al la nova altvalora amerika literaturo kaj al ties legantaro, sed despli terura estas la legaĵo de la grandaj amasoj. Oni ja devas konstati, ke ankaŭ tiuj amasoj havas iom da kulturiĝemo, nur ili restis kelkajn miljarojn malantaŭ la kulturo de Eŭropo.

Tiun kleriĝemon ilustras arego de tiaspecaj kursoj, tre multnombraj precipe en New-York.

Revuo New-yorka sendis sian ĵurnaliston al kelkaj tiaj kursoj, kiu notis la respondojn de la partoprenantoj. Jen kelkaj perloj:

Epistolo estas la edzino de episkopo.

En la Nilo troviĝas aligatoroj kaj piramidoj.

Marteno Luther mortis en cirkonstancoj teruraj; unu bullo ekskomunikis lin.

Cromwell estis la ekzekutisto de reĝo Karlo.

Zebroj estas jam tute pereintaj kaj ilia nomo estas uzata nur por la ilustrado de la litero zo.

La akvo konsistas el duspecaj gin: oksigin kaj hidrogin.

Kia estas la verkista kurso en Los Angeles? Ĵurnalistino raportas pri tio.

Kiam ŝi vizitis la eminentan instituton, ĉeestis cent dudek gelernantoj, plejparte inter 45—50—70 jaroj. Maljunaj sinjoroj, maljunaj patrinoj kaj maljunaj avinoj svarmis en la ejo. Ĝuste tiam okazis ekzamenado.

La profesoro desegnis sur tabulo muron de fortikaĵo. En ties mezo estis algluita pordego el papero. Laŭ la klarigo, la pordego simbolis la sukcesan eniron en la fortikaĵon de la ĝusta verkado. Kiu volis eniri, tiu devis prezenti sian *legitimilon* t. e. la verkon de li faritan.

Se la profesoro akceptis la legitimilon, alivorte se la kreaĵo respondis al la reguloj de la instituto, la verkinto povis eniri la simbolan fortikaĵon. Sed ve al li, se li ne sukcesis. Tiam li estis ekzekutita. Ankaŭ la ekzekuto okazis nur simbole. Iu entreprenemulo el la maljunaj sinjoroj senkapigis la malfeliĉulon per hakilo el kartono.

Tiel oni igis la ekzamenon varia kaj ekscita.

Sed jam venas la unua ekzamenato, tio estas la unua migranto, kiu celas la fortikaĵon. La profesoro, pli ĝuste: la fortikaĵestro, postulas la legitimilojn de la migranto, kiu estis alta, malgrasa virino en flava vestaĵo kaj ruĝa ĉapelo kun grandaj verdaj orelringoj en la oreloj.

La fortikaĵestro laŭtlegis la manuskripton, sed konstatis ĝin nekonvena. Do li transdonis la malfeliĉan migrantinon al la ekzekutisto, kiu al ŝi bati plezure sur la kolon. Dum du horoj daŭris la hombuĉado. Sep lernantoj estis ekzekutitaj, kaj estis sepope ankaŭ tiuj, kies verkoj estis sukcesegaj; eĉ tiom, ke ili povis okupi en la fortikaĵo la lokon de eminentuloj.

Unu el la verkoj tiom superis la aliajn, ke la profesoro kriis de plezuro kaj vokis fotografiston por eternigi la novnaskitan genion. La verko solvis jongle la temon, kiu rolis en la instrumaterialo kiel *ĝusta konstruo de drama konflikto*. Jen la ĝusta solvo: Boato estas sur la maro. En la boato sidas Ĉefrolanto kaj legas. Li levas hazarde la kapon kaj rimarkas, ke en la pinto de boato siblas anakondo. Li volas salti en la maron, sed terure! apud la boato naĝas ŝarko!!!

Restas eterna sekreto, kiel la Ĉefrolanto rifuĝis, ĉar la profesoro malpermesis la finlegon de la novelo, hurlante, ke tio tute sufiĉas, ĉar situacio pli interesa en novelo ne povas okazi.

Ni kredas, ke ĉio ĉi laŭvorte okazis kaj ankaŭ tio estas kredebla, ke la »happy-end«-oj kaj murdadoj pleniĝantaj la amerikajn »magazenojn«, estas la fabrikaĵoj de tiuj kursoj.

*

Sed ne ĉiu havas sufiĉe da diligento, por viziti kursojn dum monatoj, ĝis lia (ŝia) deziro plenumiĝos kaj li (ŝi) vidos sian nomon presita sub iu verko literatura.

Ekzistas por tio solvo multe pli simpla.

*Skribu la verkon iu alia; li aĉetos kaj subskribos ĝin.*

La ideo estis tiom valora, ke oni fondis negocejon por renkontigi vendiston-verkiston kaj aĉetanton. Kie estas tiu kontoro? Ĝi estas, kompreneble, en Ameriko. Adreso preciza: New-York, East 49, No. 17. La raportisto de »Nouvelles Litteraires« trovis ĝin kaj konigas en la aŭgusta numero de la revuo. La titolo de la entrepreno estas »LA KONTORO DE VERKISTOJ-FANTOMOJ.«

La vorto verkisto-fantomo tute ne kovras precize la sencon de la angla vorto »ghostwriter«. Tiu amerika vorto intencas esprimi, ke la origina verkisto nur ŝvebas, kiel fantomo, en la fono, disiĝas de sia laboro, kiel animo

disde la korpo kaj sian surteran restajon li testamentas, kun plena posedrajto, al la aĉetanto.

En slango de la franca literaturo oni nomas ilin nêgre. En Esperanto oni povus ilin nomi *kulio*.

La kontoro liveras ĉion: novelon, romanon, poemon, artikolon, sciencan studon, retorikajon, toston, konfidencajn leterojn... Ili registras entute cent dudek kunlaborantojn. Per konvenaj slipoj ili elserĉas la nomon de la verkisto, kiu havas fakscion aŭ talenton bezonatan laŭ la mendo. Ĉar ankaŭ fakuloj laboras en la kontoro. Unu komprenas la terkulturadon, alia la ĥemion, tria la porcelanon. Eĉ, la kontoro donas okupon ĉefĉefe al fakuloj, ĉar talento ĝenerala troviĝas ĉiam superbezone.

La entrepreno ellaborigas ankaŭ temojn. Por tiaj okazoj ili havas registritajn homojn, spertajn en esploroj bibliotekaj. Ili elserĉas la materialon en bibliotekoj, liveras la materialon en la kontoron, kaj lerta fantomo tie ĝin prilaboras.

La honorario estas tute diversa. Ĝi varias por vorto de ½ centimoj ĝis 6. La verkisto pagiĝas laŭ la kvalito de la laboro. La mendanton ili trompas laŭ ties materia situacio. Ili postulas en kelkaj okazoj eĉ 40—50 dolarojn. Sed se la mendanto estas simpla burĝo, li povas ricevi jam por 5 dolaroj verkon, kiu adiaŭas mortinton.

Kiel videble, la entrepreno baziĝas sur tute reala fundamento. Ĝi estas konfidebla kaj honesta. Tiu honesteco estas bone konstatebla precipe ĉe verkoj beletristikaj. Raportisto de revuo interesiĝis pri la detaloj de la liverota materialo kaj la direktoro de la entrepreno respondis kun honesteco respektinda:

»Se ni liveras beletristikan manuskripton, ni garantias la ortografion, la interpunkciojn kaj la stilan precizecon, sed neniel ni respondas pri la literatura valoro de la verko.«

Je la demando, ĉu ili ricevas gratulajn leterojn, oni povis aŭdi la surprizan respondon, ke eĉ unu ankoraŭ ne alvenis. La mendanto hontas la negocon, akceptas la liveritan laboron, pagas, foriras kaj neniam plu li estas videbla.

Kiel fantomo ...

*

Por ke ni citu ne nur ekzemplojn francajn kaj amerikajn, jen io germana. En Berlina gazeto aperis la suba anonco:

»*Verkisto mondfama* laŭ notoj, dokumentoj, personaj rememoroj pretigas en formo arta la romanon de via vivo. Ĝi estas la plej bela kristnaska donaco. Plezuro de familioj. Ĉiu povas donaci al siaj ĵunuloj la literaturan priskribon de sia propra vivo. Ni petas ofertojn — kun la indiko de folioj — en la eldonejon.«

Ĉu tio bezonas komentarion?

## JARL HEMMER: LA MATENDONACO.

Ne estas ankoraŭ longe, ke Jarl Hemmer, juna sveda poeto, atingis sukceson, vaste trans sia hejmlando, per sia romano »Gehenna«. Jam tiam li estis taksata kiel unu el la vico de la grandaj nordaj rakontistoj, sed per sia nova romano »La matendonaco«, kiu sendube superas la antaŭan je arta matureco, li liveras nun plenan pruvon pri sia poeta povo kaj konfirmas la metitajn pri li esperojn. En ĉi tiu okazoriĉa libro, kies scenejo estas la maro kuŝanta inter Finnlando kaj Svedujo, kun siaj sennombraj insuloj kaj ŝeroj, rakontas Jarl Hemmer la historion de la amo de du junaj homoj — Valfrid kaj Tuva. Kiel infanoj de du malamikaj gentoj ili estas implikitaj en plej ardajn kverelojn, ĝis fine la sorĉo de granda amo venkas super malamo kaj venĝo kaj por ĉiam unuigas ilin. De frua infantempo premas ilin la pezo de kulpo, kiu postulas kontentiĝon kaj venĝon, ĉar iam en ŝtorma vintronokto la patro de Tuva, la lumturgardisto de Ankarö malatentis — kun aŭ sen intenco — la danĝersignalon de la ŝiprompa patro de Valfrid kaj lasis lin senhelpe sur la najbara ŝero »Matendonaco«, elmetante lin al la frosto kaj plej kruela malsatmorto. Tiel devas Valfrid, lia filo, kvankam li jam de sia junaĝo amas Tuva-n, fariĝi venĝanto de sia gento kaj postuli de la kulpulo kontentiĝon.

# Jubileo Andreo Cseh



En ĉi tiu somero la Esperantistaro inde festis la 25-jaran jubileon de la eminentaj verkistoj K. de Kalocsay kaj Julio Baghy.

Eble malmultaj scias, ke ne malpli grava jubileo atendas nin. Ankaŭ Andreo Cseh jam de 25 jaroj laboras en la servo de nia movado.

Ni ne bezonas tie ĉi larĝe priparoli la meritojn de Andreo Cseh, kiu senripoze laboradas por antaŭenpuŝi la movadon.

Andreo Cseh pliriĉigis nian anaron je miloj da novaj, entuziasmaj adeptoj. Lia fama metodo estas aplikata de centoj da instruistoj en la tuta mondo, vekante intereson ĉe novaj kaj malnovaj Esperantistoj.

Nun ni deziras feste rememori la fakton, ke li dum 25 jaroj senĉese dediĉis sin al Esperanto.

La Haga grupo »Fine Ĝi Venkos« festos sian 30-jaran jubileon je lundo, la 28-a de Decembro en salono de la Zoologia Ĝardeno, Benoordenhout 2, Den Haag. La intenco estas en la sama vespero festi la 25-jaran jubileon de Andreo Cseh kaj transdoni al li memorajon pri ĉi tiu grava fakto.

Ni invitas la Esperantistojn partopreni en ĉi tiu festo persone aŭ perletere. Leteroj por laŭtlego en la festvespero povas esti sendataj al la jena adreso:

F-ino C. H. van Voorthuijsen
Noordeindsplein 2 a, Leiden, Ned.

Tiuj, kiuj volas partopreni en la donaco (dependonta de la kolektiĝinta sumo) povas sendi sian kontribuon al la sama adreso, antaŭ la 15-a de Decembro 1936. (Poŝtĉekkonto de F-ino v. Voorthuijsen: 133.688).

*La Jubilea Komitato:*
*F-ino C. E. van Voorthuijsen,*
Noordeindsplein 2 a, Leiden
*F-ino S. M. Grönloh,*
Rijnkade 15, Leiden
*S-ino M. C. van Nooten-van Nooten,*
Jac. Mosselstr. 14 a, Den Haag
*F-ino N. Rademaker,*
Westplantsoen 43, Delft

Tamen, post daŭra batalo li estas venkita de la amo, kiu, ĉar ĝi estas pli forta ol la malamo, havas la kuracantan povon de interpacigo. En ĉi tiu streĉa agado, plena de ŝanĝiĝantaj homaj sortoj, troviĝas vico de okazajoj tre bildecaj kaj priskribitaj per vivaj koloroj, kiuj restas daŭre en la memoro. Tiel ekzemple la aventura savveturo, kies kuraĝa entreprenemo kondukas al feliĉa venko, aŭ la riskema, ruzoriĉa fokoĉaso tie en la eterne ŝtorma maro; la belega somerfesto kun sia gaja bruo ĉe ludo kaj danco; kaj antaŭ ĉio la granda amo inter Valfrid kaj Tuva, de la unua eksento ĝis la feliĉego de la plenumiĝo. Kaj kiel veraj estas konturitaj la homoj meze de la impona pejzaĝo de la maro, kun ties ŝtormaj veteroj kaj danĝeraj aventuroj ili devas ĉiam lukti! Ili fiere kaj rekte iras tra sia kruda vivo, sen evito, sen cedo, sen kompromisoj. Kiel ajn maljustaj ili povas esti, ili tamen amas en siaj agoj la veron, kaj kie ili volas maljuston, ili faras tion tute. Fakte, ekzistas ne multaj libroj, kiuj estas atesto de tiel senrompa, belega vivoforto kiel ĉi tiu romano de simplaj homoj en norda maro. Per ĝi Jarl Hemmer riĉigis la nordan literaturon per granda verko, kiu povas esti kalkulita al la grandaj kaj restantaj laboroj de la nordo. *F. W. V.*

HERVEY ALLEN: ANTONIO ADVERSO.

Ĉi tiu libro iĝis granda sukceso kaj kun rajto. Oni foliumus en la ampleksa libro, kaj oni ne povas, ĉar oni devas funde legi; viciĝas ja delikatajo post delikatajon, ellaboritaj en ĉiuj detaloj kaj tamen en granda stilo kaj kun la trankvila tempmezuro de impona eposo. Majstroverko kaj samtempe ankaŭ granda financa sukceso. Kvincent mil ekzempleroj estis venditaj en Usono sole; en Eŭropo estos certe ne malpli. Granda poeto kreis ĉi tiun verkon, plenumitan kun la preciza fideleco de fervora literaturisto, kun la spiro de vera lirikisto, sed ankaŭ kun la saĝeco de filozofo, kun la scio de la plej klera kulturhistoriisto kaj kun la memkompreneco de plej lerta jurnalisto. Sed kiu estas ĉi tiu Hervey Allen? Li, kiu ne nur ĉion povas, sed ankaŭ ĉion scias; al kiu la afrikaj praarbaroj estas same bone konataj kiel la kaktostepoj de Texas, Anglujo kaj Francujo same kiel Italujo, Hispanujo, Havanna; kiu konas ĉiun fibron de la homa koro tiel precize, kiel ĉiun floron de ĉiu klimato, kiel ĉiun beston de ĉiu zono; kiu estras la metion de ĉiu metiisto, de ĉiu scienculo, de ĉiu komercisto, de la soldato kiel de la ŝtatviro; kiu perfekte kiel virtuozo formas la karaktertipojn de la multspeca homgento. Kiu estas Hervey Allen? Se la tuta afero ne estas grandega amerika blufo, se sub la marko »Hervey Allen« ne kolektiĝis tuta aro de aŭtoroj sub la gvido de elstara kapo, ja, eĉ en ĉi tiu okazo (ne verŝajna pro la unueca stilo) ĉi tiu elstara kapo, Hervey Allen, devas esti geniulo.

Pri la titolheroo oni ne povas aserti tion. Adverso li estas nomata, ĉar »adversu casu«, per malfeliĉa hazardo, li venis en la mondon, el kiu ree per malfeliĉa hazardo li foriras. Li estas do tiel nomata malbonŝanculo. Sed tia, kiu tamen plej ofte havas feliĉon. Kaj — Hervey Allen, kiu ĉion scipovas, majstras ankaŭ la lingvon de la simboliko — li devas signifi certe la simbolon de la homo entute. Malantaŭ ĉiuj konfuzaj buntaj okazajoj ŝajnas stari granda bona pesimismo, kiu supozeble per la tuta libro volis diri nenion alian ol »ecce homo, ĉiu el vi estas Adverso, ni ĉiuj pro malfeliĉa hazardo enmondiĝas, ŝajne sensence estas ĵetataj tien kaj reen tra ĉi tiu ĝojkaj suferriĉa estado, por fine, per same malfeliĉa hazardo, elmondiĝi. Senfina melankolio ŝajnas regi malantaŭ ĉi tiu abunda vivo, eĉ se la poeto rigardas la svarmadon de siaj figuroj kompate ironie. »Kaj kvankam ili tiel baraktas, io granda tamen ne rezultos.« Kun ĉi tiu koncepto akordiĝas ankaŭ tio, ke Hervey Allen ne kreis vere grandan figuron.

Kiel sociale li restas en la pli alta etaĝo de la meza klaso, tiel li restas ankaŭ psikologe en la sama nivelo. Kiel ajn vivovera, ekzemple, estas lia Napoleono, Allen tamen desegnis pli la eksterajojn, la manieron de la diktatoro, la impreson, kiun tiu faris al aliaj, ol la animon de la titano. Grandaj propre estas nur la enkorpiĝoj de la malamo (Don Luis) kaj de la amo (Frato Francois), Adverso mem estas pli alta ordinara homo de nekutima perceptkapablo. Tio ja kuŝas en la eco de la evoluromano, kiu ja bezonas senteman heroon, por havi la eblon prezenti la efikojn de la diversaj medioj. Sed sentema homo malofte estas forta. Ĉi tiun rifon, ĉe kiu eĉ Goethe mal-

# Serene

## Noveleto de O. Dymow

Post kiam en Ameriko la telefono estis inaŭgurita, en la komenca periodo ĝi tute ne funkciis senriproĉe. La nunaj maljunuloj — bankieroj, negoculoj, ĵurnalistoj — eĉ nun indigne rememoras tiujn amarajn batalojn, kiujn ili faris en siaj kontoroj kaj privataj loĝejoj kontraŭ la invento konkeranta la mondon per obstina persisto. Oni rakontas pri tiu tempo, kiel la maljuna arbaristo pri la delonge forpasinta aŭtuno, kiam li faligis urson en la denso de la arbaro.

La gvidantoj de la telefonasocio ne kuraĝis montri sin surstrate, ili kaŝis sin en vilaoj, ekster la urbo, kiel kulpuloj, kiuj tremas antaŭ la potenco de la leĝo. La telefonistaro vivis sub la pluvego de malbenoj, tiel, ke la pli superstiĉaj post kelke da tagoj forlasis sian oficon.

La ĝenerala malkontento iom post iom iĝis jam minaca. La telefonasocio kun rapida decido establis »plendkontoron«. La kontoro estis en grandega halo, kiu plenpleniĝis jam kelkajn minutojn post la malfermo. Kiuj ne povis enveni, tiuj serpentis en longaj vicoj ekstere sur la strato. La homserpento kvaroble ĉirkaŭis la konstruajon kaj kreskis de minuto al minuto. La homoj atendis dum horoj, ke ili povu paŝi antaŭ la promesplenan tablon.

Kaj ĉe tiu tablo, kie oni disdonis juston, favoron kaj bonfaron kaj kie ĉiu povis esprimi siajn amarajn sentojn, sidis korpulenta sinjorino, ĉirkaŭe 60-jara. Laŭ sia vizaĝo ŝi similis al la carino Katerina la dua; en la neĝblanka harkrono estis amaso de harpingloj. Kun senlime milda kaj delikata rideto, sen la plej eta signo de malpacienco ŝi aŭskultis la plendon de la popolo, de la malesperaj telefonabonantoj. Ŝia majesta ekstero, ŝia pacienco, ŝia amika rigardo, ŝiaj bluaj okuloj, ŝia milda voĉo efikis kiel balzamo.

— Ni esploros la aferon. Ni faros ĉion. Trankviliĝu — ŝi diris kaj oni trankviliĝis. La skurĝitaj humoroj glatiĝis, oni ĉerpis novan esperon, denove alridis ilin la belo de la vivo.

— Duonhoron mi atendis je la kontakto! — plendis sinjorino. — Pripensu! Duonhoron! Ne tolereble!

— Estu trankvila. Ni aranĝos ĉion. — diris Katerina la dua.

— Mia telefono sonoris dum la tuta nokto senĉese, ĝemis alia. — Mi ne povis fermi la okulojn. Elĉerpiĝis mia tuta forto, mi freneziĝos!

— Ni reordigos — respondis la blankharulino kaj adiaŭis la plendanton per milda kapgesto.

Kaj tiel estis la afero en la dua, tria tagoj — dum semajnoj.

La 77.777-a plendanto paŝis al la tablo kaj deklaris:

— Lincoln estis eminentulo!

— Trankviliĝu. Ni riparos — respondis la sinjorino kun sia plej bela rideto.

— Washington ŝtelis pomon en sia infanaĝo el la fruktĝardeno de la najbaro!

— Ni esploros. Ni aranĝos ĉion — diris pace la sinjorino kaj kapjesis.

Car la ununura kaj neanstataŭebla oficistino de la plendkontoro estis senespere — surda.

sukcesis, provis eviti Allen tiamaniere, ke li venigas Adverson en grandan komercdomon kaj ankaŭ alie venigas lin en diversajn situaciojn kiuj postulas rapidan agon kaj energion. Tiamaniere, sian heroon, denature nur observeman, li povas plialtigi al aganto, sed kiu (signife!) fine tamen venas al mondrifuĝo, al meditemo kaj aktiva helpemo. »Amu vian kunhomon pli ol vin mem!«, tio estas la devizo, kiu neskribite staras super ĉi tiu streĉa verko.

»Antonio Adverso« estas evoluromano. Sed unika en sia speco pro tio, ke ĝi ne prezentas la evoluon de la poeto mem aŭ de iu el liaj samtempuloj, sed, per tia precizeco, kvazaŭ la aŭtoro estus ĉion vidinta per la propraj okuloj, ĝi rakontas la travivajojn de juna viro, kiu vivis antaŭ pli ol cent jaroj. La romano ludas antaŭ, dum kaj post la franca revolucio. Don Luis, hispana nobelo, kun sia juna edzino el angla komercistfamilio, venas al Francujo kaj mortpikas en duelo la feliĉan amanton de sia edzino, kiu mortas ĉe la nasko de sia needza infano; Don Luis transdonas la infanon al monaĥejo, kien ĝi kiel »casu adverso« alvenas. Kiel nun la juna Adverso tie pli grandiĝas, venas al sia patrina avo kaj poste en malproksimajn landojn kaj kontinentojn, kiel li suferas sub la malamo de Don Luis kaj sub la okazajoj de sia vivo, fine gajnas la amatinon de sia junaĝo kaj pro malfeliĉa hazardo mortas, tio formas la enhavon de ĉi tiu libro ampleksanta preskaŭ 1200 dense presitajn paĝojn. Pri ŝipaferoj, marveturado, grand- kaj etkomerco, loterioj, teatro, monaĥejoj, filozofio, sklavokomerco, sorĉado ĉe la primitivuloj kaj civilizuloj, grandaj kaj malgrandaj koruptoj: pri ĉio ebla, kio estas kaj ne estas legebla en enciklopedioj, ni sciiĝas per la libro en plej interesa maniero. Talleyrand, Pitt kaj Fox, la bankisto Ouvrard, Madame Georges, la hispanaj gereĝoj kaj ankoraŭ aliaj historiaj personoj aperas, sed la romano pleje ludas, kiel jam dirite, en pli altaj burĝaj rondoj. La libro estas timige bela, abundas de profundsencaj kaj mondosaĝaj rimarkoj, ankaŭ kelkfoje enhavas humoron, okaze portas ankaŭ tion, kion oni nomas klaĉo, sed neniam iĝas malinteresa. Ĝi ludas en la tempo de la poŝtkaleŝo kaj velŝipo kaj tamen oni ĝin sentas tiel moderna kaj aktuala, ke eĉ la plej malema leganto estas kaptata de ĝia sorĉo kaj neniu scias kial. Tiel estiĝis mondsukceso. *F. W. V.*

LA NACIA TEATRO EN BUDAPEST malfermis sian sezonon per aro de novaj verkistoj hungaraj. La direktoro, Antono Németh, kiu ricevis multajn atakojn en la antaŭa jaro, klopodas freŝigi kaj modernigi la reprezentan teatron de Hungarujo. Tamen, la originalaj teatrajoj tie prezentataj donis okazon plie al iu aŭ alia aktoro pruvi sian talenton, ol montri la talentojn de la hungara dramo. Ferencz Táray, Gábor Rajnay nepre estas aktoroj, kiuj trovus elstaran lokon sur iu ajn dramoscenejo de la mondo, sed veran kaj grandan sukceson atingis nur du teatrajoj de nehungaraj verkistoj.

Unu estas la »Fraŭlino Diamantrivereto«, kiun verkis la ĉino S. J. Hsiung kaj kie prezentis sian ĉarmon kaj neatingeblan talenton la eble plej granda hungara aktorino Gizi Bajor. La tuta prezento estas primitiveca kaj naiveca. La verkistoj provis alproksimigi la ĉinan dramon al la eŭropa kaj kvankam la reĝisoro faris el la dramo plie ian farson ol vivbildon, la publiko akceptis la verkon plej favore. La teatrovizitantoj ankaŭ en Budapest akceptas volonte la principon: »se ludo, estu ludo«. Nemirinde do, ke la plej grandan sukceson atingis la du helpaktoroj, kiuj reprezentis jen arbon, jen barilon, jen muron aŭ alian kulison necesan; kaj — la juna aktoro, kiu prezentis ĉevalon kun vosto en la mano.

La direkton en la interesiĝo de la publiko montras ankaŭ la dua sukceso, la verko de la dano, sub titolo »Kiu mi estas«?. La scenejo estas duoble aranĝita. Sur la scenejo ni vidas alian scenejon, kiu prezentas la animsuferojn de junulo, troviĝanta en malagrabla ama implikajo. Ni sekvas lian tutan evoluon, ĝis — li ekdeziras la morton de sia antaŭa amatino por ebligi edziĝon kun la nova, riĉa virino. Tamen, la aŭtoro volas nur montri, ke en la homo batalas bonaj kaj malbonaj intencoj kaj eĉ kiam la malbonaj intencoj venkas, la bona spirito helpas sincere pripenti tion kaj tiu ŝajna venko de la diablo okazas nur en sonĝo.

Ni prezentas sur niaj bildoj kelkajn scenojn el la montritaj teatrajoj kun la plej interesaj figuroj.

*BV.*

NOVA DIREKTO EN LA FILMARTO. Se ĝis nun ni parolis pri tia, ni ĉiam parolis pri la *maniero*, kiel prezenti la filmojn: pri la reĝisorado. Dum multaj jardekoj oni filmigis nur scenojn teatrecajn kaj la filmtekstoverkistoj devis fari longan vojon, ĝis ili alvenis al la priskribo de »griza« vivo de scienculo. Mi parolas pri la filmo »Pasteur« fabrikita de la granda filmfarejo Warner Brothers. La filmo brile pruvas, ke ankaŭ ĉiutaga vivo plena de laboro povas esti same interese filmigita, kiel la vivo de la grandaj militistoj. Kvankam senintence la filmo estas certe unu el la plej gravaj pacifistaj manifestoj, kiujn la filmarto iam produktis. Tamen malgraŭ la intereseco de la scenigo, la filmo ne estus venkinta, se la rolon de Pasteur ne ludus la fama franca aktoro *Paul Muni.* Estas la scenigo kaj la ludo de ĉi tiu genia homo, kio faris la filmon unu el la plej bonaj, ĝis nun viditaj de ni. Per kelkaj gestoj, simplaj vortoj, ofte per sola rigardo li vekas tian emocion en la animoj, kia laŭ la ĝisnuna supozo estis vekebla nur per la morto de la bona heroino, aŭ per alia speco de la rutina filmscenaro. *Ago* estas tiu ĉi filmo kaj ni nur povas deziri, ke Warner Brothers fabriku ankoraŭ multajn el la sama speco.

LA GERMANAJ FILMOJ en la lastaj jaroj estis absolute neinteresaj, ofte preskaŭ teruraj pro la diletantismo, per kiu oni fabrikis ilin. Vere, en la antaŭhitlera Germanujo la filmistoj estis preskaŭ senescepte eksterlandanoj, kaj kiam ili estis forpelitaj, la germana filmprodukto malaltiĝis al la nivelo de la filmprodukto de tute malgrandaj landoj. Se certaj homoj kaj landoj bojkotis la germanajn filmojn, ili ne perdis multe kaj multaj homoj ne rigardis ilin, eĉ sen ia intenco de bojkoto. La germanaj filmoj simple ne estis indaj al rigardo.

Des pli interese, ke hodiaŭ tiu cirkonstanco komencas ŝanĝiĝi. Lastatempe ni vidis du filmojn, kiu egale bone povus esti produktitaj en Usono aŭ Anglujo.

Temas pri la filmo, kies muziko estas la IX-a simfonio kaj Händel-oratorio. Ne parolante pri la muziko mem, kiu ja estas en si mem aŭskultinda, ni parolu nur pri la ĉefrolantaj virinoj Maria Tasnády kaj Lil Dagover, pri la vartistino kaj pri la etulo sesjara, kiuj vere estas artistoj. Sed al la tuta filmo mankas ia ajn tendenco partia aŭ mondrigarda; ĝi havas sur si stampon de la amerikanaj filmoj: »malbonuloj pereas, bonuloj beatiĝas«. Sed malgraŭ tio, la filmo estas bona.

Ankoraŭ pli mirigis min alia filmo »La cezaro de Kalifornio« kun la ĉefrolulo Louis Trenker. Ĝin fabrikis la germana Bioscop-filmfabriko kaj mi devas nepre akcepti kiel ĝian ĉefheroon — la fotografiston. Kio estas produktebla en la filmfotografado, tio estas ĉi tie prezentita. Bildoj unu post alia kun tia arta sento, kia en tiu amaso estas trovebla tre malfacile en unu sama filmo. Ke ankaŭ la reĝisoro kaj Trenker mem prenas sian parton en la sukceso, estas kompreneble. Sed oni ne povas prisilenti la enhavon kun sia realeco, historia dokumenteco kaj la finon — montrantan al homa progresado paca kaj civiliza. Estas tute nekompreneble, ke tiun filmon produktis la militemaj germanoj.

KARL AUGUST MEISSINGER: LA AVENTURULO DE DIO.

Ĉiu konanto de la Biblio scias, ke la 40 ĝis 55 versoj de la libro de Jesaja estas heterofonaj, tio estas malsamnaturaj: ili staras kiel pli nobla fremda korpo en sia ĉirkaŭaĵo kaj verŝajne havas aŭtoron alian, lirike pli talentan ol Jesaja, pro kio oni nomas tiun supozatan verkiston Deutero-Jesaja, tio estas: la dua Jesaja. Kiu li estis, kie

li vivis, kion li krom tio faris aŭ skribis, restis sekreto, kiu, kompreneble, povis inciti kleran teologon, sekvi liajn spurojn, se ekzistas tiaj, aŭ verki lian tutan vivon laŭ fantazio. Tion nun faras Karl August Meissinger: Lia romano »La aventurulo de Dio« estas la fikcia vivo-priskribo de la granda biblia poeto, kiun la verkisto nomas Sira. Pri tio povis sukcesi nur verkisto, kia Meissinger, teologo laŭ profesio, kiu okupiĝis, kun la studado de la Malnova Testamento, pri Luther, Augustinus, kaj ankaŭ pri skolastiko kaj pri orienta kaj ĝermana lingvosciencoj. Li publikigis jam aron da libroj, inter ili »Luther kaj Emser«, »Leibnitz«, »Friedrich List«, »La liberigo de la tekniko« kaj »Helena aŭ la kunlaboro de Schiller« (en »Faust«). Kaj nun sekvas la »Aventurulo de Dio«, kvazaŭ frukto de vivo, kiel konfeso kaj klarigo.

La historio komenciĝas en la babilona ekzilo: la judoj kutimiĝis al la vivo de la grandurbo Babel, ili iĝis parte riĉaj homoj, kiel ekzemple ankaŭ la juvel-komercisto Sira. La malvasteco de la komercado ne sufiĉas al li. Li volas pli. Per siaj vojaĝoj li akiris certan teknikon pri la vojaĝoj en la dezerto kaj li uzas sian sperton por la realigo de granda ideo. Li vojaĝos al Kyros, gajnos la fidon de la reĝo de Persujo kaj petos lin, rekonduki la judojn el la ekzilo en la patrolandon. Sira realigas sian ideon kaj iĝas atestanto pri la falego de la malnova kaduka kaldea regno kaj poste, post la batalo ĉe Sardes, kiu kostas al Krezo sian libian regnon, li fariĝas amiko kaj konfidulo de la mondreganto Kyros. Sed li ne plu obstinas pri sia fundamenta ideo, ĉar li intertempe rekonis ĝin eraro kaj scias: »ke la judoj ne starigos denove la regnon de la granda Davido en Kanaan ...« Sed ankaŭ alion li ekkonis: la profundajn instruojn de Zarathustra kaj la klarajn saĝinstruojn de la jonia filozofio, la veran pasadon de la mondaferoj kaj nun li scias, ke lia hejmlando perdiĝis por ĉiam.

Sed Sira ne finas en rezignacio. Li vizitas Pandŝabon, aŭskultas la instruojn de Budho kaj per li lernas kompreni la sencon de la historio. Unu homo, diras Budho, signifas ĉiujn. Se vi parolas kun iu homo, vi parolas kun ĉiuj, do ankaŭ kun vi mem. Kaj ĉu ne ĉiuj popoloj estas homfamilio? »Ĉiu kun propra sorto, propraj talentoj, propraj malicoj kaj eraroj, kaj tamen kuntenataj per la unika tragika sorto de la homesto, ke ili, pro ia fato de dio, estas devigataj dolorigi unu la alian. — Jes, eble pro tio, ke iun komune malestimatan membron de la sortofamilio ili devas piedpremi kvazaŭ en interkonsento, por ke guste ĉi tiu malestimata membro montru al ili, ke la ĉefa eco de ĉiu vivo devas esti la sufero?!« Tiel la sufero por Sira ricevas heroan sencon. »Jes, Klerigranto, mi volas suferi, sed trans via alta instruo: mi volas fari la suferon!« Kaj tiel Sira venas al la kompreno de la fato, kies nomo estas Diasporo.

En trankvila tendo, kun skribtabulo sur la genuoj, li komencas skribi, ĉar kantas en li. Kaj tiel estiĝas la profunde travivitaj kaj profunde trasferitaj 40 ĝis 55 versoj de la libro Jesaja, kiujn la verkisto interpretas en verva tradukaĵo. Juvelkomercisto, ŝtonpoluristo, orajisto, kuracisto, leĝisto, helpanto de la malriĉuloj estis Sira; nun li estas poeto, profeto.

Tio estas la kerno de la romano de Meissinger, samevalora kiel poezia verko kaj kiel kultura priskribo; la ĉiutagan vivon de la foraj popoloj ĝi same bildigas, kiel metale ĝi sonas en la estontecon. Nur scienculo kun poeta talento, nur poeto kun religio- kaj lingvoscienca klero, iu, kiu konas la malnovajn tekstojn de la sumeroj kiel la hindajn kaj jonajn saĝojn, scipovis skribi ĉi tiun verkon. En la mezo staras apud Sira la ĉarma grekino Artemisia, belulino, pri kies morto oni funebras kiel pri la morto de parencino. Ni povis sekvi ĉi tie la vojaĝojn de Sira de Babilono ĝis Wadi Hauran, tra la Kaspa Pordo en la Parapanison nur supraje, tro supraje, despli da surprizo donos la »Aventurulo de Dio« al la leganto, kiu sentos sin pli saĝa kaj milda, kaj kiu ĉe la fino volus ripeti la vortojn de satrapo Artabanos: »Vidu, estis vero, kion mi tiam diris: Dio estas ne malbona poeto!« *F. W. V.*

## Traduk-konkurso

Ni jene publikigas la rezulton de nia konkurso pri traduko de kantotekstoj (vd. en la ĉi-jara tria numero).

1. *N. Hervé:* el »*Mam'zell Nitouche*«. Unua premio: ne aljuĝita. Dua premio: *Bonvolemulo* (Albert Masselier, Neuilly-Plaisance). Tria premio: *Regina Coeli* (C. Rousseau, Bécon-les-Bryères).

2. *Händel:* el »*Messiah*«. Unua premio: *Tradu Kanto* (K. Kalocsay). Dua premio: *Harmonio* (Madeleine Stakian-Vuille, Geneve). Tria premio: *Valhejmo* (Jenny Weleminsky, Praha).

3. *Wagner: Lied an den Abendstern.* Unua premio: *Tradu Kanto* (K. Kalocsay). Dua premio: *Pli facile mem fari versojn ol traduki* (Julius Holzleitner). Tria premio ne aljuĝita.

4. *Grieg: Jeg elsker Dig.* Unua premio: ne aljuĝita. Du duaj premioj: *Katido* (Liv Sandberg, Bekkelaget) kaj *Plena De Espero* (Magda Carlsson). Tria premio: *Gocoro* (Georg Carlander, Ekhult).

5. *Strauss: La blua Danubo.* Unua premio: *Tradu Kanto* (K. Kalocsay). Nur unu teksto alvenis.

La tradukojn, kiuj gajnis unuan premion, ni publikigas en tiu ĉi numero. La traduko de la Grieg-kanto, bedaŭrinde, ne povas esti rigardata kiel definitive solvita. La Hervé-tekston ni publikigas en la eksterkonkursa traduko de K. Kalocsay. *L. M.*

---

KLAUS MANN: »SYMPHONIE PATHETIQUE«

Klaus Mann, la filo de Thomas Mann, donas plenan ateston pri sia matura forto juneca troigo, nek juneca pedanteco. Klaus Mann evitas la kutimajn vojojn de la nun tiel ŝatataj biografiaj kaj artistaj romanoj. Li provas sur propra vojo veni al la ekkono kaj formado de la granda rusa muzikisto Ĉajkovski, kreanto de »Eŭgeno Onegin«, de »Pique dame« kaj de tiu kolorbrua sesa, la »Symphonie Pathetique«! Ne estas bagatelo, priskribi sen la kutimaj romanstreĉoj la figuron de muzikkreulo, des pli, se temas pri animo eterne ŝanĝema, suspektanta sin mem malfide, altanta, de pelata turmentaj imagoj, trosentema, ĉiam ombrita. Kaj la kuraĝa provo prosperis al Klaus Mann. Per rememoroj, survojaj impresoj el la vivo- kaj artomigradoj de la fama orkestrestro kaj komponisto, aplaŭdita en Paris, Berlin, Leipzig, Wien, Petersburg, Odessa, Newyork, li konstruas vivan bildon pri la eksterordinara viro: lia moleco kaj infana korboneco, lia kunsento kun ĉiu doloro, kiun li provas solvi en tonoj, lia modesteco, la etaj imagoj de la granda artisto, la erupcioj de vulkana temperamento. Kaj ankaŭ la eksteraj stacioj de ĉi tiu vivo- kaj artopilgrimado surprize estas videblaj: oni ekkonas la gepatran domon de Peter Iljiĉ, la bonan patrinon kun la blankaj noblaj manoj, la patron, provinc-projektiston; liajn studojarojn ĉe la jura akademio, lian danĝeran ligitecon kun lia malbona demono, la poeto Asuhtin, la mallongdaŭran, ridindan edzecon kun tiu malkapabla Antonina; la amligon kun la mistera nekonatino, sinjorino von Mack, kiu donis al li renton kaj poste ĝin ĉesigis; la kortuŝan amikecon kun lia juna parenco Vladimir, kiun li plej profunde amis, kiel Beethoven sian nepon, kun la tuta, sin-elverŝa varmo de sia koro. Figuroj el la granda muzikmondo preteriras: Johann Strauss, kiu malkovris lin kiel orkestrestron en Kiew, Brahms, lia antipodo, la malgaja Rubinstein, lia instruisto kun superdimensia memŝato, Grieg, la blondulonaivulo, la juna Nikisch, la juna Mahler, Bülow kun trajtoj signitaj de doloro. Ĉi tiuj figuroj kaj okazaĵoj estas ne nur komprenitaj kun plej delikataj sentoj, sed ili reespeguliĝas ankaŭ en la lingvo — mem plena de muzika senteco, plena de gracio kaj plena de juneco.

*F. W. V.*

---



**KIEL LA BLINDULO**

trovanta la vojon nur en la stratoj konataj, tiel ankaŭ vi trovas la bonan solvon por la problemoj de nia lingvo post studado de multaj verkistoj dum multaj jaroj. Sed por ŝpari al vi penojn kaj energion, por dediĉi tiujn al aliaj celoj, vi bezonas

**CERTAMANAN KONDUKANTON**

Sen tia ankaŭ vi perdas tre multan energion. kiel la blindulon, kiu ne sentas la emocion de la travagataj trankvilaj stratoj aŭ la multfacetan, tumultan vivon de la grandurbaj bulvardoj, ankaŭ vin lasas senemocie la nevidataj belajoj en konstruo de nia lingvo.

**VIDANTAJ OKULOJ**

estas por li kaj por vi la plej granda trezoro. Li ricevas ilin malofte kaj tro kare. Sed por vi ja troviĝas



**LA PLEJ MALKARA SOLVO**
**POR GUI LA BELOJN,**

kiujn malkovras al ĉiu vidanto nia lingvo. Kiel la kondukanto nian amikon blindulon, tiel vin gvidas tra la labirintoj de

**LA PLENA GRAMATIKO DE ESPERANTO**

la senkompare utila kaj kompleta verko de K. Kalocsay kaj G. Waringhien.




**DUM UNU JARO DU ELDONOJ**

pruvas plej elokvente, ke multaj samideanoj sekvis nian konsilon kaj fariĝis vidanto rilate la kaŝitajn trezorojn de nia lingvo, ĝis nun ja sekvitajn, sed tamen ne konsciitajn.

**LA DUA ELDONO**

pli ampleksa ol la unua, ĉirkaŭ cent paĝojn, entute sur 470 grandformataj paĝoj prezentas al vi facile, kolektite, senpere la

**RESPONDOJN**
**AL VIAJ DEMANDOJ PRI GRAMATIKO**

en scienca, tamen facila formo. Por malalta prezo vi povas aĉeti tiun valoregan verkon ĉe ĉiu esperantista librovendisto.



Eldonis »Literatura Mondo«, Bleier Vilmos,
Budapest, IX., Soroksári ut 38—40. V. 6.

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Prezo:** | broŝurita | USA dol. 2.60 | antaŭpage **1.95** |
| | bindita | USA dol. 2.90 | antaŭpage **2.10** |
| | lukse bind. | USA dol. 3.50 | antaŭpage **2.70** |

**Aldonu 10% por sendkostoj**

ĴUS APERIS!

# Maria kaj la grupo

**Originala romano de Emba.**

Eldonis **Literatura Mondo, Budapest.** — La lasta volumo de C-serio de AELA 1935. Formato 20×13.5 cm. 176 paĝa, kun kolora kovrilo. Prezo broŝurita: 0.70 dolaroj, bindita: 0.95 dolaroj, sur luksa papero, en luksa bindo 1.30 dolaroj, plus 10% por sendo.



La unua memstara verko de la konata laborist-literaturisto, kaj la unua en sia speco, kiu pritraktas nur la vivon de esperanto-grupo. Li priskribas tion en klara, flua stilo. Kiel en kurba spegulo li montras ĉiujn mankojn, erarojn de la pacaj batalantoj samtempe pentrante per entuziasmaj koloroj la idealon, la figuron de Maria.

### DAŬRIGA VOLUMO DE ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

Ni informas ĉiujn posedantojn de »Enciklopedio de Esperanto«, ke la daŭriga volumo de Enciklopedio estas prilaborata kaj verŝajne aperos en 1938..

Ni sendis al ĉiuj posedantoj de Enciklopedio detalan oferton pri malaltpreza aĉeto. Se vi hazarde ne ricevis ĝin, bonvolu peti senprokraste de Literatura Mondo

### LINGVO-LIBRO

aperos en ĉi tiu jaro nur trifoje. La 3-a numero aperos kune kun la lasta numero de L. M. La tiel forŝparitaj paĝoj estas uzataj por la Jubilea libro de Baghy—Kalocsay.

### DUA ELDONO DE PLENA GRAMATIKO DE ESPERANTO

Ni informas ĉiujn aĉetintojn de la unua eldono, ke la dua eldono estas jus prespretigita. Ĝi estos ĉirkaŭ 100 paĝojn pli granda, ol la unua kaj ni ŝanĝos por ĉiu la unuan eldonon je la dua. La aĉetintoj, se ili hazarde ne ricevis la necesajn informojn, povas ĝin havigi de la eldonejo aŭ de la firmo, kiu liveris al ili la libron. Kiuj ne deziras ŝanĝi, rajtas aĉeti la duan eldonon por la duona prezo.

Mi serĉas

## KUNLABORANTOJN

**por granda antologio de juda literaturo (eldonota de L. M.)**

Esperantistoj el Polujo, Usono, Sovetio, Grekujo, Palestino, Turkujo k. a. landoj, bone sciantaj la Esperantan kaj judajn lingvojn (jidan — jidiŝ — hebrean, spanjolan) turnu sin al:

**IZRAEL LEJZEROWICZ, Lódz, Kilinskiego 30 Pollando**

ĴUS APERIS!

**E. WÜSTER:**

# Konturoj de la Lingvonormigo en la Tekniko

Eldonis: **Literatura Mondo, Budapest.** La dua volumo de la lingvo-serio de AELA 1935. Formato 20×13 cm. 124 paĝa. Prezo broŝurita 0.60 dolaroj bindita 0.85 dolaroj, plus 10% sendkostoj.

La libro estas la malgrandigita kaj parte kompletigita eldono de la granda germana eldono aperinta en 1931. Depost tiam en 1935 aperis ankaŭ la rusa eldono kaj la verko estis de ĉiuj lingvistoj favore akceptata. Ni esperantistoj precipe estas interesataj en la „Lingvonormigo" kaj certe ĉiuj samideanoj, interesĝantaj pri lingvaj problemoj, prenos kun ĝojo tiun valoran verkon.

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** XIX 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 12371

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Taiivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, Rotterdam W. Schiedamschewege 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto Tokio, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Rockford (Illionis) 1111 Brooke Rd

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.